XVIa jaro. No 239/240 (7/8) ⋆ Monata ⋆ Julio/Aŭgusto 1920

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . 10.— Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . 1.— Franko
*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . 2.— Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

DIREKTINTO: HECTOR HODLER — REDAKTORO: D-ro EDMOND PRIVAT, GENÈVE
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: MUSEUMSSTRASSE 14, BERN



## NUNTEMPAĴOJ

# Historia skizo de la ŝtatbankrotoj

La kriza situacio, en kiu troviĝas la ekonomio de la plej multaj Eŭropaj ŝtatoj, aktualigis la demandon pri ŝtata bankroto. Ni ĉi-sube donas historian rigardon pri la jam okazintaj ŝtataj bankrotoj, iliajn kaŭzojn kaj iliajn influojn sur la ekonomia vivo de la koncernaj landoj.

La instruoj de la nacia ekonomio ĝenerale rilatas al la estantaĵoj. La konsidero de la praformoj kaj originoj de ekonomia organizo en malproksima estinteco devas cedi al la diskuto de pli urĝaj nuntempaj demandoj. Oni do povas paroli science pri nur malmultaj demandoj de la socia ekonomio, kaj lasttempe historiisto tute serioze konstatis, ke la plimulto de la traktatoj pri nacia ekonomio, presitaj antaŭ la mondmilito, povus esti detruataj sen grava perdo por la nun akceptita esplormetodo. Malgraŭ tiu ĉi malgrava estimo de l' historia fariĝo, la priskribo de simplaj cirkonstancoj de l' antikveco kaj de l' mezepoko povus esti taŭga por la popola edukado. La laiko ne estante dependa de la pasintaj okazaĵoj, akiras per la esploro de ili pli rapide klaran komprenon, kiu poste per komparo kun la estanto ebligas ŝatindajn, praktikajn deduktojn.

Oni, eĉ inter specialistoj, ankaŭ ofte opinias, ke amplekssaj financaj spekulacioj de ŝtatoj estas okazajoj de la du lastaj jarcentoj. Spertelertaj borsistoj kaj bankistoj kun miro konfesas, ke ili nescias, ke en la antikvaj tempoj ĉe la grekoj kaj la romanoj fariĝis jam en- kaj eksterlandaj pruntoj, ke jam tiam profite al la ŝtato moneroj estis malbonigataj kaj per si senvaloraj monsignoj liverataj al la komerco. Se tamen oni ĝis nun nur malmulte aŭdis pri tiamaj ŝtatbankrotoj, estas pro tio, ke tiam la ŝtatkredito estis nur tre malmulte disvolvita. Krome oni devas atenti la fakton, ke la scienca historio, ĝis antaŭ kelkaj jardekoj, preskaŭ timeme evitis esprimojn montrantajn similecon al nuntempaj institucioj. Kelkaj ekzemploj instigu al plua esploro de la ŝtata monadministrado.

Por egalpezi la ŝtatenspezojn, precipe rilate al la impostoj kaj al la ŝuldiĝoj koncerne la plenburĝojn, en malnova Grekio oni ofte agadis senindulge. Post la lasta, la lamika liberiga milito (322 a. Kr.), la urbo Ateno estis devigata forpreni la urbanrajton de ĉiuj ŝtatanoj, kies havaĵo konsistis el malpli ol 2000 draĥmoj. Pro tio, pli ol duono de la atenaj burĝoj perdis siajn politikajn rajtojn; ili estis forsendataj en tracan punkolonion, sed estis ankaŭ permesate al ili, resti en Atiko kiel servistoj aŭ almozuloj.

La ekstermo de privataj ŝuldoj per ŝtata enmiksiĝo ofte plenumiĝis tre strange. En 242 a. Kr. la klarvida reĝo Agis, por malakrigi la mizeron, kiun suferis granda parto de la sparta loĝantaro, proponis neniigon de ĉiuj hipotekaj ŝuldoj, kaj reordigon de l' terposedrajto. Tiamaniere li esperis prepari la sanigon de la internaj kondiĉoj de l' ŝtato. Dum la popola kunvenantaro ĝojege akceptis la proponon, la konsilantaro de la maljunuloj malakceptis ĝin per malgrava plimulto. Kiam la elektoj de la sekvonta jaro minacis, refoje malhelpi la plenumon de la grandanima plano, Agis ekuzis kontraŭleĝajn rimedojn: Ĉiuj obligacioj estis publike forbrulataj sur la granda placo de Sparto. Tiu ĉi unua provo sufiĉis al la ŝuldantigitaj terposedantoj; de la dua parto de la reformo, la redivido de la bienoj, ili ne povis atendi pluan profiton. Ili perfidis la reĝon, kiu post ne longe estis mortigata de la nobeloj.

Nek mankis al la antikva Grekio puraj teoriistoj. Plato (427—347) malaprobis monon el oro kaj arĝento, kiel kaŭzon de sociala malpaco. En la de li elpensita ideala ŝtato, ĝi ne devis troviĝi en la mano de privatuloj; devis servi enlande kiel ŝanĝilo nur senvalora monmarko, la ŝtato sole kolektadis monon el nobla metalo.

La unua ŝtatbankroto menciata en historio estas la oficiala monelkursigo, kiun ordonis la roma senato post la unua punika milito: Por pagi la ŝtatŝuldojn la as (roma monero) malaltiĝis ĝis 6 uncoj anstataŭ 12.

La deziro, akiri la necesajn sumojn por aĉeti la eksterordinare malkarajn terbienojn, okazigis post la dua punika milito la de Livius tiel majstre priskribitan kunsidon de la roma senato, en kiu la financistoj de la respubliko furioze redemandis la de ili en malfacilaj cirkonstancoj pruntedonitajn sumojn. Tiu ĉi demando preskaŭ bankrotigis la roman respublikon.

La treege luksa vivo de la riĉaj klasoj en Romo en la imperiestra epoko, kaŭzis gravan forfluon de l' oro en la Orienton. 100 milionoj da sestercoj forfluis en la orientan Azion kaj en Hindion por la akiro de silko, perloj kaj spicoj. La plej valora metala mono fariĝis pli kaj pli malofta en Italio, dum en la najbaraj landoj amasiĝis oraj trezoroj. La konsekvencoj estis: malfortigo de l' imperio, fortigo de la najbaroj. Tiamaniere la morale kaj ekonomie defektita Romo kun siaj 50 milionoj da enloĝantoj venkite falis sub la germanaj barbaroj, kies supereco eĉ en monaferoj evidentiĝas el la diro de Tacitus en *Germania:* „Monaferoj kaj procentegoj estas de ili nekonataj."

La historio de la mezepoko vidigas pli multe da ŝtatbankrotoj. En Hispanio kaj en Francio ne pasis jarcento sen grava ŝancelo de la ŝtatfinancoj. Tre ŝatata estis ĉe la tiamaj princoj la metodo, sin elembarasigi per eldono de neplenvaloraj moneroj. La epoko de la „Kipper" kaj „Wipper" komence de la tridekjara milito longe postrestis en la memoro de l' popolo. Filipo la belulo (1285—1314) de Francio, kiu sekve de la multaj militoj, kiujn li faris, ofte estis embarasita, en 1205 malbonigis la monerojn, kaj tion ne sekretigis. Li eĉ promesis al la burĝoj, estonte rebonigi la malutilon. Sed tiun rebonigon la burĝoj vane atendis; dum sep jaroj la reĝo daŭrigis la eldonon de malbonaj moneroj; li elĉerpis la judojn, kaj fine, en 1312, li perforte propriĝis al si la riĉegaĵojn de la templa kavaliraro. Krom la mondifekto, oni tre ŝatis fari pruntojn ĉe jvdoj kaj lombardoj por pago de ŝuldoj. La princoj prunteprenis laŭpove, kaj kiam venis la momento de l' finaranĝo, ili ekscitis la pasiojn de l' popolamaso, konfiskis la bienojn de la judoj, kaj elpelis ilin el la lando. Eĉ la plej famaj francaj ministroj de la 16a kaj 17a jarcentoj agadis tiamaniere. Sub Sully, la talenta konsilanto de Henriko IV (1589—1610), kiu sciis efike kontraŭstari al la malhonestaĵoj de la impostkolektistoj, kaj sub Colbert (1661—1683), la plej eminenta ministro de Ludoviko XIV, kiu pligrandigis la ŝtatajn enspezojn je 51 milionoj da frankoj, ofte monsumoj pruntedonitaj al la ŝtato estis repagataj en formo de arestmandatoj kaj de forsendo al la galeroj. Kardinalo Richelieu (1624—1643) postulis, ke la ŝtato igu la pruntintojn, atendi kiel eble plej longe. Sully la unua donis la ekzemplon de reduktita rento. Tio ankoraŭ ne estis ŝtatbankroto laŭ la propra senco de l' vorto, ĉar oni konsentis la laŭregule akiritajn rentojn. Sed lia ĉesigo de la procentpago ne estas defendebla. Tiuj ĉi rimedoj malpliigi al ŝuldojn, uzitaj de la francaj ŝtatministroj de l' 17 jarcento, trafis nur mallarĝajn rondojn, la amaso estis nur malmulte tuŝata de ili. Tial oni ne malaprobis la ŝtaton, ke ĝi prenis monon, kie ajn ĝi ĝin trovis. La malbonaĵo konsistis nur en tio, ke ĝi estis ofendo al homoj ne alkutimintaj fordoni proprajon. Ili estis ĉefe la nobelaro kaj la pastraro. Unue la bankroto de la jaro VI, konata kiel „likvido Ramel", trafis sammezure ĉiujn klasojn de l' popolo. Ĝi efikis pereige, same kiel la per imperiestra patento de l' 20 februaro 1811 komencita aŭstria ŝtatbankroto.

Kiam Filipo II (1556—1598) suriris la hispanan tronon, la ŝtatbankroto estis neevitebla, pro la de lia antaŭulo amasigitaj ŝuldoj. Tiuj ĉi sumiĝis je sep milionoj da dukatoj kaj estis la malĝoja sekvo de la milito kontraŭ Francio. Unue Filipo provis eviti la bankroton per vendo de bienoj, kaj per novaj malgrandaj pruntoj. La ordinaraj enspezoj de la krono estis de longe fordonitaj kiel garantiaĵoj al la kreditoroj. Tiam, en junio 1557, oni fine decidis, sin liberigi per perforta redukto de la rentoj. Oni devigis la kreditorojn al ŝanĝo de la pendanta ŝuldo en ĉiamigitan. Oni deklaris iliajn pretendojn al la kronenspezoj senrajtigitaj, kaj proponis al ili kiel kompenson kvinprocentan hispanan ŝtatrenton.

*(Daŭrigota.)* *Franz Friedrich.*

Trad.: *A. C.*

 SOCIA VIVO 

# Persio

III

Ni jetu nun mallongan rigardon al tio, kion Persio faris en la fako de la penso kaj de la arto kaj kio, multe pli ol la plej brilaj milittriumfoj, per kiuj ĝia historio estas signita, faras ĝin konsiderinda kaj eĉ admirinda de ĉiuj civilizitaj popoloj.

La persa *lingvo* apartenas al la irana grupo de la hindo-eŭropaj lingvoj. Oni distingas malnovan, mezepokan (aŭ pehlvi) kaj modernan persan lingvon. Tio ĉi estas tri sufiĉe malsamaj stadioj de unu sama idiomo, kiu — kiel la popolkaraktero — ne ŝanĝis plimulte en mil jaroj ol la angla en tri jarcentoj, kaj Firdausi estas tiel komprenebla por moderna perso, kiel estas Shakespeare por nuna anglo.

La malnova persa aŭ okcidenta irana, estas al ni konata pro la kojnoformaj surskriboj de la Aĥemenidaj reĝoj, kies oficiala lingvo ĝi estis. Iliaj surskriboj estis trilingvaj: la unua kolono estis redaktata en malnova persa, la tria en asira, la dua kaŭzas ankoraŭ hodiaŭ sufiĉe viglajn disputojn. Tiuj ĉi surskriboj prezentas nur tre limigitan leksikonon, iom pli ol 400 vortoj inkluzive multaj propraj nomoj. La malnovpersa, kiel la Zenda, ŝanĝas la komencan *s* en *h*, sed en la vortoj, iafoje tute malaperigis la primitivan siblanton. Ĝi konservis netuŝitaj la diftongojn *ai* kaj *au* de la hindo-eŭropa. La persa skribmaniero estas la plej simpla el la kojnoformaj sistemoj. En la periodo etendiĝanta de la Aĥemenidoj ĝis la muslima konkero, la persa lingvo ŝarĝiĝis de Semidaj (Arameaj) elementoj. La nomo *pehlvi* estas donata ĝenerale al la lingvo de Persio dum tiu ĉi periodo.

La novpersa aŭ persana konsistiĝis en la XIa jarcento kiel literatura lingvo. Ĝia nuna kampo ampleksas ne nur la tutan Iranon, kie ĝi estas komprenata ankaŭ de la malalta popolo, sed etendiĝas trans tuta Turkestano, tra Beluĉistano kaj Afganistano ĝis Hindio. Ĝi posedas tri vokalojn, mallongajn aŭ longajn, *a, i, u,* kaj diftongojn devenantaj de la kombino de tiuj tri vokaloj. Ĝia konsonanta sistemo estas preskaŭ tiu de la slavaj lingvoj, sed kun granda abundo de gorĝaj elspiroj. La persoj skribas de dekstre maldekstren kaj uzas la araban alfabeton *(talik)* kun plio da kvar literoj: p, ĉ, ĵ kaj g (malmola), tiel ke ĝi konsistas entute el 32 signoj. Kiel la araba skribmaniero, sole la konsonantoj estas reprezentataj de literoj.

La granda formriĉeco de la malnova persa ne estas retrovebla en la nova, kies gramatiko estas ekstreme simpla kaj montras multe da analogio kun la angla. Neniaj deklinacioj, la kazoj estas markataj de prepozicioj, nenia seksdiferenco ĉe nomoj kaj pronomoj, nur la multnombro ricevas apartan finiĝon, nenia artikolo. La konjugacio estas ankaŭ

simpligita, ĉar multaj tempoj kaj modoj estas anstataŭitaj de perifrazaj formoj. Alia analogio kun la angla koncernas la leksikonon. Kiel tiun penetris arego da romanaj elementoj, kiuj ofte superpasas la originajn anglosaksajn, tiel la persa lingvo enhavas tre grandan nombron da vortoj pruntitaj de la araba, ne nur en scienca fako sed ankaŭ en la ordinara vivo. La pasio de la Persoj ornami sian parolon kaj skribon per vortoj kaj dirmanieroj de araba deveno, kiel pruvo de nobla klero, memorigas la germanan manion al fremdaj vortoj. La reakcio tamen ne mankas, kaj la nuna ŝaho estras movadon, kiu penas plivalorigi la iranan lingvoelementon. El la multnombraj persaj dialektoj (deri, valaat, gilani), kiuj ofte enhavas subdialektojn, la plej belsona estas tiu de Ŝiras. Notinde, ke la turka lingvo estas 90 % araba kaj persa.

La persa *literaturo* konsistas el: 1e La malnovpersaj kojnoformaj surskribaĵoj de Aĥemenidaj reĝoj; 2e la „Avesta" kaj la „Gatha'oj", reprezentantaj ĉion, kio venis al ni de la Zenda literaturo; la fragmentoj de l' Avesta ne reiras la IVan jc. de nia ero, dum la Gatha'oj aŭ himnoj, skribitaj en aparta dialekto, estas pli malnovaj; 3e la Pehlvia literaturo, enhavanta Sassanidajn surskribojn kaj tradukojn de libroj el la Avesta kaj multe da aliaj religiaj libroj kiel la „Bundahiŝn", la „Arta Viraf Nâmak", priskribo de l' ĉielo kaj infero k. a.; 4e la post-Mohamedana aŭ „Moderna persa" literaturo de la lastaj mil jaroj; 5e la larĝa parto de la araba literaturo, produktita de Persoj.

Depost la araba konkero, la irana genio restis en letargio, de kiu ĝi liberiĝis nur post pli ol du jarcentoj. La Araboj estis altrudintaj al Irano kun sia religio, sian lingvon kaj skribmanieron; tiu ĉi konserviĝis eĉ post kiam la persa lingvo reprenis superecon.

Se ni limiĝas kun la perse skribitaj verkoj, nia studkampo estos malpli riĉa kaj malpli varia ol se ni ampleksas tie la araban literaturon ŝuldata al la Persoj. Sed ĉiuokaze tio estas literaturo, pri kiu povus fieri kiu ajn lando, precipe koncerne la mistikan poezion. En la persa literaturo distingiĝas speciale la produktaĵoj de l' analoj kaj de l' poetiko. Ilia riĉeco embarasas. Tiel, la Mesnevi Mistiko, de Djelal-ed-Din-Rumi, kalkulas 20,000 versojn, la „Ŝahnamé", de Firdausi, 60,000 kaj la poetikaj verkoj de Attar minimume 70,000, ne parolante pri la senfina serio de tiuj, kiuj aperis depost mil jaroj. Estas eraro pensi, ke Persio produktis nenian poetikan verkon de unua grado depost la epoko de Maulana Djami (XVa jc. post Kr.). Almenaŭ kelkaj de l' nuntempaj poetoj apartenas al tre distinginda kategorio, kaj la politika revolucio de 1906 naskis novan skolon de poetoj kaj novan specon de poezio, posedanta realan meriton kaj originalecon.

Ne parolante pri la ceteraj branĉoj de l' persa literaturo, oni tamen devas rekoni, ke por la prozo, la araba estas samtempe pli konciza, pli klara kaj pli esprima. Tre floranta prozo superregis sub Tamerlan kaj liaj posteuloj, kun kiuj ĝi penetris Hindion, kie ĝi eterniĝis. Multe pli bela kaj pli simpla stilo precipe efikis en Persio de la XIa ĝis la XIVa jc. kaj estas denove honorata depost la XVIa jc.

La unua nacia poeto estis Rudagi, kiu vivis ĉe la Sassanida kortego kaj mortis en 954. La Ghaznevidoj unuigis ĉirkaŭ si tutan plejadon de poetoj, inter kiuj Firdausi (XIa jc.) estis tre brila figuro. La irana genio, kun siaj legendoj, sia lirismo kaj sia filozofio, retroviĝas tuta en lia verko, la *Ŝahnamé* (Libro de la reĝoj). Tiu ĉi vasta epopeo enhavas la fabelan historion de malnova Persio, depost la mitaj personecoj de l' Avesta, la dinastio de la Piŝdadianoj, ĝis la luktoj de Ĥosrau Parviz kontraŭ la uzurpulo Behram Ĉubin.

Al la sama epoko aperis epikaj poemoj, kies aŭtoroj ne estas al ni konataj. Iom pli malfrue la historio malligiĝis de la legendo, kaj oni vidis aperi la *Zafar-namé* de Hamd-Allah-Mustaŭfi (1334), la *Ŝahinŝah-namé* de Tebrizi (1338), la *Timur-namé* de Hatifi (1521). Flanke de tiuj rimitaj kronikoj, ni trovas multnombrajn historiajn prozverkojn; la unua laŭdate estas la persa traduko farita de Bel'Ami de la grandaj arabaj analoj de Tabari (996). La *Raŭzat-us-Safa* (Ĝardeno de l' pureco) de Mirĥond (1498) estas universala historio, depost la kreo de l' mondo ĝis la regno de Tamerlan. Literatura speco tre kulturata ĉe la Persoj estas la romantika poezio, kiu donas al ni la *Juzuf* aŭ *Zuleiha* de Firdavsi, malgranda poemo tirita el la biblia legendo pri Josefo en Egiptio; la *Ĥosraŭ* aŭ *Ŝirin* de Nizhami (1180), historio pri la amoj de Ŝosroes II kaj la Ŝirin, Armenia princino; la *Leila* aŭ *Medjnun*, scenoj el la vivo de la dezerto, de l' sama aŭtoro; la *Djamŝid* aŭ *Ĥurŝid* de Salman Savedji, romano de la ĉina princo kaj de la Konstantinopla princino. La mistika literaturo estis favorata ĉe la persoj, precipe en la epoko, kiam la Sufia filozofio komencis disvastiĝi sur tiu ĉi fruktodona grundo. Modelo el tiu speco estas la poezia verko de Omar Ĥey-Yam de Niŝapur, fama ankaŭ kiel matematikisto kaj astronomo (1123); en siaj katrenoj *(Rubai)* li prikantas, sub malbonmora formo, la ekstazan ebriecon kaj dian amon. La *Mantik-ut-Tair* kaj la *Pend-namé* de Ferid-ed-Din Attar, la *Mesnevi* de Djelal-ed-Din Rumi, povas registriĝi en tiu ĉi literaturspeco. Nomindaj estas ankaŭ la poetoj Auhad-ed-Din Anvari kaj Riŝid Vatvat, ambaŭ de la XIIa jc.

Sed la plej popularaj poetoj de Persio, kiuj restis tiel vivantaj en la koro de siaj samlandanoj kaj estas citataj tiel senpene de ili, estas Saadi kaj Hafiz, en la XIIIa kaj XIVa jc. de nia ero. Musliĥ ed-Din Saadi de Ŝiras († 1291) estas aŭtoro de la fama *Gulistan*, kolekto de fabloj kaj de fabeloj en versoj kaj prozo, kaj de la *Bustan* en versoj. Se en kelkaj verkoj estas tro da natura kaj speco de monda saĝeco, estas ankaŭ aliaj familiaj citaĵoj, en kiuj li lumigas la homan solidarecon, la devojn de la regantoj al iliaj regatoj, la kompaton ŝuldata de ĉiuj al la malriĉuloj kaj orfoj kaj la devigon de religia toleremo, — tiel larĝaj kaj humanaj estis liaj ideoj kompare kun tiuj de liaj orientaj kaj okcidentaj samtempuloj. Hafiz de Ŝiras († 1389) estis poeto kun senkompara mildeco. Liaj *Odoj* malkovras artistan animon kaj profundan senton al la naturo. Li posedis kvazaŭ eksterordinaran talenton de mensa penetro kaj esploris preskaŭ ĉiujn fakojn de l' moderna penso. La fakto, ke la simpla mulisto trompas ofte la longecon de sia unutona vojo per kantoj de tiu ĉi poeto samtempe pruvas lian premsignon sur la koro de liaj samlandanoj kaj klarigas la elegantan literaturan dirmanieron, kiu karakterizas la lingvon de liaj modernaj samlandanoj, eĉ plej malkleraj, kaj kiu donas tiom da ĉarmo al la konversacio de la plej humila. inter ili.

Citindaj estas ankoraŭ la rakonto de l' vojaĝo en Oriento de Nassir-Ĥosrau titolita *Sefer-namé*, la registaraj traktatoj, kiel ekz. la *Sijar-el-Muluk*, kondukilo de l' reĝoj, de l' veziro Nidham-ul-Mulk, publikigita sub la titolo *Siasset-namé*, kaj la kolektoj de rakontoj kaj de apologioj, tradukitaj plejmulte el „hindustani" kaj el „pehlvi", k. a.

Ekzistas aparte kelkaj belegaj verkoj pri historio, biografio aŭ etiko, vojaĝlibroj kaj politikaj traktaĵoj. Inter la historiistoj notindaj estas: Raŝid ed-Din de Hamadan, Vassaf, Ŝaraf ed-Din Jasdi, Mirĥond, Ĥondemir, Jaĥja Kasvini, k. a. Plie, talentaj jurnalistoj aperis la lastajn jarojn. La libropreso estas enkondukita en Persio apenaŭ depost centjaro. Antaŭe la malgranda bezono de libroj estis kovrata de kopiistoj. Pri gazeto oni ekpensis nur en 1839, kaj la unua estis la *„Maquaya"* (Okazintaĵoj), eldonata de Mirza Saleh Ŝirazi en Londono. Depost 1864 ĝis 1896 estis fondita dudeko da gazetoj, kiuj provis alporti iom da scienco kaj liberalaj

opinioj en Persio. Ekster Teheran oni apenaŭ povis trovi en la aliaj persaj urboj iun gazeton. Regis nenia gazetara libereco, ĉio estis limigita laŭplaĉe de la regantoj. Kiel plej liberala persa gazeto en eksterlando estas „Quanoun" (Leĝoj), kiu efikis plej klerige kaj estas rigardata kiel vera antaŭulo de la persa revolucio. Fondita en 1890 en Londono de princo Malkom Ĥan, ĝi kritikis plej akre la persajn aŭtoritatojn kaj ministrojn, provante ĉiumaniere klerigi la popolon kaj montri al ĝi la danĝeran situacion de Persio. Pro punminaco ĝi estis legata ĉe fermitaj pordoj. Aliaj citindaj gazetoj estas la „Aĥtar" (Stelo) en Konstantinoplo, „Hikmet" (Saĝeco) en Kairo kaj „Habl-ul-Matin" aperanta en Kalkutta, en Brita Hindio, kaj tie la angla libereco estas sufiĉe konata! De rusa flanko ankaŭ estis eldonata persa gazeto en 1905. Post la revolucio la gazetaro pligrandiĝis kaj pliboniĝis.

* * *

La persa *arto* estas multe pli konata ol la literaturo. Ĝia beleco altrudiĝas al ĉiuj kaj multaj klopodas ĝin imiti. Neniu instruitulo rifuziĝos rekoni kion la persoj faris pri arĥitekturo, miniaturo, kolorigado, kaligrafio, kaj ilian lertecon en la teks- kaj modelarton. Kiu ne konas la famajn persajn tapiŝojn kun la artista kunligo de l' koloroj!

La persa arto estis influata ankaŭ de fremdlanda, precipe de l' egipta. En la dekorajoj sin rivelas, meze de l' miksaĵo de fremdaj elementoj, la artista genio de Irano. La eksteraj masonaĵoj de la palacoj estis kovrataj de emajlitaj brikoj elstarantaj tiamaniere, ke ili formis verajn bareliefojn.

La civilizo de malnova Persio estis je sia apogeco en la epoko de Darius. Tiam estis kreita ankaŭ la ormonero nomita „daria", figuranta reĝon armita per arko aŭ jetponardo.

* * *

Por fari al si ĝustan ideon pri la persa *popolo*, oni devas koni la molahojn kaj la erudiciulojn, la negocistojn, metiistojn, vilaĝanojn, mulistojn kaj cetere. Malmultaj el tion konantaj restas indiferentaj al la popolo. Oni povus citi multe da ekzemploj pri la spriteco, gajeco, kuraĝo, fideleco, sindono, same kiel pri boneco kaj humaneco, kiujn oni renkontas ĉe la persoj flanke de kelkaj mankoj. Misiisto Malcolm, al kiu ilia religio malplaĉas, trovas ĉe ili „multon bedaŭrinda, sed ion admirinda kaj multon aminda". Estas humana popolo, kiun oni ne povas ne ekami, se oni vivas kelktempe kun ĝi, popolo kun forta karaktero kaj granda volo.

La karakterizaj trajtoj de l' persoj dum ilia longa historio estas: konstanteco de ilia nacia tipo kaj ilia kapableco pri nacia restarigo. La plej granda pioniro de traserĉoj en la persa arĥeologio, Henry Rawlinson, priskribas la malnovajn persojn kiel bravaj, viglaj, kapablaj je akra pripensemo kaj rapida respondo, sed vantaj, nesinregantaj, malespere, sklavemaj al siaj majstroj. Ili posedas en la paĝoj de Herodoto individuecon, kiu estas garantio de la vereco, kaj kiu rimarkinde ligas ilin al tiu aparta orienta popolo, kiun oni nomis „Francoj de la Oriento", kaj kiu loĝas nun ilian landon.

La persa naturo estas tre diferenca de la nia: enirante en ĉambron, ni senvestigas la kapon, la perso la piedojn; ni manĝas apud tablo, la perso surtere; ni skribas de maldekstre al dekstre, la perso de dekstre al maldekstre; ni kalkulas laŭ la suno, la perso laŭ la luno; ni komencas la tagon kun sunleviĝo, la perso kun sunsubiro.

La *instruado* estas libera kaj sendependa de la Ŝtato. La unuagradaj lernejoj estas tre nombraj, sed oni studas tie nur la Koranon kaj skribon. La supera instruado okazas en kolegioj aŭ *medreseoj*, kie estas instruata teologio, filozofio, astronomio kaj algebro. La hebreaj kaj armenaj lernejoj estas tre frekventataj.

La persoj, kiuj prave esperis nur tre malmulte da bono de tiu ĉi mondo, ĉiam montris rimarkindan preferon al la religiaj kaj filozofiaj meditoj, kaj estas karakteriza fakto, ke la tri ĉefprovoj por klarigi la problemon de la malbono, du dualistaj kaj unu panteista, devenas de Persio, nome: la teorio de Zoroastro, la Manihea teorio kaj la teorio de la Sufioj, pri la malbono, ĝia genezo kaj naturo. Rimarkinde estas ankaŭ, ke Persio naskis unu el la plej malnovaj religioj, tiun de Zoroastro, kaj unu el la plej modernaj, la Babismon aŭ Bahaismon. La unua, ekster siaj propraj intereso kaj graveco, konsiderinde influis la Judismon, kaj pere la Kristanismon kaj Islamismon, precipe koncerne la reviviĝon de l' mortintoj kaj la naturon samekiel la funkcion de l' anĝeloj. La lasta datas de 1844. La terura persekuto kontraŭ ĝiaj disĉiploj en 1852 altiris grandan atenton al ĝi. De tiam la Bahaismo[1] tre disvastiĝis ne nur en Azio, sed ankaŭ en Ameriko, kie, precipe dum la lastaj deknaŭ jaroj, ĝi atingis konsiderindan sukceson, dank' al persaj misiistoj. Almenaŭ dudek-kvin jarcentoj disigas Bab'on de Zoroastro, kaj dum tiu longa jarvico tiu ĉi aktiva, maltrankvila, spekulativa persa spirito estis senĉese okupata deĉifri la grandan enigmon de la vivo kaj de la homdestino, kiun, laŭ Hafiz, neniu povis kaj neniam povos solvi. Ĉiu, kiu studis la Musliman teologion, scias kiom ĝi ŝuldas al Persio depost mil jaroj, kaj kiom inter la 72 sektoj, reprezentantaj la diversajn fazojn de ĝia disvolvo, estis influataj de la persa spirito aŭ ŝuldataj al ĝi. La araboj mem, eĉ dum sia superpotenco, ankaŭ ne povis preterlasi la helpon de la persoj. Oni nur konsultu kiun ajn enciklopedion aŭ religian vortaron pri la Maniheismo, Mazdeismo, Mitracismo, Muslimaj sektoj kaj Misticismo, kaj oni trovos ampleksan pravigon de tiuj asertoj.

Ankaŭ en la filozofia kaj scienca fako Persio ludis gravan rolon. Oni nur memoru, ke la granda neoplatoniko Plotin ĉerpis el la fonto de la persa filozofio, kaj ke tri jarcentojn pli malfrue la Sassanida reĝo Ĥosro Anushiravan donis azilon kaj protekton al la sep neoplatonikaj filozofoj forpelitaj el Ateno per la edikto de Justiniano. Avicenne (Ibn Sina), kiu estis dum jarcentoj la ĉefkanalo, tra kiu la filozofiaj ideoj de Aristotelo kaj la kuracista scienco de Hipokrato kaj de Galieno konkeris la mezepokan Eŭropon, estis perso, kvankam ĉiuj liaj verkoj estas en araba. Same pri la granda doktoro Ar-Razy (naskita en Ray), aŭ Rhazez kaj pri la granda arĥeologo kaj astronomo Al-Biruni. Notinde, ke ĝis la falo de l' kalifato (XIIIa jc.) la araba estis la scienca kaj eleganta lingvo de l' muslima mondo pli ol la latina estis tia de la mezepoka Kristanaro, kaj ke eĉ nun la seriozaj verkoj pri teologio kaj filozofio skribitaj en Persio estas en araba lingvo.

Oni vidas, ke en ĉiuj branĉoj de l' homa penso, la persoj rimarkinde distingiĝis, kaj sendube Persio devas okupi lokon vice kun Grekio kaj Italio, al kiuj la civilizita mondo ŝuldas multe pro tio, kion ili alportis en arto kaj literaturo al la homaro. Tial ĝia malapero el la societo kiel sendependa potenco estus malfeliĉo ne nur por ĝi, sed por la tuta homa raso.

La nacia idealo estas „Persio al la persoj", kaj ni ne dubas, ke malgraŭ ĉio, ĝi estas kapabla savi sin el la „sankta egoismo" de okcidentaj potencoj, ĉar se la regno de la Paco kaj Rajto, al kiu sopiras la turmentita mondo, devas veni, ĝi devas esti bazita sur la rekono de la rajtoj de *ĉiuj* nacioj kaj ne nur de certaj nacioj en Eŭropo.

*Iv. H. Krestanoff.*

[1] Oni scias, ke la ĉefpredikantoj de tiu doktrino estas tre favoraj al Esperanto kaj ĝin rekomendas.

# Stranga nutraĵo

Certe estas interese, sciiĝi pri ĉiaj nutraĵoj, kiuj kun plezuro estas manĝataj en la mondo. La tradukinto ĝojus, ricevi de la internacia legantaro respondojn pri la ĝusteco aŭ malĝusteco de ĉi tiuj sciigoj.

La norvegoj bakas panon kvankam maldolĉan, sed nutran per la ete muelita albumenenhava splitaro de abioj kaj per iom da faruno. Sur la duoninsulo Kola, norde de Arĥangelsk, la rusoj miksas delikatan blankan teron en la panpaston, kutimo, kiun oni observas ankaŭ ĉe diversaj popoloj en tropaj regionoj. Tie oni manĝas ankaŭ nurajn terojn, ekzemple boluson (Bolus alba), kalkon, magnezian kalkon kaj grasajn argilojn, ofte kun vera pasio, parte ĉar en tiuj varmegaj landoj la korpo bezonas nur malmulte da nutraĵo, sed certan plenecon de la stomako, por senti sate; parte ĉar salenhavaj teroj anstataŭas la kutiman salon aŭ ankaŭ, ĉar oni kredas ilin sanigajn. Ankaŭ en Germanio oni trovas tiajn terojn, ekzemple en la sablejoj apud la montaro Kyffhäuser, kie la laboristoj ofte uzas grasan argilon kiel „ŝtonbutero" sur pano.

La farunmontoj de Kliken apud la Elbe-rivero estis famekonataj antaŭ kelkaj centjaroj. Jam en la jaro 1617, sed precipe dum la jaroj 1719/20 kaj 1736, kiam la rikoltoj estis tre malbonaj, tiel ke oni uzis la tegmentan pajlon por furaĝo, kvazaŭ popolmigrado elverŝiĝis sur tiu benita regiono. Ĉar kiel dian donacon al la malriĉuloj oni laŭdis la farunan teron, konsistantan el malgrandegaj silikaj kirasoj de plantaj kaj bestaj organismetoj. La kronikisto nomas ankaŭ Eisleben, Frankenhaŭsen, Kamin en Pommern kaj aliajn lokojn por trovejojn de manĝeblaj teroj. Vere nutra estas la kuko bakita el sekaj pistitaj akridoj; araboj kaj multaj aliaj popoloj precipe de Afriko manĝas ilin. La tuarego de l' norda Afriko por unu manĝado konsumas almenaŭ 300 akridojn, post forigo de la kapo, flugiloj kaj kruroj laŭ la leĝo de l' korano. En suda Afriko la buroj kolektas ilin en sakojn, por kuiri kaĉon aŭ sekigi ilin. Sur pano sebita aŭ metitaj kiel sardeloj ili estas manĝataj de la buroj kun plezuro. La hotentotoj mastas eĉ siajn virinojn per tia grasiga nutraĵo. Ankaŭ la ĉinoj multe ĝojas, kiam nubo da akridoj alie tiel timataj proksimiĝas.

Ankaŭ la cikadoj, similaj al grandegaj muŝoj, estas manĝataj. Jam de la antikvaj grekoj la grandaj larvoj kaj virinetoj, per ovoj ege pleniĝataj, estis ŝatata manĝaĵo. Vane la poeto Aeliano parolis fervore kontraŭ la kutimo, ke la bestoj, sanktigitaj al la muzoj, servis kiel nutraĵo kaj, vicigite sur fadenoj, estis vendataj foire kiel ankoraŭ hodiaŭtage en Ateno. Ankaŭ al la Nordamerikaj Indianoj la „cikado deksepjara" (Cicada septemdecim), kiu post ĉiuj 17 jaroj revenas arege kaj estas nomata laŭ ĝia bruo „Kaditiŝidit", estas vera dia manĝaĵo. Ĝi estas tiel grasa, ke oni fabrikas eĉ sapon per ĝi.

En Afriko, Hindio kaj Sudameriko oni volonte manĝas de la termitoj, de tiuj malutilaj insektoj, indulgantaj nek lignaĵon nek ledaĵon, la reĝinojn, kies cilindraj korpoj estas grasriĉaj kaj tutplene da ovoj. Oni ŝatas ilin por delikataĵo, tiel ke eĉ eŭropanoj ilin manĝas kiel kaĉon aŭ farĉon de pasteĉoj. La aŭstralnegroj manĝas la termitajn konstruaĵojn, kies tero estas miksita kun albumenenhavaj ekskrementoj kaj etaj fungoj.

Oni nomas la termitojn ankaŭ blankaj formikoj, kvankam ili nepre ne estas formikoj, sed parencoj de la akridoj. Tamen ankaŭ formikoj estas ŝatataj, precipe en Sudameriko. Tie la speco: Atta cephalotes, ĉirkaŭe ducentimetra besto, amasege flugas dum sia edziĝa periodo. La loĝantoj apude de l' Amaconas riverego kaptas precipe la grasajn virinetojn, kies postkorpojn ili deŝiras, por manĝi ilin krudajn aŭ rostitajn. Ĉi tiuj formikoj, enpakitaj en skatolojn, estas bona komercaĵo en Brazilio, kaj sur stratoj kaj foiroj vendejoj ili, vestigitaj kiel pupetoj, allogas la aĉetantojn. En Meksikio la mielformiko estas ofte manĝata; ĝia sekve de dolĉa mielo dika kugla korpo similas al eta mielujo.

En Ĉinio kaĉa, multkolora supo de raŭpoj ne devas manki je ĉiu festeno. Per buljono kaj ovoflavo oni preparas la krizalidojn de l' silka ŝpinulo (papilio) aŭ stufas ilin per grasaĵo, sed la malriĉa loĝantaro preparas ilin sale kaj vinagre. Ankaŭ la aŭstraliano multe ŝatas grandajn dikajn raŭpojn, li manĝas eĉ vastkorpajn multharajn noktopapiliojn. Svarmege fluganta nigra tagpapilio blankmakulata, kiu estas nomata „Bugony" kaj surdigata per fumo, pro sia nuksogusta oleo estas prefere manĝata, postkiam oni bruletigis la flugilojn kaj krurojn sur varmega tero. Ankaŭ en Sudafriko, en Madagaskaro, Meksikio, Venecuelo, Indio, k. t. p. la enlandanoj volonte manĝas raŭpojn.

La larvo de „Cossus" estis frandaĵo, de la romanoj multe ŝatata; de kia besto tiu larvo estis, oni ankoraŭ ne scias, eble ĝi estis la larvo de la lukano (cerva skarabo). Nuntempe en la tropaj landoj precipe grasaj larvoj de cerambikaj kaj rostrohavaj skaraboj estas multe ŝatataj. En Sudameriko kaj Indio oni eĉ bredas la dikajn larvojn de la palmborulo (zoolog. Rhynchophorus palmarum, rostra skarabo), kiuj, grasaje frititaj, ŝveliĝas je allogaj kolbasetoj kaj bonspicite estas manĝataj. Erasmus Darwin, la praonklo de l' fama naturscienculo, laŭdis eĉ la larvojn de la eŭropa majoskarabo kiel nutran kaj bongustan manĝaĵojn. En Paris kaj en kelkaj regionoj de Francio oni preparas ilin por blankajn vermojn („vers blancs"), oni bakas ilin en bona pasto aŭ kadrostas ilin en kornetoj butere sebitaj. Ili estas certe pli apetitdonaj ol la larvoj de l' rinocera skarabo, vivantaj en tanilo, pri kiuj la fizikisto kaj zoologisto Réaumur entuziasmiĝis.

Hotentotoj kaj Kafroj preferas al kokoso grasajn spicajn araneojn, kaj en Nova Kaledonio, malbonfama franca punkolonio, grandaj krucoaraneoj estas rostataj kaj manĝataj, kvankam komence ili kaŭzas stomakajn dolorojn. Eĉ la fama astronomo Lalande kaj la scienculino Johanna Ŝurmann manĝis tiajn. A. v. Humboldt observis sudamerikajn infanojn fosantajn el la tero 25-centimetrajn skolopendrojn, kiujn ili manĝis vere avide! La cejlonanoj manĝas amasojn da sovaĝaj abeloj kaj burdoj, kies larvojn negroj taksas tiel valore, ke ili eĉ malpaciĝas pro tio. La belulinoj de Patagonio, de la Sandviĥ- kaj Marŝal-insuloj pro distraĵo mordetas la beletajn seskrurajn bestetojn, ofte nomitajn dum la mondmilito (pedikojn)! Laŭ Nordenskiöld la tŝuktŝoj kredas kapajn pedikojn por bonan bongustan rimedon kontraŭ brustmalsanoj. Ankaŭ indianoj kaj negroj persekutas tian „**harĉasaĵon**".

Kompreneble la homo kaptas ankaŭ **kulojn kaj bakas** kukon per ili kaj iliaj larvoj aŭ kuiras supojn, kiuj havus ne malbonan guston, oni diras. Ekzemple la loĝantaro de la regionoj de l' Njasa-lago, en orienta Afriko, manĝas tiajn supojn kaj kukojn; tie svarmoj da kuloj kiel fumnuboj ŝvebadas super la akvo, kaj ankaŭ apud la sodolagoj de Nevado, kie miridoj da muŝaj larvoj estas drivataj al la bordo. En Meksikio apud la sala lago de Teckoko, de fascinoj ĵetitaj en la lagon oni defrapas eĉ la piroformajn ovojn de du grandaj akvocimoj, kaj per ĉi tiu fiŝgusta cima kaviaro oni bakas omletojn kaj similaĵon dum la fasto.

La fama „sklopoda koto", la dishakita kaj spicita intestaro de tiu ĉi birdo ofte enhavas ankaŭ rimenovermojn, zool. ligulidojn, kies junuloj parazitumas en karpoj kaj en aliaj fiŝoj ofte tiel amase, ke la fiŝkorpoj estas vaste ŝveligitaj. Ankaŭ ili estas ŝatataj en kelkaj regionoj de Francio kaj Italio.

La enlandanoj de la regiono de Port Adelaide en Aŭ-

stralio vivadas preskaŭ nur per vermoj kaj moluskoj; ili havas antipation kontraŭ bovaĵo. En Birmanio oni ŝatas por dia manĝaĵo lumbrikojn, grasigataĵn per ĉiutage freŝa lakto, kiuj sekve de tio estas sen teroj. Oni certigas, ke la blankaj bestoj, rostitaj per butero, egalu nudelaĵon kaj havu bonegan guston. Senpacience ĉiuj loĝantoj de la Samoa- kaj Fidŝi-insuloj atendas la „Palolo-vermon". Ĉi tiu Palolo estas la deiĝita fino de harega vermo (zool. Lysidice viridis); amasegoj de ĉi tiuj bestaj fragmentoj memstare naĝas en la maro dum oktobro kaj novembro. „Frutti di mare", manĝaĵo bonkonata al la Italoj konsistas el maraneoj kaj aliaj teruraj bestoj.

Stranga frandaĵo, la supro de ĉiu diboĉado en Ĉinio, estas hirundonestoj, kuiritaj en lakto kaj sukero; tiajn dubeflavajn gelatenaĵojn, nur kelkajn gramojn da pezo, oni kolektas de krutaj rokoj super muĝanta maro, riskante la vivon. Tie nestiĝas centmiloj da salanganoj (zool. Collocalia esculenta), hirundsimilaj birdoj. Ilia stranga nesto estas produkto de la salivoglandoj, kiuj sekretas glusimilan sukon. De tranĉitaj kaj kuiritaj en buljono tiaj nestoj ŝajnas esti stomaka fortigilo, eble pro la pepsinenhavo kaj la nutra valoro de la gelateno.

Ankaŭ lacertoj estas ŝatataj por nutraĵo ĉe la ĉinoj kaj en aliaj landoj. En Brazilo kaj Meksikio pere de hundoj oni ĉasas la pli ol unumetrajn leguanojn kaj ankaŭ la varano-lacerton ofte dumetran, kies gusto estas simila al tiu de fazano. Estas strange, ke la ne elektemaj Kafroj malŝatas lacertojn, mem kiam ili preskaŭ mortas pro malsato. Tamen ili manĝas serpentojn, same la aŭstraliano, kiu uzas eĉ la plej venenajn specojn. En Brazilo oni fervore persekutas la serpentegon (Boas), ĉar laŭdire ĝi havu angilan aŭ bovidaĵan guston. La ĉasistoj de l'Misisipi-rivero preferas al ĉio raguon de sonserpentoj. Eĉ supo de viperoj estis en la antikveco la sama kiel nun testuda supo.

Pastečoj de viperoj kaj limakoj estis la preferata manĝaĵo de la dukino Elizabeth Charlotte de Orléans, kaj ankoraŭ nuntempe la Italoj ŝatas viperan gelatenon por bonega fortodona rimedo.

Ke ankaŭ ratoj kaj musoj bongustas al multaj personoj, tion vidigis la sieĝo de Paris; tiam oni pagis du frankojn por bone nutrita rato. Sed la eskimo trapikas ilin, kiel iam la leipzigano siajn alaŭdojn, kaj la negroj de Senegambio kaj la indianoj de Gujano estas ravataj de tia manĝaĵo. Raguo de rata cerbo aŭ rata buljono, al kiu ankoraŭ aliaj „delikataĵoj" estas aldonataj, ekzemple vespertaj flugiloj, oleaj fiŝoj kaj putraj ovoj, estas pli ŝatataj de la ĉinoj ol de la eŭropanoj supo de bovovostoj. Tie junaj, en mielo dronigitaj musoj estas diboĉa manĝaĵo. La unua, la fremdulon frapanta impreso en ĉina urbo aŭ vilaĝo estas aroj de buĉitaj ratoj, kiuj pendas per la vostoj por sekigi. Duonkruda kaj putranta fokaĵo kaj balenaĵo, viando de rangiferoj (norda cervo), kiu troviĝis en la tero dum unu somero, ne devas manki ĉe ĉiu festeno de nobla groenlandano. La nedigestita enhavo de rangifera stomako liveras nesupereblan legomon al tio, kaj por deserto oni manĝas kornikoberojn preparitajn per intesta suko de rangifero. La bongoj de centra Afriko malpaciĝas pro la stomaka enhavo de buĉita bovo, kaj la ogoroj sur la filipinaj insuloj ne malŝatas eĉ la koton de bubalo. Tie ankaŭ oni scias prepari akrepikan, sed por eŭropanoj naŭzigan saŭcon per putraj kankroj kun salo kaj rizo. La „kvengsui" de la ĉinoj estas netolerebla por eŭropanaj nazoj. Tie estas frandaĵo: putraj anasoovoj, kiuj „maturaj" estu apetitdonaj laŭdire.

Oni vidas, kiel diversaj estas la moroj kaj kutimoj, tiel ankaŭ la prefero de certaj manĝaĵoj.

*D-ro Bergner.*
Trad.: *O. Marquard.*

# La Montessori-metodo

Juna kuracistino, funkcianta en malsanulejo, deĵoras en la sekcio por malspritaj, preskaŭ idiotaj infanoj. La spirite malriĉaj etuloj fariĝas ŝiaj karuloj. Intima simpatio kun la malfeliĉuloj igas ŝin senĉese pripensi je tio, kiamaniere oni veku iliajn malviglajn animojn kaj kapabligu ilin partopreni je la forto kaj la beleco de la vivo. Ŝi observas la agojn de la infanoj, kiam ili ne estas direktataj, ŝi eksperimentas kun la pacienco kaj la sindono de scienculo kaj esploras la reagojn, kaj fine ŝi ekkonas, ke la edukado de la malsaĝa infano, la plibonigo de ĝia malforta spirita kapablo, ne estas problemo medicina, sed pedagogia. Nun ŝi mem instruas la infanojn kiel elementa instruistino; ŝi interrilatas kun ili de la oka horo matene ĝis la sepa vespere sen interrompo. Unu antaŭ ĉio al ŝi klariĝis: nur tra la sentoj iras la vojo al la animoj de tiaj infanoj. Ŝi eltrovas ludilojn aŭ instruilojn, kiel ajn oni nomas ilin, je kiuj la infanoj volonte sin okupas. Per la ekzerco, kaŭzita de tia sin ripetanta okupo, la infano akrigas sian senton pri formoj kaj sian muskolsenton, siajn palpadon, aŭdadon kaj senton pri koloroj. Kiam la infanoj ekzercis sin, ekkoni multajn geometriajn formojn ne nur per la malfermita okulo sed ankaŭ kun ligfermitaj okuloj per la palpado kaj la formsento de la mano, la ekkono kaj la reproduktado de literaj formoj estas io malfacila por ili. Por la lernado de la aritmetiko estas kreita simpla kaj genia materialo, fariĝinta per la observo de la gelernulaj bezonoj. Post dujara instruado la malgrandaj malspirituloj estis ekzamenitaj samtempe kun normalaj infanoj en publika lernejo, kaj — certe tio estas mirinda — iliaj laboroj ne malsuperas tiujn de la normalaj infanoj. La amikoj gratulas la sukcesplenan instruistinon; sed ŝi mem fariĝis tre meditema. Se fakte estas eble, transpontigi la treegan fendegon inter la malsana spirito de la malsaĝa infano kaj la sana cerbo de la normala infano, tiam la evoluo de la normala infano ne estas akcelita, ĝi eĉ devas esti malrapidigita.

Tiu ĉi penso konstante maltrankviligas la junan esplorantinon. Ĝi pelas ŝin, ekkoni la naturon de ĉi tiuj malhelpaĵoj kaj ties bazojn. Ŝi ĉesigas sian profesion. Ŝi plue ne kuracas; ŝi konatiĝas vojaĝante ĉiujn instituciojn por la instruado de la normalaj infanoj, estas matrikulata en universitato kiel studentino, studas pedagogion, eksperimentan psikologion ktp. kaj preparis sin por la instrua profesio. Societo por publika bonstato, potencege direktata, konstruas en Romo kaj plue en Milano higienajn loĝejojn por laboristoj kaj petas sinjorinon doktorinon Montessori, en tiuj ĉi domoj instali kaj direkti infanhejmojn laŭ ŝia eduka kaj instrua sistemo, konstruita post longaj kaj akurataj antaŭlaboroj por normalaj infanoj kaj transdonita al la publikeco en la 1905a jaro. En tia infanhejmo (rifuĝejo) la infanoj, kies patrinoj dum tago laboras, estas gardataj. Post mallonga tempo oni sciis en la tuta mondo ion pri la mirigaj kapablecoj de tiuj ĉi infanoj, pri ilia freŝa aspekto kaj ilia radianta gajeco. Ĉiu hejmo estas inspektata de kuracisto. Scienculoj kaj edukistoj iris al Rom por konvinkiĝi kaj lerni. Ĉu ne estas mirige, ke tri- ĝis kvarjaraj infanoj ordigis facilege 64 koloritajn tabuletojn — 8 koloroj je po 8 nuancoj — ke ili elserĉas laŭ memoro deziratan nuancon, montritan al ili el 64 intermiksitaj tabuletoj, ke ilia vida mezuro estas tiom akra, ke ili estas kapablaj tre rapide ordigi samvalorajn objektojn, diversaj nur je kelkaj milimetroj laŭ grando kaj diko, kaj ilia palpa sento estas tiom subtila, ke ili plenumas la saman laboron kun ligkovritaj okuloj, ja tiuj ĉi infanoj fariĝintaj 4—5-jaraj eĉ estas kapablaj memstare bone lerni

skribadon (la provoj egalas tre bonajn el la tria instrua jaro en publika lernejo), laŭsencan legadon kaj ekzaktan aritmetikon?

Ĉu ĉio estas atingebla sen grava devigo, sen laŭdo kaj mallaŭdo, sen iu ajn instigo krom la sana agemo de la infano, preskaŭ sen instruo, sole per intensiva, de la infano volata okupado je la lernmaterialo? Kiu irus Romon, revenus hejmen kiel entuziasma ano de ĉi tiu metodo kaj zorgus tie por la fondo de Montessori-lernejoj. Ameriko jam posedas 4000 tiajn lernejojn. Oceanio kaj Hindio havas grandan kvanton; la preciza nombro ne estas konata. Kontraŭ ni scias ĝin koncerne al la Eŭropaj landoj. El ili posedas Anglio la plej multajn, nome pli ol 400. Barcelona havas sciencan Montessori-instituton, en kiu la lernantoj laŭ la principoj de tiu ĉi metodo ĝis la 18ª jaro estas instruataj kaj kutimigataj al memstara scienca laboro. En Anglio sinjorino Montessori en la lasta januaro finis kvarmonatan kurson por la informo de geinstruistoj pri sia metodo kaj poste iris Nederlandon, kie jam de 1917 ekzistas dujaraj kursoj por la sama celo. En Germanio la komunumo Lankwitz apud Berlin estas la unua, kiu laŭ la metodo de Montessori estas fondinta popolan infanĝardenon (institucion por antaŭlerndevaj infanoj, t. e. infanoj, kiuj laŭ leĝo ne havas la devon jam viziti lernejon); la gelernulojn ĝi translokos poste en fundamentan klason. Krome ekzistas en Berlin, Frankfurt apud Majno kaj Meiningen kelkaj privataj rondoj, procedantaj laŭ la metodo Montessori. La sukcesoj estas atendindaj. La instruilaro kaj la lernilaro por la antaŭlerndeva aĝo estas ekspozitaj en la centra instituto por eduko kaj instruo en Berlin.

*Klara Grunwald.*
Trad.: *Hugo Dreŭsicke.*

# ★ NOTOJ ★

.˙. **La teatra arto ĉe la kinematografo.** — Oni fondis lastatempe ligon por kontraŭbatali la malmoralajn, stultajn kaj malsprite sentimentalajn filmojn. Necesus krei ankaŭ asocion por la defendo de la teatra arto ĉe la kinematografo!

Ĉiutage oni adaptas dramojn, komediojn, vodvilojn, eĉ tragediojn je la domaĝo de la bonfamo de la scena arto.

Kiam la intrigo de teatraĵo estas starigita, ĝi estas kompletigita per la dialogo, kiu estas la arĥitekturo de la verko, ĝia stilo, ĝia arto. Kiam tia verko estas transportita sur la ekrano kaj fariĝas nur mimikita intrigo, ofte plikomplikita per novaj epizodoj, ĝi fariĝas verkaĉo: stumpigita, detranĉita, malgrandigita ĝi havas nenion plu komunan kun la originalo.

Eĉ plej klasikaj verkoj, kiel „Britannicus" de Racine kaj „La ludoj de l' Amo kaj Hazardo" de Marivaux, kies valoro troviĝas plej grandparte en la tekstoj estis filmigitaj. Estas plorinde! Oni envicigis peraŭtomobilan homorabon en la filmo de la „Misteroj de Parizo" laŭ E. Sue, malatentante, ke la faktoj okazas dum la regno de Louis-Philippe. Ni ne miru vidi iam la „Panportistino" promenante siajn bulkojn en trirada bicikleto kaj eĉ vidi la flugon de aeroplano en la „Rocambole" de Ponson du Terrail!!

La kinematografo neniam povos konkuri la teatron. Tio estas feliĉe neebla. Ĉiam ekzistos personoj, kiuj preferos la teatran arton senigitan de ĉia fantazio anstataŭ la kinematografaj adaptoj. Sed la danĝero sidas en tio, ke multaj personoj vidinte sur la ekrano „La tri muskedistoj" aŭ „Quo vadis" kredos esti legintaj la verkojn, kaj tio estas terura. La kinematografo, kiu estas mirinda eltrovaĵo restu en kampo al ĝi propra kaj ne klopodu elpreni el la teatrarto, kio ne povas taŭgi al ĝi. — *F. K.*

.˙. **Misuzo de l' poŝtmarko.** — Nova specialeco en la filatelio estas la kolektado de militaj, revoluciaj kaj plebiscitaj markoj. Bedaŭrinda konstato estas, ke la eldono de provizoraĵoj fariĝis spekulacia negoco — spekulacio — sur la kolektemo kaj sensaciavida filatelia publiko. Mi volas tion montri per kelkaj ekzemploj. En la teritorioj sub la administrado de la Societo de Nacioj aŭ tiuj landpartoj submetataj al plebiscito la okupacia povo esprimis la ŝanĝon de l' reĝimo per surstampo de la ordinaraj aŭ eldono de provizoraj poŝtmarkoj. La germanaj poŝtmarkoj en la Saarlando komence havis surpreson franclingve „Sarre". Oni trovas ilin kun renversa surpreso kun ekstreme multaj diferencigoj en la teknika prilaboro. Poste la vorto „Sarre" estis ŝanĝita en „Saargebiet" (Saarteritorio). Venis krom tiuj ankoraŭ la nova bavara serio kun surpreso, ĉar iaj regionoj el la bavara Palatinato [1] enkorpiĝis en la Sarteritorion. La belga aŭtoritato en Eupen kaj Malmedy (valonaj regionoj landlimaj de Belgio kaj Germanio) fervore laboras per plej diferencigaj apartaĵoj havigi al la filatelistoj novajn specialaĵojn. En la orienta Prusio la Interalianca komisiono surpresigis komence la restintajn germanajn poŝtmarkojn; sekvis speciala marko por la regiono Marienwerder kaj jam dua serio por tiu de Allenstein (Olsztyn). Supra Silezio jam havas du seriojn; por kontentigi „nepran bezonon" la provizoraĵoj de la unua serio ricevis surpreson. El ili la 50 Pf. valora stampita sur antaŭa 5 Mark pagiĝas jam en la komerco per 60 Mark! Diversaj aliaj de la unua serio kostas hodiaŭ la 50 eĉ 100 oblan prezon ol ĝia nominala valoro.

Belan serion oni eldonis en la plebiscita parto de Slesvig; ne sufiĉis, tiuj surhavas nun blukoloran surpreson „Zone".

La poŝto de l' ŝtato Bavario estis sendependa ĝis aprilo 1920. De tiu dato la bavara poŝto fariĝas komunimperia; tamen vidiĝis novaj markoj kaj ĉiu serio kun diversaj apartaĵoj. Por citi ĉiujn mankas la loko; la kolektanto bone konas ilin. Citinda estas ankaŭ la praktikoj de l'poŝtadministracio de Liechtenstein, landeto inter Svisio kaj Aŭstrio. Tiu-ĉi gnoma ŝtato fabrikigis poŝtmarkojn kies kvanto tute ne respondas al efektiva bezono.

Tiuj ekzemploj estas nur manpleno; mi lasas priskribi la reston (ne malgrandan!) al pli kompetentaj fakanoj. Mi nur volas atentigi la ne spertan publikon pri la fakto, ke la pli multo de tiuj-ĉi eldonoj ne rajtas la nomon „poŝtmarko". La filatelistoj seriozaj devus bojkoti tiujn „bildmarkojn", kiujn profitemaj komercistoj prezentas al ili. La starigo de „nigra listo", kiu regule citus tiajn fuŝaĵojn, helpus efike al la saĝiĝo de l' kolektema publiko. Finante mi rakontas ankoraŭ ŝercaĵon, aperinta en la „Jugend". [2]

Tuj post la apero de la novaj markoj multaj personoj stampigis ilin ĉe la poŝtoficejo. Iu petis oficiston stampi tiajn bildmarkojn, gluitajn sur folio. „Mi bedaŭras" respondis tiu, venis nova decido, ke tio estas malpermesita. La poŝtmarkoj devas esti reale uzataj, alie ili ne povas esti senvalorigitaj. La viro petis, repetis. Fine la oficisto rimarkis: „Mi ne povas ĝin fari; sed iru ĉe la giĉeto por rekomenditaĵoj; la oficisto ne ankoraŭ konas la novan decidon, li certe plenumos vian deziron! — *H. J.*

[1] Palatinato = France Palatinat, germane Pfalz.
[2] Konata germana gazeto por arto kaj literaturo.

# *Al niaj abonantoj*

*Tiu-ĉi numero enhavas 32 paĝojn.*

*La proksima numero de „Esperanto", septembro-oktobro, eliros la 20 septembro.*

 LITERATURO 

# Holandaj Apartaĵoj

De **Mekol**

Estas notinde, ke priskribante sian regionon la pli multaj personoj forgesos mencii diversajn karakterizaĵojn de la kutima vivo, kiujn fremdulo rimarkos unuavide: Franco forgesos mencii la metalan ruĝan karoton, kiu indikas tabakvendejon, Bernano ne priskribos la ruĝajn kusenojn, kiuj somere ornamas preskaŭ ĉiujn fenestrojn, Anglo ne mencios la sonorileton fiksitan sur la truilo de la tramkontrolisto. Tio estas rezulto de la alkutumiĝo! Tial oni ne miru se estas eksterlandano, kiu entreprenis konigi al la legantoj de „Esperanto" la plej karakterizajn rimarkindaĵojn, vidotaj de la kongresanoj dum ilia vojaĝo tra la Holandaj urboj.

La vojaĝanto eniranta la landon tra Rosendaal baldaŭ havos la ĝeneralan bildon de la Holandaj pejzaĝoj: plataj senfinaj herbejoj trairataj de kanaloj kun paŝtantaj bovinoj kaj turnantaj muelilojn. Kiu ne konas la siluetojn de la graciaj ventmueliloj sin spegulantaj en la akvo, kiujn oni tiom reproduktis sur kaheloj au murpaperoj? Oni uzas ilin por multaj celoj: segi lignon, mueli grenon kaj ĉefe por pumpadi la neutilajn akvojn el la terkulturoj.

Kia impreso de admiro la vojaĝisto ricevos, kiam la vagonaro trapasos la ponton de Moerdijk 1432 m longa, konstruita pene sur la mova sablo de la marbrako Hollandsch-Diep, kaj kiam li ekvidos la du grandajn pontojn de Rotterdam dum sub la vagonaro pasos vaporŝipoj. Verajn bildojn de la homa industrio kaj laboro venkanta la naturon ili prezentas!

La nemodernaj domoj plej ofte brikaj kun pintaj frontonoj kaj fera barilo havas ofte ĉe la fenestroj eksterajn spegulojn, por ke la enloĝantoj povu vidi kio okazas sur la strato. La drogejoj estas rimarkeblaj pro oscedanta maŭra kapo. Ekzistas spicejoj en malaltaj domoj apud kanaloj, en kies duonombro la kupraj pesiloj brilegas, pli similaj al apotekoj pentritaj de la malnovaj holandaj majstroj.

Karakterizaj estas la popolaj kafejoj, la „proeflokaal", en kiu oni drinkas glasegojn da Schiedam-brando, simila al purega akvo de svisa lago, kaj kafejoj, kies mezo estas dividita per grandega kurteno de la plafono ĝis la planko. Dank'al tiu aranĝo la duono de la kafejo apud la strato estas vespere en la mallumo kaj la klientoj povas ĝui la trinkadon de ilia preferata trinkaĵo, vidante la stratan movadon, ne estante vidataj kaj ne malagrabligitaj per kruda lumo.

Mi memoras esti vidinta en Haga strateto jenan surskribon: „Tie ĉi oni vendas fajron kaj akvon". Tie oni povas aĉeti matene por kelkaj cendoj, por ŝpari tempon, la necesan ekbruligitan torfon por la fajro aŭ la bolantan akvon por la teo.

La originaleco de la holandaj domoj estas pligrandigita per la granda nombro de kanaloj, kiuj trairas la urbojn kaj respeguligas ilin. Meze de urboj naĝas belaj ŝipoj ofte plenplenaj je rondaj rubioruĝaj fromaĝoj amasigitaj nepakite, kiel en aliaj landoj oni enŝipigas ŝtonojn aŭ karbon. Ofte levponto leviĝas por lasi pasi ŝipon. La strata movado haltas momenton, veturiloj, ĉaretoj de laktvendistoj kun ujoj brilantaj kiel sunoj, haltas ĝis, la ŝipo trairinte, la movado rekomencas kun iom pli da forto.

La holanda pureco estas konata kaj ne trograndigita. La mastrumistinoj balaas, ĵetas akvon, frotas, purigas, kun fervorego. Panistoj liveras la panon prenante ĝin el la veturileto pere de specialaj teniloj.

Certe multaj kongresanoj ĝuos la holandan matenmanĝon. Jam en la ŝtuparo malsuprenirante de via ĉambro venos renkonten delikatega parfumo de teo. Atendos vin teo, kafo aŭ ĉokolado, dek plej diversaj panoj, spickuko, haringoj, ŝinko, fromaĝo, butero, diversaj kolbasoj, mielo, k. t. p. — almenaŭ estis tiel antaŭ la milito en la plimultaj hoteloj.

Ĝenerale oni manĝas tre malmulte tagmeze, paneto kun ŝinko aŭ salikokoj ekzemple, sed je la 18a okazas la ĉefa manĝo kun supo. La frandemuloj trovos en specialaj restoracioj menuojn laŭ Java kuirarto.

La tabako kaj cigaroj holandaj estas mondfamaj, speciale dolĉaj kaj bonodoraj. Fumi 12-on da cigaroj po tago estas tute kutima afero por multaj enlandanoj!

Kion diri pri la naciaj kostumoj! Kia ĉarmo estas en la Zelanda kies punta kufo duflugila ornamita de du „Korktiriloj" oraj, tiel bone enkadrigas la rozkolorajn vizaĝojn de la junulinoj! Kia originaleco en la kostumoj de Marken severaj kaj multkoloraj samtempe kun la du harligoj pendantaj sur la brusto de la insulaninoj! Ĉiu regiono de Nederlando havas sian specialan kostumon kaj diferencas ĉefe en la kapvesto.

La ĉarmo de Holando estas granda. Kvankam norda ĝi havas siajn lumajn kolorojn de la admirindaj vastaj tulipaj kampoj al la ruĝaj tegmentoj de la kampardomoj. Ĝiaj karakterizaj pejzaĝoj ĉiam altiris la pentristojn. Nepre ĉeestu la kongreson se via monujo tion ebligas! Hago cetere meritas viziton. Nur pro ĝia riĉega muzeo de pentraĵoj Hago estus vizitinda. Ĝi enhavas la plej famkonatajn pentraĵojn de Rembrandt: *La Leciono Anatomia, Suzano kaj la 2 maljunuloj, la Prezento de Jesuo ĉe la Templo, David ludante harpon antaŭ Saŭl* kaj diversaj portretoj. La flandra kaj nederlanda skoloj tiel karakterizaj pro iliaj duonlumoj kaj morscenoj estas tre bone reprezentitaj per J. Steen, P. Potter, van Ostade, G. ter Borch, Ruysdael, Rubens, la tri Brueghel, A. van Dyck, d'Hondecoeter, la du Teniers, Ger. Dou, A. van de Velde, G. Metsu.

Por la artamantoj estas grave admiri la pentraĵojn en la lando mem, kiuj produktis ilin, t. e. en ĝia lumo kaj aero, arkitekturo kaj spirito!

De Rotterdam al Hago rapidas elektra luksega fervojo pli rapida ol la vapora, sed ĝi ne ebligas kiel la lasta la vidon de la industria urbo Schiedam kaj de la pentrinda Delft, fama pro ĝiaj fajencoj blukoloraj.

Tuta Holando prezentas multajn belaĵojn, kaj kiu ĝin vizitis, ŝatas tien reiri pro ĝia profunda allogo. Leganto, ĉu vi mendis vian pasporton por la XIIa? [1]

[1] En la N-ro januaro 1918 de „Esperanto" aperis poeta priskribo de Holando en la „Invito al Vojaĝo" de Charles Beaudelaire.

---

*Bona nobla homo, kiu vivis kun ni, ne povas esti al ni prenata; li lasas lumantan postsignon, similan al tiuj estingiĝintaj steloj, kies bildoj la teranoj vidas ankoraŭ post jarcentoj.* Carlyle.

* * *

*La sekreto, vivi kun ĉiuj homoj pace, konsistas en la arto, kompreni ĉiun laŭ sia individualeco.* F. L. Jahn.

* * *

*Sole en la mizero pruviĝas la nobeleco de grandaj animoj.* Schiller.

* * *

*Estas pruvo de alta klereco, diri plej malfacilajn aferojn per plej simpla maniero.* Emerson.

* * *

*La scienco havas daŭron nur ĉe tiu, kiu scias, ke li nenion scias.* Talmud.

# Kannitverstan

Rakonteto de **Johann Peter Hebel**

---

Johann Peter Hebel, poeto alemanika, nask. 11 majo 1760 en Basel. De 1808 Licea Direktoro en Karlsruhe (Baden); mortis 22 septembro 1826. Ŝatata popola verkisto; ĉefe konata per poeziaĵoj en la alemanika dialekto, parolata en la Schwarzwald (Nigra Arbaro) ĝis Basel; multe disvastigata estas la rakontoj el „Schatzkästlein des Rheinländischen Hausfreundes", kolekto de rakontoj aperintaj en la populara kalendaro „Rheinländischer Hausfreund".

Liaj rakontoj distingiĝas per simpleco de l' stilo kaj konstruo; multaj el ili enhavas moralan instruon por la vivo. Ni prezentas al niaj legantoj ekzemplon per la suba rakonto.

La homo certe havas ĉiutage okazon, fari observojn pri la nekonstanteco de ĉiuj teraj aferoj, en Emmendingen kaj Gundelfingen tiel bone kiel en Amsterdam, se li nur volas, kaj kontentiĝi pri lia sorto, eĉ se ne tro da bonŝanco favoras lin. Sed per plej stranga malrekta vojo, germana metiisto en Amsterdam venis tra eraro al la vero kaj ĝia ekkono. Alveninte en la granda kaj riĉa komercurbo kun ĝiaj belegaj domoj, balanciĝantaj ŝipoj kaj aferemaj homoj, li unuavide rimarkis belegan domon, kiel similan li ne vidis dum sia tuta migrado de Tuttlingen ĝis Amsterdam. Longe li rigardis kun miro tiun multekostan konstruaĵon, la ses kamentuboj sur la tegmento, la belajn kornicojn kaj altajn fenestrojn, pli grandaj ol hejme la pordo ĉe la gepatra domo. Fine li ne povis sin deteni, demandi preterpasanton. „Bona amiko," li alparolis lin „ĉu vi ne povus diri al mi kiel estas la nomo de tiu-ĉi sinjoro, kiu posedas tiun belegan domon kun la fenestroj plene da tulipoj, narcisoj kaj levkojoj?" — La viro, ŝajne okupita per pli grava afero, kaj malfeliĉe kompreninte tiom de la germana lingvo kiom la demandinto de la holanda, nome nenion, respondis mallonge kaj malafable: „*Kannitverstan*" kaj rapide foriris. Tio estis holandaj vortoj aŭ tri, se oni rigardas ĝin bone kaj signifas „Mi ne komprenas". Sed la bonkora fremdulo kredis, ke tio estas la nomo de l' sinjoro, pri kiu li demandis. „Devas esti riĉega homo, tiu sinjoro Kannitverstan," li pensis daŭrigante sian vojon. Straton post strato li fine atingis la margolfon, kiu estas nomata Het Ey. Tie estis ŝipo ĉe ŝipo, masto ĉe masto, kaj komence li ne sciis kiel per siaj du okuloj li sukcesos vidi kaj rigardi ĉiujn tiujn rimarkindaĵojn. Granda ŝipo altiris lian atenton; ĝi alvenis antaŭ nelonge el Indio kaj estas deŝarĝata. Jam troviĝas longaj vicoj de kestoj kaj pakaĵoj unu sur alia kaj apude, ĉe la bordo. Ankoraŭ ĉiam oni ruligis pliajn; bareloj plene da sukero kaj kafo, da rizo kaj pipro kaj tiel plu. Longtempe rigardante tion, li fine demandis iun, ĵus portanta elŝipe keston sur la ŝultro, kiel sin nomas la feliĉa homo, al kiu la maro alportas ĉiujn tiujn komercaĵojn.

„*Kannitverstan*" estis la respondo. Tiam li pensis: „Ha, Ha" ĉu tiel ĝi estas? Nenia miraklo! Facile estas konstrui tian domon kun tiaj belaj tulipoj en ornamitaj vazoj antaŭ la fenestro, se la maro alfluigas tian riĉaĵon! Reirante li faris tre malĝojan mediton ĉe si mem. Kia malriĉa diablo, li estas inter tiom multaj riĉuloj en la mondo. Sed kiam li ĵus pensis, „se foje mi nur vivus tiel bone kiel tiu sinjoro Kannitverstan", li venis ĉe angulo kaj vidis grandan funebran procesion. Kvar nigre maskitaj ĉevaloj tiris same nigrekovritan veturilon, malrapide kaj malĝoje, kvazaŭ ili scius, ke ili kondukas mortinton al la lasta ripozo. Longa vico da amikoj kaj konatuloj de la mortinto sekvis, duope kaj duope, nigre vestitaj kaj mutaj. Malproksime aŭdiĝis soleca sonorilo.

Nun kaptis nian fremdulon melankolia sento, kiu atingas ĉiun bonulon vidante mortinton, kaj li restis kun la ĉapelo en la mano, pie, ĝis kiam ĉio estis preterpasinta. Tamen li alproksimiĝis al la lasta en la vico, kiu momente elkalkulis silente kiom li povus gajni per lia kotono, se la centfunto altiĝos je dek florenoj, prenis lin kviete ĉe la mantelo kaj petis simplanime senkulpigon. „Estis certe bona amiko via" li diris, por kiu la sonorileto sonas, ke vi tiom malgaje kaj pripenseme marŝas? „*Kannitverstan*", estis la respondo. —

Grandaj larmoj nun falis el la okuloj de nia bona Tuttlingen'ano, kaj lia koro peziĝis pro malĝojo kaj ree liberiĝis. „Kompatinda Kannitverstan!" li eldiris, „kion vi nun havas de via riĉeco? — Kion mi ankaŭ havos de mia malriĉeco; mortvestaĵon kaj tolaĵon kaj de ĉiuj viaj belaj floroj eble rosmareno sur la malvarma brusto aŭ rombo." Kun tiaj pensoj li akompanis la mortinton ĝis la tombo kvazaŭ li apartenus al li, vidis la enterigon de la supozita sinjoro Kannitverstan en lia lastan ripozejon. Pli kortuŝite de la holanda prediko, de kiu li komprenis nenion, li estis ol de kelkaj germanaj, je kiuj li ne atendis. Facilkore li foriris kun la aliaj, manĝis bonapetite en la gastejo, kie oni komprenis germane, pecon da limburga fromaĝo. Se foje li denove meditas, ke multaj personoj en la mondo estas riĉaj kaj li kontraŭe, li pensis al Sinjoro Kannitverstan en Amsterdam, al lia granda domo, lia riĉa ŝipo kaj lia malvasta tombo.

Trad.: *H. J.*

---

# Lastan saluton!

De **S. Frantz**

---

*Hodiaŭ plej malgaja hor'*
*Eksonas tra Esperantujo.*
*Cipresoj gardas kun dolor'*
*Tombeton novan en Svisujo.*
*Ornamas ĝin verda kolor';*
*Radioj sunaj ĝin varmigas.*

*Humila homo, brava kor'!*
*Orkrucon belan ni starigos.*
*Dormadu nun amik' amata,*
*L' animo via flugis for.*
*En nia koro la memor'*
*Restados, tamen kara frato!*

---

# Mia intima revo

De **Paul Verlaine**

---

*En stranga, penetranta rev' ofte al mi venas*
*Amata, nekonita virin' kun koro ama.*
*Alia ĉiufoje, kaj tamen ĉiam sama.*
*Virino, kiu amas, kaj kiu min komprenas.*

*Ĉar, ho, ŝi min komprenas, la diafana koro*
*Por ŝi, ve sola, ĉesis problemo esti duba.*
*Ŝvitgutojn de la frunto, la pala, malĝojnuba*
*Freŝigi nur ŝi povas per ros' de sia ploro.*

*Ĉu bruna, blonda, ruĝa: ne scias mi, ne konas.*
*Nom' ŝia, mi memoras, sonore, dolĉe sonas,*
*Kiel nom' de karaj, kiujn la vivo jam ekzilis.*

*Dum ŝi rigardis min, mi statu-rigardon sentis.*
*Kaj ŝia gravtrankvila, kvieta voĉ' similis*
*Al karaj voĉoj, kiuj de longe eksilentis.*

El franca lingvo trad.:
*K. de Kalocsay.*

---

**☛ Membroj de UEA! La Jarlibro aperos dum aŭgusto; bonvolu paciencigi!**

# Pri Esperanta literaturo kaj ĝia historio

II

Inter ĉiuj literaturoj konataj de granda parto de la klerularo, mi kredas, ke la malnovgreka posedas la privilegion sin distingi per tre granda reguleco. La greka popolo sekve de sia inklino al idealismo tre ŝatadis ĉiutempe la arton kaj ĝian kulton. Ĝia literaturo evoluiĝis preskaŭ sen fremdaj influoj, kaj la perfektiĝo de la literaturspecoj povis okazi en laŭnatura maniero.

Ni renkontas ĉe la grekoj komence la poezion. Migrantaj kantistoj deklamis siajn versaĵojn jam en tempoj, kiam la skribo ne estis ankoraŭ uzata.[1] En tiu ĉi tempo naskiĝas eĉ unu el la plej gravaj verkoj de la tuta mondliteraturo, kiun la tradicio aljuĝis al la poeto Homero: la granda greka nacia epozo de la Iliado kaj Odiseo.[2] La progresinta arto de l' aedoj[3] kaj naciaj muzikistoj favoris poste la kreon de alia poezia speco: la liriko. Kaj de tiu ĉi oni alvenas iom post iom, pro enkonduko de la dialogo en la versaĵojn kaj pro la tiamaniere kaŭzigita plimultigo de l' aktora nombro, al la ekesto de unu el la plej eminentaj specoj de la malnovgreka literaturo: la dramo. Samtempe oni ankaŭ rimarkas la unuajn provojn en la prozo: sed tiu ĉi speco plene valoriĝis nur post la finigo de la persaj militoj. Herodoto kaj Tukidido suprenigis ĝin je brila alteco.

Kelkajn jarcentojn do bezonis tiu ĉi literaturo por sia evoluado de la epozo tra liriko kaj dramatiko ĝis la prozo. La flankaj literaturaj fakoj interdume aŭ poste naskiĝintaj ne havas por ni pluan intereson, ĉar oni povas ilin dependigi de unu el la suprenomitaj specoj. Tial ni ankaŭ ne sekvos la evoluon ĝis la fino, ĉar la naskiĝo de la prozo estis la sola elemento ankoraŭ mankanta por garantii la daŭron kaj la pluan evoluadon de la literaturo.

Oni povus nune entrepreni la samajn esplorojn ankaŭ rilate la ceterajn literaturojn: kaj oni povus ankaŭ konstati preskaŭ en ĉiu kazo komencan kulton de l' poezio kaj multe pli malfruan naskiĝon de la prozo.

Mi turnis mian specialan atenton al la ekzemplo de la greka literaturo, ĉar ĝi, kiel jam rimarkite, povus servi pro la preskaŭ ideala reguleco de sia disvolviĝo kiel modelo al ĉiu alia literaturo.

Ne estas ĉi tie la loko priparoli la motivojn, kiuj kaŭzis ĉe ĉiu popolo komencan evoluon de la poezio: similaj konsideroj tro malproksimiĝus nin de l' proponita celo kaj povus havi nur la formon de pli malpli logikaj konjektoj aŭ asertoj, kontraŭe ili neniam posedus la karakteron de certaj neŝanĝeblaj difinoj. Ni tute kontentiĝu per la konstato, ke la poezio en la evoluado de la arto˘skribata estis ĉiam la unuatempa literatura speco.

Unue ni fine troviĝas en la kondiĉo priparoli la ĉefan, Esperantan parton de tiu ĉi temo. Vere, la enkonduko estis eble iom longa: sed tamen, laŭ mia opinio, tre necesa por ĝuste esploradi la demandon pri la esenco de nia literaturo.

Absoluta juĝo estas logike neebla. Volante esprimi opinion pri iu ajn objekto, ni devas ĉiam supozi la ekziston de alia objekto de la sama speco, kun kiu ni ĉiuokaze komparos la unuan. Tamen oni facile komprenos, ke devante prijuĝi ion abstraktan, la objekto de komparo ne povas posedi materian formon, sed ĝi estos nur reprezentata per idealo naskita de nia fantazio. — Por diri, ekzemple, nian opinion pri originala pentraĵo, ni devas ĝin kompari kun la ideala bildo elvokita en nia fantazio per ĝia konsiderado. Tian idealan pentraĵon ni tamen nur povas elpensi, se ni jam antaŭe vidadis grandan nombron da aliaj bildoj, ĉar nur tiamaniere ni lernas la diferencigon de la bonaj elementoj de l' pentrarto de la malbonaj kaj, farinte la kritikon, ni povas˘determini poste la postulatojn, kiujn ni verŝajne en realeco neniam trovos kunigitaj sur unu sola ekzemplero, al kiuj tamen devas nepre respondi pentraĵo, se ĝi volas atingi la gradon de arta perfekteco imagita de nia fantazio. En nia kazo ni do ekzamenos, ĉu la pentristo, krom proporciitan desegnaĵon, sciis produkti per la tekniko de l' koloroj tiajn kontrastojn de lumo kaj mallumo, kiuj solaj povas vivigi la bildon. Kaj laŭ tio, se la ellaboro de l' pentraĵo konformiĝas aŭ ne al nia kritika ekzameno, ni ankaŭ kompreneble formuligos nian opinion.

Tute similan vojon ni iros intencante esplori la esencon de nia literaturo. Ke ĝi posedas diversajn por sia evoluo tre gravajn karakterizojn ni rimarkas nur pro tio, ke ni havas ankaŭ aliajn literaturojn, kun kiuj ĝin kompari. Por la esploro de l' diritaj karakterizoj ni bezonas do komparan literaturon.

En la ĝisnuna parto de mia konsiderado mi nur klopodis determini la elementojn regulantajn la vivon de tia komparliteraturo: mi priparolis kelkajn kaŭzojn influigantajn la evoluon de la literaturo, mi tentis klarigi per malmultaj vortoj la evoluadon mem de reguleca literaturo. — Mia sekvonta tasko nun estos ekzameni la rilatojn ekzistantajn inter nia kaj la ceteraj literaturoj kaj priparoli la evoluigan signifon de l' kondiĉoj, en kiuj nia literaturo devis kreski.

Se ni malrapide pasigas antaŭ la okuloj de nia memoro la progresantan evoluadon de l' Esperanta literaturo de la naskojaro de nia lingvo ĝis la nuntempo, ni tuj rimarkas kelkajn parte gravajn malsamecojn inter ĝi kaj la literaturoj de la naciaj popoloj.

Unue, la nia tute ne konas la baraktantajn infanajn paŝetojn, la komencajn mallertajn provojn siatempe faritajn de ĉiu nacilingva literaturo. La gramatiko de la lingvoj naturaj estis ofte elmetata en la kurso de l' jarcentoj al gravaj ŝanĝoj, ĉar ĝi ne estas solida sistemo kun firmaj reguloj, sed kontraŭe ĝi tute dependas de la gusto kaj oportunemo de l' nacio. La popolbuŝo ne atentas la gramatikajn regulojn, ĉar ĝi regulojn ne konas. Ĝia nura ĉelo estas la simpligo kaj adaptigo de l' interparolado al la senĉese aliiĝantaj vivkondiĉoj. — La lingvoscienco sin okupis pri la historio de tiu gramatika evoluado, kaj ekestis tiamaniere por ĉiu lingvo la tiel nomata historia gramatiko.

Simila gramatiko ne ekzistas kontraŭe en Esperanto.[1] Esperanto restis tute la sama, kiel ĝi estis kreita antaŭ tri jardekoj. Nenia ŝanĝo estas farita en la gramatiko, kaj la Bulonja Deklaro protektas nin ankaŭ por la estonto kontraŭ tiuspecaj atencoj. La sola vortaro pliriĉiĝis, sed tiu fakto estas kaŭzita de la ĉiam pligrandiĝanta multflankeco de la literaturo mem, dum la interna spirito de la lingvo restis tute neŝanĝita. La lingvo de l' Antaŭparolo al la Fundamento estas ankoraŭ la sama, kaj ankaŭ hodiaŭ neniu povus verkadi pli bonstilan skribaĵon ol nia Majstro antaŭ pli ol tridek jaroj ĝin faris.

Konsiderante pli proksime la malsamecon ekzistantan inter la Esperanta kaj la nacilingvaj literaturoj, ni povas ĝin dependigi de du tuj priparolataj ĉefkaŭzoj: la tempo de l' ekkomenco de nia literaturo, kaj la en ĝi entenata internacia spirito.

Nia literaturo naskiĝis en tre kulturita epoko kaj troviĝis tial en la tre agrabla situacio povi elekti laŭplaĉe el la riĉega materialo amasigita iom post iom dum multe da jarcentoj de l' aliaj literaturoj. Kvankam ĝi havis por sia evoluado nur tre mallongan tempon je dispono, kaj povis nur produkti ĝisnune nombron ne tro vastan da verkoj, ĝi tamen akiris tian kulturan signifon kaj multflankecon, kiajn aliaj literaturoj nur atingis post tre longa spaco da tempo kaj laboro. La motivojn de tiu ĉi rapida suprenigo ni devas serĉi en

[1] Tiuj migrantaj kantistoj ne povas esti komparataj kompreneble kun modernaj aktoroj, kvankam ili ankaŭ montriĝis dum la festoj antaŭ la publiko; vera teatrarto estis tiam ankoraŭ tute nekonata. Ni trovas en la malnovgrekaj poemoj mencion pri du malsamaj kategorioj de ili: la „aojdós" (= kantisto), kiu deklamis memverkitajn versaĵojn kun muzikakompanado, kaj la „rhapsodós", kantinta nur poeziojn devenantajn de aliaj poetoj. Laŭ la karaktero de ilia agado oni povus ilin tre bone kompari kun la provencalaj trubadoroj kaj ĵonglistoj de la mezepoko.

[2] Vidu ankaŭ la artikolon: Kiam la Iliado estis skribata? aperinta en la junia numero 1919 de „Esperanto".

[3] Mi proponas tiun ĉi vorton laŭ la Latina formo „aoedus" de la Greka vorto aojdós, pri kies signifo komparu supre la noton 5.

[1] Oni povus al tio kontraŭdiri, ke famekonataj Esperantistoj publikigis dum la jaroj 1893—1894 en la tiama Nürnberga „Esperantisto" artikolojn, skribitajn en lingvo iom malsama de la nuna Esperanto. Sed ĉi tiuj variantoj de nia lingvo estas nur proponoj de reformo faritaj de kelkaj Esperantistoj. De l' ceteraj samideanoj ili ne estis uzataj, kontraŭe ili fariĝis la kaŭzo de akraj protestoj, kaj estis en tiucela voĉdonado malakceptataj de l' premanta plimulto de l' partoprenantoj. Ni do tute ne povas paroli pri Historia Gramatiko de Esperanto, ĉar tiuj deziritaj reformoj (deziritaj vere nur de kelkaj novemuloj) neniam trapasis la stadion de propono. (Komparu: Z. Adam, Historio de Esperanto, paĝoj 36—47.)

la du sekvantaj faktoj. Unue, nia lingvo montris tuj post la naskiĝo sian taŭgecon esti uzata tre facile en la plej diversaj fakoj de l' homa progresado; due, nia literaturo ne devis komenci per kreado de novaj verkoj, sed kontraŭe ĝi povis ilin elĉerpi sub la formo de tradukoj el la jam ekzistantaj tre evoluiĝintaj naciaj literaturoj. Kaj ĉi tiu elĉerpado okazis ne nur el la spirita trezoro de ununura popolo, sed el la literatura verkaro de la tuta mondo: cirkonstanco tiu ĉi, kiu trafe akordiĝas kun la postulato pri internacieco de arta lingvo kaj literaturo elpensitaj por la prospero de la tuta homaro.

La kultura graveco de nia literaturo estas ĉefe bazita sur la granda nombro da valoraj tradukaĵoj el fremdaj lingvoj. La plej kapablaj Esperanto-stilistoj multope okupiĝis per tiu ĉi laboro ebligante al ni tiamaniere la konon de verkoj kutime tre ŝatataj en ilia nacia literaturo. — Tri nomoj estas indaj tie ĉi je speciala mencio: Zamenhof, Grabowski kaj Kabe. Sed post ili multaj ankoraŭ, kiuj nin enkondukis en internan vivon kaj pensadon de siaj nacioj. Aparta citigo de iliaj nomoj aŭ de la titoloj de l' verkoj trapasus tamen la limon kaj celon de ĉi tiu skribaĵo.[1]

Ĝuste per Esperanto rezultas al ĉiuj similaj verkoj utilo speciala. Malofte oni renkontas homon, kiu komplete scipovas du lingvojn kaj tute komprenas la spiriton de la rilataj popoloj. Ĉe tradukoj el iu literaturo nacilingven ni havas preskaŭ ĉiam la kazon de verkisto de unu nacio, kiu tradukas verkon de alia nacio en sian propran patrolingvon. Oni povas facile diveni, ke tia laboro neniam atingos la valoron de l' originalo, konsiderante ke la verkisto neniel povas havi por la lingvo originala tiel profundan senton (komprenon) kiel por la propra. — Nia literaturo troviĝas tiurilate en multe pli agrabla situacio: ĉar ni povas aserti sentime, ke en nia kazo preskaŭ ĉiuj tradukistoj senescepte estas anoj de l' nacio, el kiu ili prenis la originalon; pro tio ni rajtas supozi ĉe ili kompletan spertecon pri sia propra lingvo, kaj ankaŭ se la tradukaĵoj ne povas redoni la freŝecon de l' originalo — belsoneco kaj harmonio de la lingvo estas tute netradukeblaj — tamen ili certe pli bone sukcesos ol tiuj, pri kiuj mi ĵus estas skribinta, ĉar en nia literaturo la verkisto tradukas el sia patrolingvo en lingvon, kies spiriton li lernas perfekte kompreni post tempo mallonga kaj post rilate malgranda penado.

Krom la multaj tradukaĵoj ni ankaŭ posedas tutan serion da originalaj verkoj. Kaj ankaŭ se ilia nombro ne estas vere tro granda, ili havas tamen apartan gravecon por nia literaturo. La tradukado estas ĉiam pli malpli meĥanika laboro, kiu certe postulas multe da kono kaj lerteco, sed ne povas supreniĝi al originaleco, ĉar por la tradukanto ne estas eble enmeti en la verkon ankaŭ trajton de sia personeco. La spirito de la verko originala devas esti redonata en bona traduko laŭeble netuŝite. Originalaĵo kontraŭe ne bezonas atenti similajn postulojn. Pripensante nun, ke la Esperantaj verkistoj devas ankaŭ perfekte kompreni la spiriton de nia lingvo — alie ili tute ne estus verkistoj! — ĉiu devas ekvidi kian gravan influon sur la evoluado de la stilo internacia devas havi tiaj verkoj, kiuj ne nur estas Esperante skribitaj, sed ankaŭ Esperante trapensitaj.

Mi faris pli supre mencion pri multflankeco de nia literaturo: rapida trarigardo de Esperanta katalogo nin tuj pri tio konvinkigas. Ne nur belan literaturon, sed ankaŭ tutan serion da religiaj kaj sciencaj verketoj ni posedas: kompreneble ili okupas ankoraŭ sensignifan lokon en la tutmonda libra produktado, sed ni ne forgesu, ke nia lingvo estas ankoraŭ tre juna. Malproksima estas ankoraŭ la tempo de l' fina triumfo! Kaj kvankam la nuna periodo de interpopola malamo ne ŝajnas tro prosperigema por l' Esperantisma idealo, kvankam oni dubas serioze pri estonta rekonsciiĝo de la homaro, tamen ni ne povas kaj ne devas forlasi la esperon, ke eble tagiĝos la tempo, en kiu la popoloj komprenos, ke oni povas sur la bazo de pacema laboro kaj reciproka kunhelpo pli bone utiligi la homaron ol per krima mortiga militado. Sed tiam venos ankaŭ la epoko de la venko Esperanta: kaj la pli gravaj sciencaj verkoj destinitaj por la komuna progresado sendube aperos samtempe en nacia kaj Esperanta eldonoj.

Kaj nun ni venu al la dua kaŭzo: la internacieco de la spirito, kiu nian literaturon vivigas.

Lingvo, kies celo estas unuigi sur neŭtrala bazo malgraŭ ĉia nacia aŭ religia diverseco la tutan homaron, devas havi kompreneble ankaŭ internacian konstruadon. Kaj same kiel la lingvo, tiel ankaŭ la literaturo. De tiu cirkonstanco dependas du faktoj, kiuj plej bone difinas la karakteron kaj la individuecon de nia literaturo kaj eĉ solaj sufiĉus por garantii ĝian apartan pozicion.

La unua de la diritaj faktoj konsistas en la kompleta forigo de la politiko: por nia literaturo ĝi simple ne ekzistas. Vere estas, ke dum la lasta milito Esperantistoj de diversaj ŝtatoj uzis la lingvon internacian por ilia porpatruja propagando, kvankam simila entrepreno tute ne akordiĝas kun la Esperantisma idealo; sed ni devas ankaŭ pripensi, ke tio ĉi povis okazi nur en tempo, kiam la nacioj estis streĉintaj sian tutan forton ekskluzive por la defendo de la hejmolando. Kaj ke dum batalo pri vivo aŭ morto, en kiu oni tiel multe malrespektis la principojn de la interpopola rajto, en kiu ĉiu batalanto senĉese klopodis elpensi la plej terurajn metodojn por komplete senpovigi la kontraŭulon, ke dum tia batalado la sento pri internacieco de l' homaro estis flankenmetata, kaj eĉ komplete neŭtrala lingvo kiel Esperanto povis esti konsiderata kiel permesita rimedo por laŭeble utili kelkmaniere la minacatan patrujon, tio ĉi, konsiderata de homa vidpunkto, estas tute klarigebla. — Ni tamen ne devas tro taksi la valoron de la diritaj eldonaĵoj kaj ilian situacion rilate la fundamentan Esperantistan pensmetodon: ili restos ĉiam la verko ideigita de kelkaj samideanoj, kiu nenion havas komunan kun la ĝenerala Esperanta Movado kaj eĉ tiris sur sin multflankajn kaj akrajn mallaŭdojn. Cetere, la nuna stato kaj koreco de l' internaciaj Esperantaj rilatoj ekiĝantaj iom post iom de lando al lando pruvas, ke la Esperantistoj de la tuta mondo scis ĝuste taksi la psikologian momenton de tiu entrepreno kaj nune intencas ree kunlaboradi sur la fundamento de severa neŭtraleco.

Esperanto estis en la diritaj publikaĵoj nur la rimedo por atingi la celon, kaj ĉar nia lingvo estas laŭ eldiro de D-ro Zamenhof mem „nenies propraĵo", ankaŭ nenia Esperanta institucio estus povinta laŭrajte malhelpi ĝian uzon por celoj tiaspecaj. Aliparte la eldono de similaj skribaĵoj neniel influigis la internan esencon de nia literaturo aŭ la vivon kaj estontan evoluon de la Esperanta popolo. Kaj tiu fakto estas por ni la ĉefaĵo.

La politikaj okazintaĵoj estas kontraŭe lasintaj tre videblajn postsignojn en la vivado de ĉiu ajn popolo: ili vekigis epokojn de nacia entuziasmo, ili fariĝis por multaj poetoj la fonto de fekunda inspirado. Tiamaniere formiĝis ĉe ĉiu popolo aparta subspeco de l' poezio, kiun ni povas nomigi *nacia liriko* aŭ ankaŭ militliriko, ĉar la efektivigo de la naciaj aspiroj ĝis nune estis nur ebla per la armiloj.

Similaj influoj estas komplete nekonataj al nia literaturo. Certe oni ne povas nei, ke ankaŭ la popolo Esperantista havas siajn proprajn aspirojn. Sed aspiroj pure idealaj, kiuj ne danĝerigas l' ekzistadon de la ceteraj popoloj, kaj celadas la finan venkon nur per la idealaj armiloj de paco kaj amo. — En tiu ĉi senco ni ankaŭ posedas nian nacian lirikon, kiu tamen militliriko ne estas: ĝi enhavas la tutan poemaron plejparte verkitan en la unuaj jaroj de nia lingvo kaj rajte konsideratan kiel unu el la plej originalaj kaj belaj produktoj de nia poetarto, kie entuziasmaj poetoj en fluantaj versaĵoj prikantas la idealon de l' kunfratiĝo de l' homaro.[2]

*(Daŭrigota.)* *F. Glaser.*

[1] Mi citu nur kelkajn tradukojn el lingvoj mortintaj aŭ malpli konataj literaturoj: el la hebrea la Zamenhofan tradukon de la Biblio, kiu certe apartenas al la plej bonaj samspecaj verkoj ĝis nun aperintaj. El la greka kaj latina literaturoj la „Batrachomyomachia" (Ranratbatalo), „Amoro kaj Psiĥe", tradukojn el Homero kaj Vergilio. Kaj fine a „Orienta Almanako" eldonita de la redakcio de „Ondo de Esperanto" en Moskvo, enhavanta mallongajn, sed karakterizajn rakontojn el diversaj preskaŭ nekonataj orientaj literaturoj.

[2] D-ro Privat donas al ili en sia supre citita parolado la nomon kolektivan de „Komuna Esperantisma poemaro".



## ESPERANTISMO



# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri sia agado. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko" al nia Centra Oficejo, Museumsstrasse 14, Bern.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

***Fohnsdorf*:** Fondiĝis Esp. rondeto, kurso gvidata de S-ro Sobotka. — ***Graz*:** La regule alvenanta hektografita gazeto „Esp. Mitteilungen" informas pri vigla laboro; la loka grupo nun kalkulas pli ol 200 membroj. — ***Salzburg*:** D-ro Pezlederer gvidas kurson de 40 monaĥinoj (Ursulinoj). — ***Voitsberg*:** Fondiĝis Esp. rondo.

## Belgio.

***Verviers*:** Sekve de la partopreno de grupanoj ĉe la Belga kongreso, la movado en tiu ĉi urbo reviviĝas. Oni kunigis ambaŭ Esperantistajn grupojn de la urbo; oni sendis gratulleteron al la Honora Prezidanto, S-ro Spinhayer, ĵus nomita kiel urbestro.

## Britio.

***Coventry*:** Nova grupo fondiĝis. — ***Dublin*:** Vigla movado; la klubo nun havas 29 anoj. — ***Glasgow*:** Regulaj kunvenoj de la parolrondo en la episkopa preĝejo St. Andreo. — ***Grimsby*:** Jara kunveno starigis novan estraron; estonta ejo, 223, Cleethorpe Road. — ***Liverpool*:** Regulaj kunvenoj ĉiumerkrede promenante tra la parkoj kaj urbo. Kurso ĉiulunde kun 23 p. En la ĉiutaga gazeto „Liverpool Weekly Courier" aperis nekrologa artikolo pri H. Hodler tradukita el „Esperanto" de S-ro Applebaum. — ***Rivington*:** Konferenco de Federacio de Lancashire kaj Cheshire; elektiĝis kiel prezidanto S-ro W. Brown el Chorley. — ***Salford*:** Parolado de S-ro W. J. Lewis; kurso.

## Bulgario.

***Panagjurište*:** Grupo aranĝis trian vesperamuzadon kun paroladoj, amase vizitita. — ***Pazarĝik*:** Fondiĝis lernejana Esp. grupo, kiu eldonis propagandfoliojn. — ***Pleven*:** Du kursoj, 50 p. Movado ankaŭ ĉe la lernantinoj.

## Ĉeĥoslovakio.

***Aussig*:** La gazeto „Volksrecht" aperigis poresperantan artikolon pri „La mondlingvo en la lernejo". — ***Böhm. Kamnitz*:** La 30 majo S-ro Patzelt faris propagandan paroladon. Kurso komencos. — ***Brünn-Brno*:** Propaganda antaŭlego de S-ro Beran en la abiturienta-kurso de la komerca lernejo. S-ro Podloučka gvidos kurson por la varbitaj abiturientoj. En socialista gazeto „Příloha Socialistické Budoucnosti" aperis artikolo pri Esp., redaktita de sam-ano V. Kroužil. — ***Č. Budejovice*:** La ministerio de instruado kaj de nacia kulturo en Praha aprobis kaj permesis, ke Esp. estu instruata kiel nedeviga lernejobjekto en la Bohema knaba burĝa lernejo en Č. Budejovice. — ***Eidlitz*:** Kurso kun 25 p. — ***Franzendorf*:** Kunveno de la delegitoj de la ĉirkaŭaĵo por priparoli la poresperantan propagandon dum la foira semajno kaj la amikan kunvenon okazonte la 15 aŭgusto. — ***Hradec-Kralóvé*:** Okazis bela ekskurso en Ratibořice kaj Babiččino údolí. Partoprenis 50 samideanoj el Červený Kostelec, Jaroměř kaj Hradec Kralóvé. Estas granda intereso pri pluaj komunaj ekskursoj, kiuj certe nur akcelos nian aferon, obligante la tiom deziratan interkonatiĝon de la propagandistoj. La printempa kurso estos finita la 11 junio. Provizora komitato zorgas pri baldaŭa laŭleĝa konstituciigo de la klubo. — ***Leitmeritz*:** La Esp.-angulo regule aperas en la gazeto. — ***Lucenec*:** Kurso gvidata de S-ro Weisz Sándor. La grupo eldonas gazeton „La Espero". — ***Mor-Ostrava*:** En loka komerca akademio propagandis tre vigle S-ro Bohumír Matějka. Estis fondita studenta Esp. societo kun 30 anoj. — ***Pokau*:** S-ro Glaser fervore propagandas kaj gajnis kurspartoprenantojn. — ***Praha*:** „Časopis čes. učitelek" (Revuo de Boh. instruistinoj) enhavas regulan rubrikon de J. Šupichová. La skriban kurson de la junulara gazeto „Malý Čtenář" aktive partoprenas 120 Bohemaj gejunuloj. La „Rondeto de Esp-inoj aranĝas nun somere ĉiusabate je la 6a promenad-ekskurso al „Zlatá studně". Gastoj bonvenataj. Esp-ista Klubo aranĝis la 28 majo paroladon de S-ro V. Cimr „La Ĉeĥaj partoprenantoj de la Xa Kongreso dum la milito kaj la servoj de Esperanto". — ***Přívoz*:** Antaŭ nelonge fondita sekretariejo laboras tre efike. Kiel sekretario funkcias S-ro Václav Boh. Matějka. La gazete Duch Času regule enhavas priesp. artikolojn. — ***Reichenberg*:** 1 junio grandnombre vizitata monatkunveno. 3 julio okazos en la gastejo „Franzenshöhe" en Franzendorf apud Reichenberg Esp. familia vespero kun riĉenhava programo. 4 julio ekskurso al la gastejo „Schwarzbach" en Lubokai apud Reichenberg. Kunvenejo je la 3a posttagmezo „Walhalla". Gastoj tre volonte estas bonvenataj. 16 majo okazis ekskurso al Voigtsbach kun bona partoprennombro. Alvenas ĉiutage Esp. poŝtaĵoj kiel efiko de la peresperanta reklamo. Laŭ la propono de S-ro Inĝ. Scholze la poresperanta propagando dum la foiro estos jena: 1e Esperanto-informejo en la foiroficejo, kontraŭ la stacidomo; 2e afiŝado en la stratoj kaj elpendigo en la elmontrejoj; 3e lumbildpropagando en la kinematografoj; 4e Esperanto-propagandilo portata en la foira reklamrondiro; 5e Esperanto-ekspozicio; 6e disdono de flugfolioj inter la foirovizitantoj. La 15 aŭgusto amika kunveno de en- kaj eksterlandaj gesamideanoj. Rendevuejo: Restoraciejo „Franzenshöhe", Franzendorf, apud la fervoja viadukto. — ***Rumburg*:** La movado komencas reviviĝi. S-ro Richter skribis leteron, ke li jam varbis kelkajn partoprenantojn por kurso. — ***Tannenberg*:** La 30 majo ekskurso de la gesamideanoj de Nordbohemio al Tannenberg. Pli ol cent personoj partoprenis. — ***Tetschen-Bodenbach*:** Ĉe la ekzameno gajnis la premiojn: Franz Bruche, Anton Krikawa, Johann Krol, Rudolf Storch, E. Felix jun. La 14 majo komencas perfektiga kurso, okazanta dum la vendredaj grupvesperoj, gvidata de S-ro Klinger. La 4 junio propagandparoladis nia ano S-ro Rudolf Storch en Krochwitz apud Bodenbach, tie anoncis sin 22 gepartoprenantoj por kurso. Nova kurso komenciĝos en Tetschen merkrede la 9 junio. — ***Warnsdorf*:** La grupo „Zamenhof" ricevis de la gesamideanoj el Ameriko sendaĵon kun nutraĵoj. Ĉiu membro ricevis: 2 kg da faruno, ³/₄ kg da lardo, ¹/₄ kg da faboj kaj du skatoloj da kondensita lakto.

## Danio.

***Kopenhago*:** La movado dum vintro vivis, tamen ne tiel kiel deziras la danaj samideanoj; la gripo kaj la neebleco havigi komfortajn kunvenejojn, malhelpis viglan propagandon kaj kunvenojn. La „Konversacia Klubo" aranĝis tri kunvenojn ĉiumonate por membroj, kaj la „Societo de Danaj Esperantistoj" okazigis unu kunvenon dum ĉiu monato. La membroj faris paroladojn, kantis, pianludis kaj faris diskutojn. Ekz. iun vesperon ĉiu ĉeestanto raportis pri travivaĵo okazinta dum vojaĝo, alian vesperon la Del. de UEA, S-ino Blicher, raportis pri la laboro de UEA, kaj la ĉeestantoj, dankante S-inon B. pro ŝia laboro, petis, ke ŝi ankaŭ transdonu al UEA la dankon de la danaj Esp-istoj pro ĝia energia laboro. Nova samideano, S-ro Taŭmose, parolis pri „la relativecteorio" kaj pruvis per sia eleganta parolado, ke energia homo post 20 lecionoj povos pritrakti parolade eĉ malfacilan temon. Niaj blindaj samideanoj kunhelpis al la amuzo de la klubanoj per koncertvesperoj. La kunvenojn vizitis gastoj de Svedio, Germanio kaj Usono. Sub aŭspicioj de F-ino Asta Mikkelsen stariĝis Esperantista junulrondo; kurso por progresantaj lernantoj, gvidata de F-ino Rybo, finiĝis kaj pligrandiĝis nian rondan kun fervoraj samideanoj.

## Estonio.

***Tallinn:*** Jarkunveno de la unuiĝo „Espero". Nova estraro: J. Rosenberg, Del. de UEA, prez.; L. Altmann, vicprez.; H. Drezen, VD. de UEA, sekr.; H. Sakarias, vicsekr.; G. Tippi, kas. La Akcia Societo „Esperanto" havas ĝeneralan kunvenon la 13 junio. Ĉiuj akcioj venditaj. Lekcio de S-ro V. Anofrijev en koncertsalono Estonia. Ĉeestis ĉirkaŭ 200 p., interalie anoj de la konstituantaro. La gazetoj favore raportis. Pro la malmulto de lernolibroj ne estas eble kontentigi ĉiujn dezirantojn ellerni Esp. — ***Tartu:*** Lekcio de S-ro V. Anofrijev en Vanemujne. Multe da aŭskultintoj. Manko de lernolibroj malhelpas la disvastigon de Esp.

## Francio.

***Baugé:*** Kurso kun 30 p. gvidata de S-ro Robin. — ***Bourg-la-Reine:*** Kurso en la urbdomo kun 10 p. — ***Grenoble:*** Kurso kun 10 p. gvidata de S-ro Ledoux. — ***Le Havre:*** Du kursoj. — ***Limoges:*** Du paroladoj de S-ro Duris; enskribiĝis kelkaj personoj por kurso. — ***Nice:*** Kurso gvidata de S-ro Esselin. — ***Orléans:*** Parolado de S-ro Raymond Schwartz. — ***Paris:*** Kurso al Ĉinoj gvidata de la nelacigebla S-ino Cense. La revuo „Clarté" (Klareco) enhavis dukolonan artikolon „La Langue Internationale" verkitan de Henri Barbusse. — ***Rennes:*** Klopodoj pri restarigo de la grupo. — ***Saint-Denis:*** Nova prezidanto de la grupo estas S-ro Bonneville. — ***Saint-Omer:*** Licea grupo kalkulas 50 m. — ***Villeneuve-St-Georges:*** La grupo denove funkcias kun 39 anoj.

## Germanio.

***Dresden:*** La 18 majo, la antaŭvesperon de la enterigo de S-ro Hodler, Societo Esperanto kunvenis por aŭdi paroladon de la komitatano de UEA, S-ro Karsch, pri la Esperantistaj mortintoj dum la pasintaj jaroj, en kies lasta kaj ĉefa parto la parolanto skizis la vivon de Hodler kaj akcentis la gravecon de tiu ĉi perdo por UEA kaj la Esp.-movado ĝenerale. — ***Eisenach:*** La kunveno de la Germanaj Esperantistoj elektis kiel estraron de la G. E. A.: D-ro Steche, prez.; W. Ranft, negocgvidanta prez.; D-ro H. Arnhold, kas. — ***Neugersdorf:*** Kursoj de D-ro Göhl por progresintoj kaj por 60 l. de la popollernejoj, por 13 l. de la komerca kaj industria lernejo; propaganda parolado kaj kurso (20 partoprenantoj) en la teksa lernejo en Seifhennersdorf. — ***Seifhennersdorf:*** La direktoro de la faklernejo de teksa fako sciigis la deziron, ke la tieaj membroj de la kurso interrilatiĝu kun bohemaj gesamideanoj, precipe de la ĉirkaŭaĵo. — ***Weinböhla:*** La urbestraro decidis, ke estonte la komunumo pagos la koston por la instruo de nia lingvo al 30 infanoj en la ĉi tiea lernejo.

## Hispanio.

***Jerez de la Frontera:*** La 3 junio okazis en Esp. Grupo vesperfesto. S-ro Lazo legis paroladon „Pri Esperanto", S-ro Rivera „Belartoj", S-ro Cranajo „Paco kaj Esperanto" kaj S-ro Valle „Edukado de l' virino". La grupo petis laboristajn societojn pri mona subteno kaj nun povas kalkuli je regula helpo de 85 fr. ĉiumonate.

## Hungario.

***Budapest:*** La Esp. Societo metis je la tago de pacsubskribo grandan verdan stelon kun litero E el folioj kaj floroj sub la monumento de nacia poeto Petöfi. S-ro Laquer efike propagandas en la ministerioj. La ŝtatfervoja direktoro promesis enkonduki Esp. en la fervojrilatoj. La Landa Esp. Societo en kamerkunsido laŭtlegis la „Alvokon al la diplomatoj" de D-ro L. Zamenhof el jaro 1915 aperinta en „Esperanto" kaj atentigas la Esp-istojn de la mondo, ke la hungara packontrakto kontraŭas al tiu alvoko kaj danĝerigas la pacon. La gazeto „Közép Duna" (Meza Danubo), komerca gazeto, V. Zoltán u. 10, enkondukis Esp. rubrikon.

## Italio.

***Bologna:*** Kvina nacia kongreso okazos la 3—5 oktobro 1920. Estos oficiala delegito de l' Ministrejo por Maraj aferoj komandanto Alberto Alessio ĉu en Hago aŭ en Bologna. S-ro D-ro Alfred Tellini redaktas hektografitan riĉenhavan periodajon „Trezoro de la lingvo Friula" en Friula kaj Esp. — ***Carnigliano Lig.:*** Ĉe la teatro „Gimnasium" S-ro Amedeo Rodolfi lerte kaj klare paroladis pri Esp. kaj tre bone sukcesis. Nun li gvidas kurson de Esp. ĉe la Ligura Asocio de la Oficistoj. — ***Genova:*** Laborista Esp. Grupo (Casella Postale 922) vigle laboras. Por starigi bibliotekon ĝi petas alsendon de libroj, gazetoj, k. t. p. Nova kurso; parolado de profesoro Spagnol ĉe popola Universitato. Gazetartikoloj. — ***Milano:*** P-ro Colonesse gvidis kurson ĉe la Reĝa Teknika lernejo kun aprobo de la inspektoro kaj direktoro. — ***Palermo:*** Gazetartikolo pri parolado de S-ro Abbratozzato. — ***Rovereto*** (Trentino): La 26 majo Adv. Vaona, Del. de UEA en Verona, paroladis en la „Sala Pro Cultura" laŭ invito de la tiea Esp. Rondeto, kies Prezidanto, D-ro Mondini, lin prezentis. — ***Trento:*** L' „Internazionale" enhavis nekrologon pri H. Hodler, verkita de Del. Giovanni Marchetti.

## Letonio.

***Riga:*** Fondiĝis Esp. Societo: Prez. S-ro Bulatov. Kurso gvidita de S-ro Krause kun 200 p.

## Nederlando.

***Aalsmeer:*** Okazis kurso dum vintro, el kies anoj grupo „Ĉiam supren" fondiĝis. — ***Amsterdam:*** Tria kurso organizita de propaganda komitato komencis en majo.

## Norvegio.

***Kristianio:*** 24 aprilo okazis publika propaganda-kunveno de la lokaj Esp. organizaĵoj en la festhalo de la Universitato. Post la Himno Esp-ista, kantita de 15 knabinoj 13-jaraj, la prez. de N. E. L., ĉefleŭtenanto Brugge-Paulsen, parolis antaŭ 150 p., kiuj atente aŭskultis kaj vigle aplaŭdis. La knabinoj lernantaj Esp. sub gvidado de F-ino Finholt ree aŭdigis plurajn kantojn kaj prezentis diversajn deklamojn kaj dialogojn kun tuja memtraduko. Tiu ĉi prezentado servis kiel evidenta pruvo kontraŭ asertoj dum la parolado, kaj forte konvinkis la aŭdantaron; vigla aplaŭdado sekvis ĉiun numeron de la infanoj. En la antaŭĉambro estis sur tablo prezentitaj diversaj Esp-aĵoj; vendiĝis multaj propagandiloj, lernolibroj, k. t. p., kaj enregistriĝis kelkaj novaj membroj. Entute tre sukcesa manifestado malgraŭ la nefavora vetero malhelpinta ĉeeston al multaj. La gravaj ĵurnaloj favore raportis. Ni ripetos la kunvenon dum aŭtuno. — ***Lysaker:*** La 8 majo okazis propaganda festo de la laborista grupo en la popoldomo. Muzika prezentado de bona orĥestro de la grupo, poste parolado de S-ro leŭtenanto Bugge-Paulsen, 50 aŭdantoj. Sekvis deklamo, kanto, muziko kaj danco. Vendado de propagandiloj. Esperplenaj aŭspicioj por la aŭtuno!

## Polio.

***Kraków:*** Prof. Meillet, aŭtoro de la verko „Les langues dans l' Europe Nouvelle", akceptis dum vizito al Krakova Akademio de Sciencoj deputacion de Societo Esperanto. Prof. Bujwid parolis kun la fama sciencisto pri la L. I. Prof. Meillet precizigis sian opinion pri tio: La maŝino funkcias, oni devas ĝin nur funkciigi pli multe, ĉar tio estas ebla. Lokaj gazetoj raportis pri la intervjuo. — ***Lodz:*** La Germanlingva gazeto „Neue Lodzer Zeitung" kun konstanta Esp. angulo enhavis varman artikolon je memoro de H. Hodler. — ***Warszawa:*** La Esp. faris komunan ekskurson al urbo Leszno; partoprenis multaj samideanoj, tiel ke la ekskurso fariĝis vera manifestado. Diservo mariavita de Pastro Furmanik. Plezura parto kun dancado de la „Krakowiek" en naciaj kostumoj.

## Portugalio.

***Lisboa:*** Ekzameno en la lernejo de Sankta Marto por la policanoj. Skriba kaj parola ekzerco juĝata de S-ro Kapitano Carlos Andrade kaj S-ro Saldanha Carreira sub ĉeesto de 1. Ĝenerala polica komisaro kiel prezidanto. La grava komerca kaj industria gazeto „Portugal Commercial e Industrial" enhavas Esp. Fakon redaktatan de Saldanha Carreira. Malfermiĝis kurso aranĝata de Laborista Federacio. Verda Stelo organizis tri kursojn, unu por progresintoj.

Artikoloj de samideano F. Costa aperis en la ĵurnaloj „Bandeira Vermelha", „O Construtor", „Era Nova" kaj „Comuna". Laborista gazetaro tre favora. Laborista Esperanto-Federacio aperigis la monatan organon „Laboro".

## Saarteritorio.

***Saarbrücken*:** Aperis lerte redaktita artikolo pri nia movado en socialdemokrata gazeto „Voĉo de popolo" (Volksstimme) de sam-ano J. Schenkel.

## Svedio.

***Malmö*:** La Esp-istoj aranĝis bonsukcesan ekskurson. — ***Stockholm*:** Dum la lasta Sveda Esp. kongreso interalie la membroj de UEA havis kunvenon sub prezido de la Stockhoma Del. Vigla debato pri la farој por kreskigi la membraron de UEA okazis, kaj oni decidis labori persone por tiu celo. Krom tio oni decidis entrepreni pli intiman kunlaboron inter la diverslokaj Del. kaj estis esprimita la deziro, ke UEA restarigu la hotelan servon, kiu antaŭ la milito havis gravan utilon rilate al la propagando por Esp. kaj UEA.

## Svisio.

***Zürich*:** En la Tipografia Klubo S-ro Jost faris paroladon kun ekspozicio de Esp-aĵoj.

## Ameriko.

***Kingston*** (Jamajko): Revueto „The Jamaica Review" enhavis pri kaj en Esp. artikolon. — ***New York*** (Usono): Nacia kongreso de E. A. N. A. okazos de 23/24 julio. 4 apudsekvaj kursoj. Gazetartikoloj en „New York Times", „The Globe", „The Evening Sun". — ***Philadelphia*:** En superlernejo Prof. Hetzel gvidas altan klason 10 p., inter kiuj studento S-ro Bennett instruas alian klason de komencantoj. — ***Regina*** (Kanado): Fondiĝis nova grupo. — ***San Francisco*** (Cal.): Kurson kun 25 p. gvidas S-ro Rivers. Mondvojaĝanto D-ro Cottrel parolis al lernantaro pri sia vizito al Esp-istoj en Eŭropo. Nun 3 klasoj lernas Esp. Aperis dupaĝa hektografita „Kalifornia Folieto". S-ro A. S. Vinzent vigle propagandas. — ***Storm Lake*** (Usono): Loka edukgazeto rekomendas Esp. — ***Topeka*** (Kansas): Fondiĝis Esp. Lundo Klubo, 20 m. Kelkaj skoltoj lernas kun multe da intereso por Esp. — ***Toronto*** (Kanado): Post longa dormado, preskaŭ ĝis morto, la afero ekreviviĝas tie-ĉi. S-ro Perkins faris paroladojn al la Socia Studada Klubo kaj al la Toronta filio de la „Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco". Granda intereso montriĝas kaj fondiĝis klaso. Oni esperas restarigi grupon.

## Azio.

***Blagoveŝĉensk*** (Siberio): Societo fondiĝis, tre vigla movado. Oni malfermis kurson kun 25 p. En la loka militkaptitejo estas fondita grupo kun 8 m. Ĉiuj gazetoj presas favorajn artikolojn kaj notojn. — ***Formoso*** (Japanio): Ekaperis bela hektografita revueto „La Verda Ombro" (adreso: F. E. A. 105, Ĉusekiro, Gekanŝo, Monka, Taihoku). — ***Jokosuka*** (Japanio): Vespera lernejo ĉe Suŭa popollernejo enkondukis Esp. Instruas S-ro Ogaŭa. — ***Kanton*** (Ĉinio): Fondiĝis Instituto; malfermo de kursoj. — ***Kioto*** (Japanio): Dank' al S-roj Uĉino, Jagi k. a. la afero vigle progresas. Kiotaj kaj Osakaj gesamideanoj reciproke sin vizitas ĉiumonate por pli intima kunlaboro. Studenta grupo ĉe la 3a Nacia kolegio eldonis belan hektografitan revueton „Libero". S-ro Jagi gvidas kurson ĉe la kolegio. — ***Krasnaja-Rjecka*** (Siberio): Dank' al S-roj Engelmann kaj Dobay, 6 % de la 1800 militkaptitoj atendantaj sian liberigon, lernis Esp. Multnombra kaj entuziasma Esp-istaro ekzistas en ĉiu tendaro. Ili bezonas Esp. vortarojn kaj legaĵojn. Helpu ilin! — ***Osaka*** (Japanio): Kunsidoj — ***Pekin*** (Ĉinio): Nova kurso ĉe Student-Laborista Kooperacio kun 15 p. — ***Shanghai*** (Ĉinio): Fondiĝis societo; nova kurso sub gvido de Rusa samideano. Ekdorminta antaŭ kvar jaroj, la movado denove vekiĝas. Paroladis S-ro Lu-ŝi-ĉin kaj S-ro Stopani kun granda sukceso. Rezultate estis fonditaj du kursoj kun 52 p. Komencis agadon Esperanta societo, „Ŝanhaja Esperanto-Asocio". Lokaj gazetoj fervore enlokigadas ĉiujn novaĵojn de Esperanta vivo en Shanghai. — ***Tokio*** (Japanio): S-ro T. Adaĉi gvidas 2 kursojn. S-ro Usami aranĝas studan kunsidon de Ministerio de Agronomiaj kaj komercaj aferoj. S-ro Fujisaŭa paroladis ĉe kunsido de Laborista Asocio.

## Aŭstralio.

***Auckland*:** „Auckland Labour News" daŭrigas siajn Esp. notojn, redaktataj de Charles H. Parker. — ***Sydney*:** Okazis la tria kongreso de Aŭstraliaj Esp-istoj.

---



# XIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Hago, 8—15 aŭgusto 1920**

*Sepa kaj lasta komuniko*

**Garantia fundo.** — Depost la lasta komuniko, ankoraŭ enskribiĝis sin por la garantia fundo la jenaj sinjoroj: C. van Doorne, Rotterdam (Ned.) fl. 25; Prof D-ro A. F. Holleman, Amsterdam (Ned.) fl. 25; A. W. Thomson, Bexleyheath (Angl.) fl. 25 kaj J. M. Warden, Edinburgh (Skotl.) fl. 25. Entute 23 enskriboj po 25 guldenoj = fl. 575. Esperebl e ankoraŭ multaj samideanoj kunhelpos pligravigi la fundon.

**Donacoj.** — La jenajn donacojn ni ricevis kun multa danko: S-ro J. Boyd Anderson, Edinburgh (Skotl.) fl. 21; S-ro E. R. Blackett, Bath (Angl.) fl. 5; S-ro C. C. Goldsmith, Birmingham (Angl.) fl. 3; S-ro J. G. Pyke, Melbourne (Aŭstral.) fl. 10,40; S-ro Th. J. Relf, Edgward (Angl.) fl. 0,80; S-ro A. W. Thomson, Bexleyheath (Angl.) fl. 1,84; S-ro C. W. Veness, London (Angl.) fl. 0,30; S-ro A. S. Vinzent, San Francisco (Usono) fl. 3,50. Entute estas ricevita fl. 589, el kio fl. 81,40 de l' eksterlando.

**Kongres-eldonoj.** — Dank' al la laboremego de kelkaj gesamideanoj, kiuj obstine kaj kuraĝe varbis anoncojn, per kiuj la plej granda parto de la nune tre altaj preskostoj estos kovrataj, ni povos ankoraŭ eldoni senpagan ilustritan gvidlibron pri Hago. Kelkaj el la kliŝoj jam aperis en la aldono de „Esperanto", aprila N-ro 1920.

**Aliĝiloj.** — Petite de diversaj flankoj alsendi por varbado aliĝilojn, ni presigis ilin grandskale kaj zorgos, ke antaŭ la fino de Junio ĉiuj naciaj centroj estos ricevintaj kvanton konvenon por esti dissendata al la diversaj lokaj grupoj.

**Definitiva festprogramo.** — La festkomisiono definitive fiksis la jenan festprogramon:

*Lundon 9 aŭgusto*, 8a vespere, koncerto en la Urba Teatro. Enirprezo fl. 0,25.

*Mardon 10 aŭgusto*, matene je la 10-a. Vizito al la Pacpalaco. Poste veturado tra la urbo en specialaj tramoj. Kostoj fl. 1.

*Merkredon 11 aŭgusto*, 8¼a vespere en la Urba teatro. Prezentado de la teatraĵo: „Juĝa kunsido en 1813". Enirprezo fl. 1.

*Ĵaŭdon 12 aŭgusto*, 9a vespere en la salonego de l' Zoologia Ĝardeno. Internacia balo senpage por la kongresanoj. Noktmanĝo po fl. 2,50.

*Vendredon 13 aŭgusto*, matene je la 10.29a foriro per vagonaro de la Holanda fervojsocieto al Leiden. Boatekskurso de Leiden al la Kager- kaj Brasemerlagoj. Vojaĝkostoj vagonaro kun boato fl. 3,50.

*Sabaton 14 aŭgusto*, posttagmeze je la 2½a. Komuna promenado de Plaats tra la Haga arbaro por viziti la „Huis ten Bosch" (Palaco en la arbaro). Enirprezo fl. 0,25. Poste komuna tagmanĝo en la „Roomhuis" (elirejo de la Haga arbaro). Kostoj fl. 3.

Oni do vidas, ke ni, malgraŭ la mallonga tempo de preparado, tamen sciis kunmeti sufiĉe allogan kaj alternan festprogramon.

**Aliĝoj.** — La 15 junio ni enskribis la 200-an kongresanon. Antaŭe ni raportis pri 114 aliĝoj kaj tie ĉi sekvas la 87 novaj. Cifero post la landnomo signifas la tutan nombron de aliĝoj el tiu lando kaj cifero post la propra nomo estas la kongresnumero.

**Anglujo** (54): *Ashby-de-la-Zouch*, J. F. Brazier (190); *Bath*, E. R. Blackett (142), F-ino Lucy B. T. James (194), S-ino Kate Halliday (196), S-ino Emilie Meyer (193), F-ino Susan N. Rands (145), F-ino B. Read (144), F-ino L. C. Silcox (143), Arthur S. Wall (197), J. Whitaker (141), F-ino Hilda M. Williams (195); *Bexlyheath*, Thomas Andrews (150), Arthur Morris (199), Sidney Morris (198), Georges Reeves (149), A. W. Thomson (147), K. G. Thomson (148); *Birmingham*, F-ino Lilian E. Davis (188), Cecil Charles Goldsmith (187), W. H. Sturge (189); *Croydon*, J. Bredall (152); *Edgward*, Ernest Frederick Relf (127), Thomas Joseph Relf (126); *Horwich*, F-ino E. Harrison (114); *Kettering*, F-ino M. F. Hone (191); *Leek*, John Wilson (116), S-ino J. Wilson (117); *Letchworth*, F-ino Eva L. Young (164); *London*, C. A. Fairman (153), F-ino D. Fiddian (180), S-ino Hart (176), F-ino R. H. Johns (156), F. C. Nielsen (158), S-ino (E. O' Brien (175), F-ino C. Osmond (155), F-ino S. Osmond (154), F-ino G. V. Pillar (157), C. Y. Veness (169); *Wolverhampton*, F-ino C. E. Hone (192). — **Argentinio** (1): *Buenos Aires*, Venancio Deulofeu (174). — **Aŭstrio** (1): *Wien*, Fritz Redl (128). — **Francujo** (14): *Paris*, Léon Courtinat (160), Léon Genleys (170). — **Germanujo** (4): *Cöln*, S-ino Henriette Zapater-de Chalmot (185), Baldomero Zapater (186). — **Hispanujo** (17): *Barcelona*, Joan Gilinorta (200); *Bilbao*, Ricardo Agliero (122), Victoro O. Allende (159), Basilio Barroso (123), Teodoro Elizondo (124), José Santamariá (121); *Tarrasa*, F-ino Gertrudio Cantarell-Badiella (178); *Zaragoza*, Emilio Gastón (165). — **Italujo** (3): *Padova*, Alberto Alessio (168). — **Nederlando** (59): *Amersfoort*, E. Urbach (182); *Amsterdam*, H. S. Donker (115), Henk Goemans (184), Prof. Dr. A. F. Holleman (172); *de Bildt (U)*, F-ino Cécile Hélène Charlotte Kyftenbelt (177), R. W. F. Kyftenbelt (179); *Goes*, F-ino A. A. C. Verhoeven (167), F-ino J. A. Verhöven (166); *'s-Gravenhage* (= Hago), F. E. Artes (119), H. J. Bulthuis (181), S-ino M. Sauerbier-Sauerbier (125); *'s-Hertogenbosch*, J. Pastoor (173); *Rotterdam*, F-ino Jeanne Hollertt (120), H. Verschoof (129); *Zwolle*, J. Kromme (131); *Zwollerkerspel*, F-ino W. C. Weststeijn (130). — **Skotlando** (25): *Aberdeen*, Pastro H. Dawtrey (151); *Ediuburgh*, F-ino Agnes Calderhead (137), F-ino Margaret W. Hunter (132), S-ino Martha E. Sanderson (133), Hector Sutherland (14 ); *Glasgow*, David Kennedy (135), F-ino Meg. Kennedy (136), Alexander R. Mc Phee (139); *Haddington*, F-ino Helen Forrest (138); *Leith*, F-ino Charlotte F. Dickinson (134). — **Svedujo** (3): *Gefle*, Fredrik Skog (146); *Stockholm*, Leander Tell (118). — **Svisujo** (4): *Bern*, Hans Jakob (162), Eduard Stettler (161). — **Usono** (4): *San Francisco*, A. S. Vinzent (183); *Union Hill* (N. Y.), J. J. Sussmuth (171); *Washington* (D. C.), B. Pickman Mann (163).

Antaŭe ni jam publikigis: **Belgujo** (2), **Bulgarujo** (2) Ges-roj Krestanoff estas erare envicigitaj sub Svisujo, num. 36/7, **Danujo** (2), **Nord-Afriko** (1) kaj **Polujo** (4).

**Lasta vorto.** — Pro la mallonga tempspaco inter la nuna tago kaj la kongres-semajno, ni nun ĉesigas la kongreskomunikojn. Ni esperas, ke ankaŭ la dua 200° pleniĝos. Kiu intencas iri, ne prokrastu aliĝi kaj prizorgi sian pasporton. Monon oni sendu nur al la Residentiebank en Hago, korespondaĵojn al sukskribinto. Ni memorigas, ke la kotizo estas 10 guldenoj kaj por pluraj samfamilianoj po 5 guldenoj.

La Nederlandaj gesamideanoj estas feliĉaj, ke en ilia neŭtrala lando okazos la unua postmilita universala Esperanto-kongreso, kie, ili arde esperas, la rompitaj internaciaj interrilatoj estos restarigataj.

*Ĝis la revido en Hago! Koran bonvenon!*

La sekretario-kasisto de la XII-a,
*J. L. Bruijn*,
Paul Krugerlaan 37, *Hago*.

---

## 6ª Kongreso de Universala Esperanto-Asocio en Hago

*8—15 aŭgusto 1920*

Nia sesa kongreso okazos samtempe kiel la XIIª universala, kaj ni dankas afable al la Loka Komitato en Hago por la aranĝoj, je nia favoro faritaj.

Kutime UEA havis specialan malferman kunvenon kaj tri laborkunvenojn. Konsiderante la cirkonstancojn de tiu unua postmilita kongreso, ni kontentiĝis kun du laborkunsidoj kun unu eventuala, kaj ankaŭ rezignis je propra malferma kunveno; kondiĉe ke en tiu-ĉi kunveno UEA estu reprezentata kaj ke la nuna escepto ne malhelpu nin, ricevi dum estontaj kongreson la tempon tiam bezonatan.

Pere de nia nederlanda Komitatano, S-ro Mees, la loka Komitato respondis, ke okazos la laborkunsidoj de UEA lundon kaj merkredon de 9—12, kaj la tria, se necese, sabaton antaŭtagmeze. Rilate al la malferma kunveno, ĝi demandos la K. K. K. Faciligante per nia rezigno la kongresaranĝojn, kaj ĉar nia postulo, ke povu paroli unu reprezentanto de UEA estas modesta, ni ne havas kaŭzon supozi, ke la K. K. K. malkonsentos.

Niaj traktotaĵoj estas: „Raporto pri la situacio de UEA. — Organizaj problemoj. — Diversaj proponoj."

Dank' al la kutima prikongresa interkonsento kun la organizantoj rajtas ĉeesti nian kongreson kaj ricevi eblan dokumentaron ĉiu kongresano, ĉu membro aŭ ne. La voĉdonrajto estas rezervata al la membroj, kiuj ne forgesu sian membrokarton. Ni atentigas, ke laŭ la regularo de nia Asocio, la kongreso nur voĉdonas deziresprimojn, kiujn poste ekzamenas la Komitato kaj submetas al skriba voĉdono de la Delegitoj. Sekve la kongreso priparolos la situacion, sed decidos pri la elektoj, statutoj, k. t. p. ĉiuj Delegitoj, laŭ raporto al ili sendota dum aŭtuno.

Proponoj: Rilate la nombron de la Komitatanoj oni provizore akceptis la jenan proporcion kun la memkomprenebla rezervo, ke la taŭgeco de la kandidato pli gravas ol matematike preciza apartigo laŭ la landoj. „Estu elektataj Komitatanoj el: Britio, Francio, Germanio, Svisio po 2 = 8; Hispanio aŭ Portugalio, Italio, Polio, Usono po 1 = 4; Belgio, Holando, Skandinavaj ŝtatoj entute 3; Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Jugoslavio, Balkanaj ŝtatoj entute 3: sekve 18 personoj. Pli posto 2—2 el la antaŭa rusa imperio, escepte Polio; eble 1 Komitatano el Azio kaj plia Amerikano.

Ni petas la membrojn dezirantaj nomigi Komitatanojn aŭ fari proponojn pri iu alia temo sendi siajn leterojn plej baldaŭ al la Centra Oficejo. Se mankas la tempo, sed nur tiam, ili adresu: S-ro H. Mees, Komitatano de UEA, Malakkastraat 101, 's-Gravenhage.

Vojaĝo al la Kongreso. La organizo de karavano kiel en la antaŭaj belaj tempoj ne estas ebla. Pri pasportoj kaj senpera vagonaro Svisio-Nederlando informas nia oficejo.

---

# NACIAJ KONGRESOJ

## Skandinava Kongreso 1920

Komisiita de la Organiza Komitato por la 2ª Skandinava Kongreso de Esperanto, mi sciigas, ke tiu kongreso ne povas okazi dum 1920 pro diversaj kaŭzoj.

Unue: Kiam fondiĝis nia Norvega Organiza Komitato, la decido pri la XIIª Universala Kongreso en Hago ankoraŭ ne estis prenita, kaj post kiam ni sciiĝis pri la efektiviĝo de tiu, ni trovis, ke Skandinava Kongreso tiel proksima je la Universala loke kaj tempe, ne devus eĉ iomete konkuri kun la unua universala kongreso postmilita, kongreso, kiu nepre devas plej bone sukcesi, kaj ni opiniis bone, helpi al ties sukceso, admonante al la Skandinavaj samideanoj vojaĝi Hagon. Tiun opinion ni scias, ankaŭ havas la Ĉefsekretario de la XIIª Universala kaj ankaŭ la Sveda Esperantistaro.

Due: Ni en Norvegio ankoraŭ estas tre malfortaj suferinte gravajn perdojn de kunbatalantoj, aŭ pro morto, aŭ pro forveturo de kelkaj el niaj plej valoraj samideanoj, tiel ke estus tre malfacile por ni havigi, la necesajn laborfortojn.

Anstataŭe ni penos fari nian eblon por atentigi pri Esperanto kaj kunigi la Esperantistojn dum la granda Skandinava Instruista Kongreso, kiu okazos komence de aŭgusto.

Do Skandinavaj samideanoj! al Hago!

Por la Norvega Organiza Komitato:
*R. Bugge Paulsen*.

---

**☞ Vi parolas pri centmiloj da Esperantistoj. Pruvu ke estas almenaŭ kvin mil. UEA bezonas 5000 membrojn!**

## La Dek-una Kongreso de Britaj Esperantistoj

La suprecitita Kongreso okazis en Birmingham, grava industria urbego en la centro de Anglujo, je la 21 ĝis la 25 majo 1920.

La nombro de ĉeestintoj iom superis tri cent — nombro sufiĉe kontentiga, kiam oni memoras, ke Birmingham estas urbo havanta preskaŭ nenian allogon kiel libertempejo.

Je vendredo vespere, la Akceptejo malfermiĝis. Ĉirkaŭ 50 gesamideanoj alvenis je tiu vespero kaj la du Kongresaj Sekretarioj — S-roj Cecil C. Goldsmith kaj J. T. Taylor — estis tre okupataj.

Je sabato, en la mateno, okazis kunveno de la Brita Literatura kaj Debata Societo, kiu estas okupata per la tradukado en Esperanton de kelkaj ĉefverkoj de la angla literaturo.

Dum la posttagmezo, La Brita Ligo de Esperantistaj Socialistoj aranĝis kunvenon, kiun multaj ĉeestis. Tiu ĉi Ligo kontentige progresas, kaj estas interese noti, ke la ĉefa loka socialista ĵurnalo publikigis artikolon pri „Esperanto kaj la Laborista Movado", longan raporton pri la Kongreso, kaj nun komencis serion da lecionoj pri Esperanto.

Sabaton vespere okazis propaganda kunveno. Ĉirkaŭ okdek lokaj societoj sendis delegitojn kaj ĉeestis ankaŭ multaj aliaj personoj, kiuj venis pro la gazetaj anoncoj. La programo konsistis parte el kvinminutaj paroladetoj pri la utileco de Esperanto en diversaj fakoj, kaj parte el kantoj, deklamoj k. t. p. Estas notinde, ke F-ino Gwen Quinton kantis belege „l'Alvoko", kvankam ŝi tute ne sciis Esperanton — nur lernis la elparoladon. Laŭ propaganda vidpunkto, tiu ĉi kunveno estis brila sukceso, kaj multaj novaj kursoj formiĝos kiel rezultato.

Dimanĉon okazis tri Diservoj organizitaj de la Eklezia Esperantista Ligo, du el ili ĉe la Katedralo. Ĉiuj estis en Esperanto, kaj la ĉeestintoj tre ŝatis ilin. Tagmeze, oni aranĝis Komunan Lunĉon, kiu donis bonegan okazon por konversacio. Vespere okazis tutesperanta koncerto, kiun ĉiuj trovis tre bona.

Lundon okazis dum la mateno la ĉiujara Kunveno de la Brita Esperanto Asocio. Dum la posttagmezo, la Kongresanoj vizitis la Botanikajn Ĝardenojn, kie oni faris la oficialan Kongresan fotografaĵon. Post la kantado de „La Espero", oni faris kelkajn propagandajn paroladojn kaj disdonis multajn folietojn. Vespere, oni vizitis teatron por vidi tre bonan prezenton de „Multe da Ĝeno pri Nenio", de Shakespeare.

Mardon matene, okazis kunvenoj de la Eklezia Esperantista Ligo, Ko-operativa Esperantista Ligo kaj la Universala Esperanto Asocio. Posttagmeze, la Kongresanoj vizitis la faman kakao- kaj ĉokolad- fabrikejon de Cadbury Fratoj ĉe Bournville. Post temanĝo tie, en ĉarmaj ĉirkaŭaĵoj, oni revenis al la urbo kaj poste al la sukcesplena Kongresbalo, per kiu finiĝis tre ĝuebla kaj tre sukcesa Kongreso.

*Eric Biddle.*

### Kunveno de UEA

S-ro J. C. Auty (Sheffield) prezidis.

La jenaj aferoj estis pritraktataj:

1e Oni esprimis sinceran ĉagrenon kaj bedaŭron pri la morto de S-ro Hector Hodler.

2e La Prezidanto legis leteron de S-ro Epstein pri delegitoj en urboj, kie UEA ne estas reprezentata. Kiel rezultato, kelkaj ĉeestantaj membroj oferis agi kiel delegitoj por siaj urboj.

3e Pastro L. A. Long proponis, kaj S-ro T. W. Hipsley subtenis, ke listo de urboj en Britio — dividitaj en grandajn kaj malgrandajn — estu kunmetata por la informo kaj uzo de la Centra Oficejo. Pastro Long konsentis kunmeti tiun ĉi liston.

4e S-ro C. C. Goldsmith proponis, kaj S-ino Hailstone subtenis, ke, kiam eble, oni aranĝu kunvenon de UEA membroj kaj delegitoj ĉe ĉiu Federacia Konferenco, kaj ke oni petu la sekretariojn fari la necesajn aranĝojn. Ĉiuj aprobis.

*Cecil C. Goldsmith,* Del. de Birmingham.

## Raporto pri la IXa Belga Esperantista Kongreso okazinta en St-Gilles

*Bruselo la 23—24 majo 1920*

La unua postmilita belga kongreso estis granda kaj ne esperita sukceso. La organizado estis bonega dank' al la sindonemo kaj lerta direktado de F-ino M. A. Jennen, helpita de S-roj Mathieux, Piens kaj de ĉiuj Bruselaj gesamideanoj. Ĉirkaŭ 200 kongresanoj ĉeestis. Kelkaj Angloj, Francoj kaj Holandanoj venis frataĝi kun la Belgoj; inter aliaj: S-ro Boutwood, el Hastings; S-ino Cense kaj F-ino Gérard el Parizo kaj S-ro Bruijn, la agema sekretario de la XIIa el Hago.

La kongreso okazis en la malnova urbdomo de St-Gilles. Laŭ la raportoj prezentitaj oni povis konstati, ke kvankam la Belga movado ege suferis pro la milito, ĝi ne estas mortinta kaj malgraŭ la nunaj malfacilaj vivkondiĉoj ĝi nepre volas rekomenci, pli ageme ol iam, la pacan bataladon por la sukceso de nia bela idealo.

Dimanĉon tagmeze la kongresanoj estis oficiale akceptataj en la urbdomo de St-Gilles. Bonvenante ilin je la plej afabla maniero, la Skabeno, S-ro Bernier, diris, ke Esperanto estas nun ne diskutebla fakto kaj ke la horo estas alveninta ĝin enkonduki en la publikan lernadon kaj ke li estas preta proponi ĝian instruadon en la lernejoj de St-Gilles. Notinde estas, ke St-Gilles, granda antaŭurbo de Bruselo, estas famkonata pro sia iniciato rilate la organizadon de la instruado en siaj lernejoj, kiuj estas modelo je ĉiuj vidpunktoj. Estas certe, ke se St-Gilles oficiale enkondukas Esperanton en siajn lernejojn, la aliaj urboj imitos ĝin. La promeso de S-ro Bernier estas do gravega, kaj oni povas esti certa, ke la Bruselaj geamikoj klopodos por efektivigi ĝin kiel eble plej frue!

Sed ne malpli grava estas la deklaro farita de S-ro Paul Otlet en la nomo de la „Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj" kies ĝenerala Sekretario li estas. Tute ne atendite S-ro Otlet anoncis, ke Esperanta katedro estos kreata kaj grava loko rezervata al nia lingvo en la „Internacia Universitato", kiu estos fondata en Bruselo okaze de la „Internacia Dusemajno" (Quinzaine Internationale), kiu okazos en la belga ĉefurbo dum la proksima septembra monato.

Jen nova fakto, kiu pruvas, ke pli kaj pli oni taksas nian lingvon je ĝia valoro kaj ke ĝi eniras la periodon de la praktikaj realiĝoj! Ne necese estas insisti pri la graveco de la enkonduko de Esperanto en la programon de la baldaŭe fondota „Internacia Universitato", kiu estos starigata laŭ la iniciato de la „Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj", kiu grupigas pli ol mil internaciaj societoj!

Konsekvence, la „Belga Ligo Esperantista" tuj transdonis al la „Konstanta Komitato de l'Kongresoj" proponon ekzamenotan dum la Internacia Kongreso en Hago, por ke la necesaj rimedoj estu alprenataj, por ke Esperanto estu oficiale reprezentata, dum septembro proksima, en la unua kunsido de la „Internacia Universitato".

Ĉar en la nunaj cirkonstancoj la reaperigo de bela nacia organo ne estas ebla, la Liga Komitato provizore decidis, ke oni instigu la belgajn geesperantistojn aboni la ĵurnalon „Esperanto", la organo de UEA al, kiu la Ligestraro sendos la oficialajn komunikaĵojn kaj penos havi specialajn abonkondiĉojn.

Lundon matene la kongresanoj gvidataj de S-ro Otlet, Direktoro de la Bibliografia Instituto en Bruselo vizitis la Internacian Muzeon kie bela konstanta Esperanta ekspozicio estas aranĝita dank' al la zorgoj de la „Centra Esperantista Oficejo" en Parizo. Dum la vizitado de la muzeo la kongresanoj povis admiri la mirigan ordigon de la diversaj fakoj de la internacia vivo de ĉiuj popoloj. S-ro Otlet dediĉis pli ol 20 jaroj de senlaca laboro al tiu ordigo kaj ĉefe al la klasigo decimala de la „Bibliografia Instituto", kaj li anoncis, ke estonte, tiu klasigo estos farata en Esperanto! Jen nova venko, kiu montros la taŭgecon de nia lingvo por ĉiuspecaj tradukaĵoj!

Posttagmeze la kongresanoj faris belegan ekskurson al Tervueren, apud Bruselo, kaj vespere disiĝis elportante el la du kongrestagoj novan provizon da entuziasmo kaj kuraĝo kaj la konvinkon, ke la fina venko estas proksima!

*H.P.*

## Esperanto Tago en Budapest

La Hungaraj Esperantistoj kunvenis la 15—16 majo. Post diversaj paroladoj kaj diskutoj oni starigis novan komitaton; kiel prezidanton oni elektis D-ron A. Giesswein, papa prelato kaj parlamentano. Oni decidis altigi la kotizaĵojn. Pluraj telegramoj kaj leteroj estis senditaj al diversaj aŭtoritatoj atentigante pri nia movado. En la amuza parto interalie estis prezentita originala tragikomedio, „Ĉu li aŭ ŝi", verkita de D-ro de Kalocsay, la talenta poeto. Oni disiris kun la deziro kunveni en landa kongreso proksiman jaron dum pli favoraj tempoj. *P. B.*

## 6a Finnlanda Kongreso

Pli ol duoncento da samideanoj kunvenis la 2—4 aprilo en Viipuri. Post starigo de nova komitato oni decidis duobligi la kotizaĵojn kaj elekti vojaĝan paroladiston, kiu ĉiujare vizitos ĉiujn grupojn, parolados al la publiko en festoj aranĝotaj de la lokaj grupoj, konsilos la laboremajn anojn, riproĉos la mallaboremajn kaj ĉiamaniere zorgos, ke la societa agado daŭru vigle, praktike kaj celkonscie. Oni deziresprimis, ke la verkoj en Esp. estu trarigardataj de kompetentuloj antaŭ la presigo, ke la Lingva Komitato kaj la Intern. Asocio de Esp. Societoj (?) rekomencu sian agadon. Oni diskutis pri la propagando ĉe diversaj ideaj kaj fakaj societoj, esprimis la deziron, ke finnaj sam.-anoj akceptu esperante parolantajn infanojn el la malsatantaj landoj.

Vespera festo, vizito de la urba muzeo, diservo kun esperanta prediko, ekskurso al parko Papula kaj komuna tagmanĝo okazis inter la plurhoraj diskutaj kunsidoj. Laŭ „*Esp. Finnlanda*".

---

## Esperantista Akademio

En majo lasta okazis elektoj de novaj Akademianoj. Estas elektitaj: S-roj Corret, Grosjean-Maupin, Kühnl, Privat kaj Warden; Estas reeliktitaj: S-roj Cart, Mybs kaj de Lengyel. La Akademio konsistas nun el la nunaj 15 personoj: Th. Cart, P. Christaller, P. Corret, Evstifejeff, A. Grabowski, E. Grosjean-Maupin, V. Inglada, E. Kühnl, Lengyel, D-ro Mybs, P. Nylen, E. Privat, R. de Saussure, A. E. Wackrill, J. M. Warden.

Ĉiujn detalojn pri tiuj reelektoj oni trovos en la numero XI (77) de Oficiala Gazeto.

*(Afable gratulante al la novaj elektitoj, ni tre miras, ke ne eksiĝis propravole el la Akademio estinta Samideano, kiu nun per preso kaj paroladoj propagandas alian lingvon. — La intertempa Redaktoro.)*

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Henri Barbusse kaj Esperanto.** — La N-ro 19 de „Clarté" (12, rue Feydeau, Paris) enhavas gravan artikolon, de Henri Barbusse, la fama aŭtoro de „Le Feu", pri la lingvo internacia. Jam aperis en antaŭaj numeroj pledoj por Esperanto kaj ĝiaj konkurantoj; en majstra maniero Barbusse konkludas, ke el ĉiuj projektoj Esperanto nepre devas esti akceptata kaj finas jene:

„Ni volas valorigi tiun pozitivan opinion ĉe la Internacia Intelekta Kongreso, kiun ni preparas, kaj peti de la idistoj rezigni je aparta propagando, kies rezultoj povas esti nur senutilaj kaj pereigaj. Ni estas konvinkitaj, ke niaj idistaj kamaradoj komprenos kiel grava estas la prenota decido nuntempe, kiam la homaro serĉas malkviete kaj fervore la savon per la unueco, kaj ke ili bonvolos konstati, ke daŭrigi tiun apartecon estas kontraŭbatali la idealon de l'internaciismo kaj atenci al tiu supera disciplino, kiu hodiaŭ devas gvidi ĉiujn saĝajn spiritojn."

∴ **La unua kolonio Esperanta?** — La projektata kolonio „Chrisnuco", jam du, trifoje anoncita al la Esperantista mondo en tiu ĉi gazeto, se ĝi ja efektiviĝos, devos necese alpreni nian lingvon kiel interkomunikan rimedon kaŭze de l' granda diversnacieco de tiuj interesitaj pri la afero. Pro tiu fakto, kaj pro tio, ke granda parto de l' varbitoj jam estas Esperantistoj, la fondanto nun konsilas al la ceteraj anoj, ke ili ellernu nian lingvon kiel eble plej baldaŭ. „Chrisnuco" estas jam de longe la kara revo de S-ro Alcock, kiu volas fondi ie en Suda Ameriko kolonion, kies anoj povos vivi ne nure en kondiĉoj de politika, ekonomia kaj socia justeco, malproksime de la eternaj maltrankvilaĵoj de Eŭropo, sed cetere en pleja harmonio kun naturo. Ankaŭ do enkalkuliĝas inter la principoj de „Chrisnuco" vegetarismo, plena seksegaleco kaj libereco, abstinenco je ĉiu ebriiga trinkaĵo kaj — nudeco! La lasta ero eble ŝajnas iom stranga. Tamen la grandeco de l'respondo al la anonco el preskaŭ ĉiuj landoj kie „Esperanto" trovas legantojn, evidentigas ke al multaj homoj tia idealo estas alloga. Tiurilate memorinde estas, ke tiu aparte speco de „reveno al naturo" laŭ higiena kaj morala celoj jam efektive diversloke praktikiĝas. Jam ekzistas ligoj kaj institucioj ebligantaj al ambaŭseksuloj, kiuj volas trafi tiun paradizan idealon, pasigi kune la somerlibertempon tute plezure kaj profite — kaj senkulpe — eĉ en la klimato de norda Eŭropo. Eble, se „Chrisnuco" realiĝos, tiaj nuntempaj someraj Edenoj estonte fariĝos varbejoj por la kolonio — kaj, kelkmezure, ankaŭ por Esperanto.

∴ **Esperanto kaj literaturistoj.** — Okaze de la tradukado de la granda romano „Sub la jugo", entreprenita de nia kunlaboranto S-ro Krestanoff, la bulgara nacia poeto kaj ĝia aŭtoro Ivan Vazov skribis al li la jenan leteron: „Mian permeson vi havas. Mi dankas al vi, ke per via traduko vi konatigos la Esperantistan mondon kun miaj verkoj. Mia opinio pri Esperanto estas, ke ĝi estas la plej perfekta ĝis nun artefarita lingvo, kreita kun celo proksimigi la homaron kaj ĝin fari pli alirebla por komunkulturaj valoraĵoj."

∴ **Esperanto kaj komerco.** — *La Universa Komerca Muzeo en Parizo* organizis konstantan specimenan foiron por la vendo de ĉiuj komercaĵoj. La direkcio de la muzeo decidis la kreon de „Internacia Komerca Esperanta Oficejo". Petu studetojn en Esperanto al la socia sidejo: 3, str. Chaillot, Paris 16a.

∴ **Miaj spertoj kiel Esperantisto dum mia mallibereco en Rusio kaj Siberio.** — Mi ne rakontos pri la vivo de la militkaptitoj ĝenerale, sed nur pri la spertoj, kiujn mi persone faris dum mia trijara restado en Rusio kaj Siberio.

En junio 1915 mi, post trisemajna veturado, alvenis en Solikamsk, urbeto en la nordorienta gubernio Perm. La maltrankvilo pri socia sorto min forgesigis pri Esperanto. Mi kaj miaj kamaradoj estis detenataj en la tiea brandfarejo.

Iun tagon mi eksciis, ke germana militkaptito sendis leterojn al angla Esperantisto. Ne povante mem lin viziti, mi skribis al li, kaj la postan tagon ricevis de li respondon kaj kelkajn numerojn de „Germana Esperantisto", kiujn li dum batalo estis portinta en sia tornistro. Baldaŭ mi decidis mem organizi kurson por miaj kamaradoj. Sed tiucele mi bezonis lernilojn. Mi uzis la venantan elirpermeson por iri en librovendejon kaj trovis tie ne nur lernolibrojn kaj vortarojn, sed ankaŭ kelkajn literaturaĵojn. Bedaŭrinde mi ne povis interrilati kun rusaj Esperantistoj; ĉar ni estis tro severe observataj.

Post unu jaro oni nin transportis en Siberion; parto de miaj lernantoj venis kun mi. Post dusemajna veturado ĝis Omsk, oni nin sciigis, ke la urbo Barnaul ap. Ob estos nia nova restadejo. En Novo-Nikolajewsk ni ŝanĝis vagonon, kaj dum du tagoj daŭrigis la veturadon en komfortaj Pullman-vagonoj ĝis Barnaul. Tie oni nin laŭnacie disigis. La germanajn oficirojn oni loĝigis en bierfarejon, kiu pro la alkoholmalpermeso estis ĉesiginta la bierfaradon. En la bela domo kun ĝardeno la vivo estis tre agrabla; ni havis la permeson eliri ĉiutage sub observado.

La trian aŭ kvaran tagon oni min venigis en la korton. Tie min atendis sinjoro kvardekjara, belkreska, kun afabla mieno. Li min salutis, kaj iom hezite min demandis, ĉu mi estas Esperantisto. Mi jesis kaj esprimis mian plezuron, ke mi unue en mia vivo povas

interparoli kun rusa samideano. En liaj okuloj ekbrilis ĝoja lumeto, ĉar ankaŭ li neniam estis renkontinta fremdan samideanon, kaj li sin dube demandis, ĉu estos eble sin reciproke kompreni.

Unu vorto alvenigis alian, kaj post kvaronhoro ni povis konstati, ke ni estis bonaj amikoj. Li donis al mi kelkajn Esperanto-gazetojn kaj ŝlosilojn, por ke mi ilin uzu instruante. Li rakontis, ke lia edzino estas Esperantistino, kaj instruas la lingvon en elementa lernejo. Poste li min invitis en sian domon, por ke mi konatiĝu kun aliaj samideanoj. Mi devis lin atentigi, ke tio ne estas permesita al militkaptito, sed li rapidis al la telefono, kaj akiris por mi la permeson lin viziti tute laŭvole.

Miaj kamaradoj, kiuj ĝis nun estis tute indiferentaj pri Esperanto, min nun enviis, ĉar ĝis nun neniu germana aŭ hungara militkaptito estis ĝuinta tian liberecon. La rezulto estis, ke mi tuj povis malfermi novan kurson.

Por mi komencis nun belaj, feliĉaj tagoj en la hejmo de mia amiko, S-ro Kungarow, kie mi ankaŭ amikiĝis kun S-ro Tokarew, profesoro en la tiea teologia kolegio. Jam la duan tagon la gesinjoroj Kungarow min invitis al „saftrag" t. e. manĝo inter la maten-kaj vespermanĝoj, simila al la angla „Lunch". Por la unua fojo de post unu jaro mi sidis ĉe bele kovrita tablo kaj ĝuis bonan nacian manĝaĵon. Tiu ĉi feliĉo daŭris du monatojn, kaj kiam la rusaj samideanoj min vizitis en la militkaptitejo, mi povis prezenti al ili miajn lernantojn. Tiam pli ol 100 loĝantoj de la urbo lernis nian lingvon.

Sed nun mi devis forlasi la urbon. Mia amiko estis tre malĝoja, ĉar li vane estis petinta de la komandanto, ke almenaŭ al mi estu permesita postresti. Li min akompanis al la stacidomo, kisis min laŭ rusa kutimo, kaj enmanigis al mi gravan monsumon, por ke mi estu sufiĉe provizita dum la vojaĝo. Lasta manpremo, kaj li rapide forveturis.

Mi envagoniĝis tre emociita. Mi sentis, ke mi forlasis bonan amikon, sendube por la tuta vivo. Tiam mi ekkonis la veran signifon de Esperantismo.

Oni kondukis nin al Novo-Nikolajewsk, kie oni loĝigis nin en malagrablajn barakojn. Ĉiuj nutraĵoj estis pli malbonaj ol en Barnaul. Ankaŭ tie troviĝis samideanoj. Min vizitis diversaj personoj: oficiroj, komercistoj, studentoj. Ankaŭ mongola princo, antaŭa kortegano en Petrograd, alvenis, sed nur mallonge restis en la urbo. En kurson, kiun mi gvidis, venis simpla Siberia kampulo, tieldirita „Negramotny" t. e. ruse analfabeto. Ĉiuj samideanoj estis tre afablaj, kaj nin helpis laŭeble. S-ro Gallanin, komercisto, sendis al ni, precipe dum la malsata periodo, farunon kaj eĉ cigaredojn, kiuj tiam estis preskaŭ netroveblaj. Dum la revoluciaj tagoj ni bedaŭrinde devis eviti ĉiun interrilaton kun li, ĉar li fariĝis membro de l' sovjeto, kaj klopodis por instigi niajn soldatojn al ribelo.

Tre afabla estis ankaŭ la sekretario de la Esperanto-Asocio en Kiew. Dum lia militiro li ofte korespondadis kun ni, kaj sugestiis al la oficiroj de sia regimento, ke ili nin protektu kontraŭ atakoj.

Plej favora estis al ni S-ro Sapjelkin, instruisto kaj tiam leŭtenanto. Li estis bonanima, sincera samideano, kiu nin tre ofte vizitis kaj ankaŭ metis sian vastan Esperantan libraron je la dispono de niaj lernantoj. La grandanima viro estos por mi ĉiam neforgesebla.

Je la 2 majo 1918 venis por mi la horo de la aspirita libereco; estis al mi permesite, reveturi hejmen kiel malsanulo. La adiaŭdiro al niaj kamaradoj kaj samideanoj estis korega. Sed jam en Omsk ni devis halti du tagojn, eĉ oni volis nin resendi. Estis ree Esperantisto, kiu plenumis miraklon. Ni eksciis, ke la tiea polica komandanto estis Esperantisto. Tuj mi estis sendata al li kun kamarado ankaŭ scianta nian lingvon. Sed kia embaraso! Ke li povis interparoli kun ni en nia kara lingvo, lin tiom entuziasmigis, ke li nepre volis nin deteni en Omsk. Nur la konsidero, ke ni deziris lian helpon ankaŭ por multaj aliaj kamaradoj, kiuj atendis en la stacidomo, malfortigis lian kontraŭstaron, kaj ni baldaŭ estis permesataj daŭrigi nian vojaĝon. Post du semajnoj ni atingis Petrogradon, kie la loĝantaro sin montris tre ĝentila kontraŭ ni. Oni permesis al ni promenadi en la belega urbo, kaj dum tia promenado mi trovis sur „Nevski Prospekt" librovendejon kun Esperantaĵoj. Mi longe interparolis kun la vendisto, kaj multaj preterpasantoj haltis, kaj ne nur atentis nian paroladon, sed ankaŭ aĉetis diversajn broŝurojn. La ĝojigita vendisto invitis min, viziti la Esperanto-kunvenon; sed mia sopiro al la patrio jam post du tagoj igis min rapidi hejmen.

Kompreneble mi ne povis rakonti ĉion, kion mi spertis per Esperanto, kion mi sentis en momentoj kaj situacioj, en kiuj la homa vivo ŝajnas senvalora, kaj mi estis en humoro tre malfiera. Sed ĝuste tiam mi renkontis homojn, kiuj faciligis al mi la vivon, kvankam laŭvere ili estis niaj malamikoj. Ĉu oni, tion vidante, ne devas esti kaj resti fidela Esperantisto, certa pri la sankta interna ideo de nia lingvo? La ĉefverko de nia eterne glora Zamenhof estas la ŝlosilo malfermanta la koron de la homoj, kiuj komprenas, ke super ĉiu ŝovinismo ekzistas io pli nobla: la amo al la homaro.

Koran dankon al nia kara majstro kaj al ĉiuj samideanoj, kiuj havigis al mi kaj al miaj kamaradoj tiom multe da bonegaj, neforgeseblaj horoj, kompareblaj nur kun sunradioj, kiuj ekbrilas malantaŭ disiĝanta nigra urbaro. — Majoro *Karl Neumann*. Trad.: *A. C.*

# TRA LA GAZETARO

.˙. *„British Esperantist"* (junio), enhavas mallongan raporton pri la Xa Brita kongreso, rakonton el la biblio kaj legindan historian resumon „Esperanto en Skotlando" en angla lingvo. Ni sciiĝas per tiu lasta, ke en urbo Aberdeen vivis George Dalgarno, kiu en jaro 1661 verkis sistemon de lingvo internacia; longa vico de pioniroj kaj fervoraj anoj de nia afero pasas antaŭ ni.

Porinfana helpo Viena ĝis nun kolektis pli ol Fr. 500. Artikolo de konata sam-ano Applebaum pri vojaĝo de Anglio al Polio kaj viziton ĉe S-ino Zamenhof. Krom tio diversaj aliaj artikoloj kaj kroniko.

Aliaj gazetoj ricevitaj:

.˙. *„Amerika Esperantisto"* (aprilo), *„Esperanto Itala Revuo"* (marto), *„Esperanta Ligilo"*, Universala gazeto por la blinduloj, (majo) formato 18 × 26 cm, 48 p. Tiu-ĉi gazeto, fondita de P-ro Cart regule aperas ĉiumonate sub redakto de H. Thilander, Majorsgasse 12, Stockholm (Svedio), *„Esperanto-Mitteilungen"* (20 majo kaj 1 junio), *„La Studento"* eldonita de la Pola Studenta Societo en Erie, Usono Pa. N-o (majo), *„L'Esperanto"* (marto aprilo), *„La Verda Ombro"* (aprilo), eldonita de Formosa Esp. Asocio hektografita en Esp. Japane kaj Angle, *„Monata Bulteno de Aplech Esp. Grupo"* (aprilo), *„Hispana Esperantisto"* (aprilo), *„Germ. Laborista Esperantisto"* (junio), *„La Unuigita Tuthomaro"* (junio), *„Le Monde Espérantiste"* (majo-junio), *„Franca Esperantisto"* (majo), *„Svisa Espero"* (majo), *„Esperantista Voĉo"* (jan.-marto), *„Espero Katolika"* (majo).

# TRA LA LIBRARO

**Bildotabuloj por la instruado de Esperanto.** Laŭ *Thora Goldschmidt*, bildotabuloj. 35 bildoj kun klariganta teksto, ekzercoj, ekzemploj kaj gravaj aldonoj: fundamenta gramatiko, ekzercaro, k. t. p. Ferdinand Hirt kaj filo en Leipzig. 104 paĝoj, 21 × 27 cm. Prezo: bindita M. 4 (+ nuna plikariĝo).

Jen ankaŭ nova, sed por ĉiuj lingvanoj uzebla, lernolibro, laŭ la tiel nomita rekta metodo. Ĝi do instruas Esperanton nur pere de tiu ĉi lingvo mem. La 35 ampleksaj bildoj de tiu ĉi luksa albumo provizas abundan materialon por konversaciaj ekzerciaj inter instruisto kaj lernantoj. Tiel granda estas la nombro de l' vortoj aldonitaj al ĉiu bildo, ke la libro preskaŭ estas laŭsence ordigita vortaro. Ĉiu temo okupas du paĝojn; la unua enhavas la bildon, kies ĉiuj objektoj estas numeritaj, kaj sube la rilatajn vortojn; la dua konsistas el tekstoj, dialogoj, frazoj pri ĉiuj okazoj de l' ĉiutaga vivo.

Foliumante la libron oni miras pri la multnombreco de l' traktitaj temoj, pri la abundeco de l' paroltumoj en la demandoj kaj respondoj; en tiu rilato la libro estas vera trezoro, el kiu eĉ lertaj samideanoj povos elĉerpi sciaĵojn; lernanto kiu zorge kaj pacience estos trastudinta la tuton fariĝos sperta Esperantisto.

Kompreneble pri la elekto de kelkaj radikoj, kaj pri pluraj kunmetitaj vortoj, ne ĉiu senkondiĉe konsentos. Aliaj esprimoj estas ankaŭ akcepteblaj; iom post iom ĝenerala uzado fiksos la plej taŭgajn kaj forgesigos la aliajn; sed unuanime oni admiros la lertecon de l' aŭtoro en la malfacila tasko traduki multajn fakajn vortojn. Inter la plej dubaj mi citos ekzemple:

| | |
|---|---|
| *ŝoforo* (aŭtomobilisto) | *treno* (milita veturilaro) |
| *ministranto* (pastroservisto aŭ akolito, laŭ Zamenhof) | *farbo* (kolorpeco) |
| | *lekcio* (instruhoro) |
| *emporo* (preĝeja balkono) | *fiakra ferdeko* (kovrilo) |
| *lustro* (preĝeja lucerno) | *foiro reto* (reteto por provizoj) |
| *karoserio* (aŭtomobila seĝaro) | *aviadilŝedo* (aviadilejo) |
| *parafango* (kotŝirmilo) | *sukerkeglo* (sukerkonuso) |
| *garaĵo* (aŭtomobil-aviadilejo) | *ŝvebigilo* (ludbalancilo) |
| *parvezo* (ŝipbalustrado) | *gambo* (kruro) |
| *luko* (ŝipfenestreto) | *portfeljono* (poŝtpaperujo) |

La aldono, post la bildaro, de la fundamenta gramatiko kaj ekzercaro, de tri poemoj Zamenhofaj kaj de l' letero pri la deveno de Esperanto ankoraŭ pliriĝigas tiun juvelon rimarkindan en la aro de niaj lernolibroj. Pri la lingva korekteco de l' tekstoj kaj la scienca valoro de l' verko ne estos necese insisti, kiam oni scios, ke la Esperantigon de tiu bildlibro, jam plurlingve tradukita, ni ŝuldas al D-ro J. Dietterle, direktoro de la Saksa Esperanto-Instituto. Nia majstro, kies portreto ornamas la unuan paĝon, estus alte taksinta la verkon de sia eminenta disciplo. — *G. S.*

**Esperanto voor de Jeugd** *(Esperanto por la junularo)*, de *J. W. Sevenhuijsen*. Kun muziko de A. W. Sevenhuijsen kaj kovrila desegnaĵo de A. M. J. Sevenhuijsen. Harlem, eldonisto H. de Kleijn. Du kajeroj 17×22 cm, ĉiu 32 paĝa. Prezo: ne montrita.

En antaŭparolo la aŭtoro klarigas, kiel, uzinte dum ok jaroj diversajn lernolibrojn por instrui Esperanton al junuloj, li konvinkiĝis, ke tiuj verkoj, konsistantaj ĉefe el tradukekzercoj kaj lernotaj vortlistoj, ne ebligas alkutimiĝo al aŭdado, legado kaj interparolado Esperanta. Por atingi tiun rezultaton, li do kunmetis aron da zorge gradigitaj legaĵoj, akompanataj de l' necesaj gramatikaj klarigoj. Tiel, helpe de instruisto, kaj dank' al la facileco de nia lingvo, ties plenan konon facile kaj netede akiros gejunuloj. Laŭ tiu tute natura kaj science pravigebla metodo, S-ro Sevenhuijsen verkis originalan laŭdindan lernolibron. Se, plie, ni diras, ke la tekstoj estas tre bone elektitaj, ke desegnaĵoj utilaj por konversacio akompanas ilin, ke spritaj bildaroj servas por montri la uzadon de l' pronomoj, de l' prepozicioj, de l' prefiksoj kaj sufiksoj (inter ili troviĝas „mis"), de l' participoj, de l' tabelo de la simplaj vortoj, ke dialogoj kaj ~~kantoj varligas la enhavon, oni havos ideon pri la perfekteco kaj~~ riĉeco de tiu instruilo dediĉata al la Holanda junularo. Ni ne dubas, ke la detalaj holandlingvaj klarigoj estas tiel trafaj kaj senerarај, kiel la Esperanta legaĵaro, kaj tial ni povas senrezerve gratuli la verkinton pro lia bonega libro, espereble longe, sukcese kaj arege uzota. — *G. S.*

## Zamenhof-numero

La administracio de „Esperanto" disponas ankoraŭ pri kvanto da numeroj kun bildo kaj priskribo pri nia majstro. Ni sendas ĝin kontraŭ sendo de 3 internaciaj respondkuponoj, pago en biletoj aŭ reprezentanto:

*Aŭstrio* 4.50 Kr.; *Belgio* 0.90 Fr.; *Britio* 7½ d.; *Bulgario* 2.25 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr.; *Finnlando* 1.50 F. M.; *Francio* 0.90 Fr.; *Germanio* 1.80 Mk.; *Hispanio* 0.75 Pesetas; *Hungario* 4.50 Kr.; *Italio* 1.05 L.; *Jugoslavio* 3 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 1.80 Mk.; *Skandinavio* 50 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponj estas ebla oni sendu tiajn.

# Lingvaj Studoj

## La ismoj

A. *Evoluo.*

En la antikva greka lingvo ekzistas la sufikso *iz* (ic), per kiu formiĝas verboj precipe el substantivoj, ekz. *elpizein* (esperi) de *elpis* (espero). Alfiksite al la nomoj de gentoj, popoloj aŭ personoj, ĝi donas regule la signifon: konduti, paroli kiel, imiti la morojn de, esti inklina al, esti partiano de tiu gento aŭ persono. Ekz. *hellenizein, medizein, dorizein, attikizein, filippizein*: konduti, paroli kiel, esti partiano de la helenoj (grekoj), medoj, doroj, atenanoj, Filipo (reĝo macedona). (Komparu la latinan *graecari* [grek-], la germanan *französeln* [franc-].)

El tiuj verboj estas formitaj substantivoj kun la sufikso *ism*, kiuj nomas tian mor-imitadon, parolmanieron, inklinon aŭ partianecon, ekz. *Hellenismos, Medismos, Attikismos*, k. t. p.

La tiel formiĝinta en la antikva greka lingvo mem ne tre ofta sufikso *ism* estis iom post iom transprenata en ĉiun kulturlingvon por signi precipe: 1e formojn de lingvo k. s.; 2e doktrinon, kredon, filozofian sistemon k. s. karakterizatan per iu persono aŭ ideo.

Tiu ĉi sufikso estis alfiksata ne nur al radikoj grekaj (ekz. *eŭfem-, antropomorf-, katolik-*), sed ankaŭ al vortoj de multaj aliaj lingvoj (ekz. franca: *rojal-*, hispana: *kanibal-*, rusa: *bolŝev-*, ĉina: *ŝinto-, tao-*, hinda: *ŝaman-*, Esperanta: *homaran-*), precipe de la latina (ekz. *human-, ultramontan-, militar-, optim-*) kaj sendiference al la nomoj de personoj (ekz. *Darwin-, Marx-, Saint-Simon-, Dalton-*).

B. *Gramatiko.*

Ekzamenante la ismo-vortojn ni unue eliminu tiujn, kiuj tute ne konvenas al nia sistemo, ĉar en ili la *ism-o* ne havas aŭ perdis karakteron *sufiksan* (ekz. *abismo, rismo, skismo, prismo*) aŭ ĉar ili ne devenas de la greka (vira) formo *ismos*, sed de la neŭtra *isma* aŭ de *ysmos* aŭ *ysma* (ekz. *sofismo, paroksismo, aneŭrismo*).

Ne konsiderante tiujn ĉi esceptojn, ni trovas, ke la silabo *ism* estas uzata kiel memstara *sufikso internacia*. Do ŝajnas mirige, ke D-ro Zamenhof, kiu enprenis en Esperanton sufiksojn ne internaciajn kiel *ge-, -uj-, -er-*, tamen evitis oficialigi tiun ĉi sufikson plej internacian. Supozeble lin malinstigis la konsidero, ke *-ism-* havas plurajn signifojn. Sed tio ne estas nepre decidiga. Ĉu ni ne havas jam aliajn afiksojn plursignifajn kiel *-uj-* (vazo, planto, lando), *-ad-* (daŭro, plurfoja ripetado), *-iĝ-, -re-, -ist-?* La malfacilaĵoj, kiujn kaŭzas tia natura plursignifeco, estas neniom gravaj aŭ oftaj. — La silabo *ism* estas sufikso tute *vera* kaj ne, kiel kelkaj gramatikistoj ĝin nomas honteme, *pseŭdo-* (t. e. falsa, malvera) sufikso. Formante la vorton *homaran-ism-o*, kunmetitan tute Esperante, nia majstro mem konvinke atestis tion. La samon faris la Esperantistaro preferante formojn kiel *internaci-ismo, util-ismo, punkt-ismo* al la pli internaciaj *internacionalismo, utilitarianismo, poentilismo*.

Tiu ĉi Esperantiga metodo ŝajnas al mi tre aprobinda. Tamen oni nepre atentu, ke ĝi estas aplikebla nur, kiam la esperantigita formo ne multe devojiĝas de la internacia aŭ kie malkomprenoj estas ne timendaj. Ĉi tiuj kondiĉoj estas plenumataj, kiam oni nur iom plimallongigas la originalon aŭ esperantigas la ortografion; ekz.: *intelekt(ual)ismo, konstituci(onal)ismo, Lut(h)er(an)ismo, aneks(ion)ismo, Budhismo (anstataŭ Buddha-), ŝovinismo* (Chauvinismo), *stoik-, katolik-, mistik-ismo*[1] *(stoic-, katholic-, mystic-ism-), cezarismo (Caesar-)* aŭ kiam la kunteksto facile konebligas la sencon; ekz.: *punkt-ismo* en artikolo pri moderna pentrarto por la franca *point-ilisme*). Tia tradukado de la radiko aŭ eĉ de la tuta vorto estas rekomendinda speciale por eviti maloftajn kaj tute superfluajn novajn vortojn kiel *paganismo* anstataŭ *idolanismo* aŭ *idolaneco*. Sed oni ne estu tro fervora en tio, ĉar *rojalismo, unitar(ian)ismo,*

[1] La anstataŭigo de tia *ic* (iz) per *ik* estas eĉ plikorektigo, ĉar la greka lingvo, el kiu tiuj ĉi vortoj devenas, havas ankaŭ la formon *ik*!

*infantilismo, pietismo* havas pli specialan sencon, kaj estas ankaŭ alikaŭze pli bonaj ol *reĝaneco, unuecaneco, infaneco, pieco;* kaj *spirit-ismo* estas io tute alia ol *spiritualismo!*

Kelkfoje la Esperantigo ebligas eĉ delikatajn diferencigojn. Ekz.: radiko greka *teismo* = kredo je persona dio,
„ latina *deismo* = „ „ dio pro racio-kaŭzoj,
„ Esperanta *di-ismo* = „ „ dio ĝenerale.

*Amerikanismo* = ecaro de la amerikanoj, principaro, moraro, spirito karakterizaj por la usona popolo. *Amerik-ismo* = amerika esprimo, amerika specialaĵo de la angla lingvo. *Krist-ismo* = doktrino de Jesuo Kristo mem. *Kristan-ismo* = religia sistemo starigita de liaj anoj; k. s.

Anstataŭigante *ism* per alia sufikso oni atentu eviti alisignifecon: *paraleleco* kaj *paralelismo, heroeco* kaj *heroismo, rigoreco* kaj *rigorismo, organaro* kaj *organismo, prozelitigemo* kaj *prozelitismo* (konvertemo) estas sufiĉe egalsencaj, sed ne *Judeco* kaj *Judaismo, moderneco* kaj *modernismo, pureco* aŭ *purigemo* kaj *purismo* (lingvo-purigemego). Aliflanke la Esperantigemo faru koncesiojn al la internacieco pro kaŭzoj de plibelsoneco kaj simpleco. Kiel oni preferas *diplomato, beletristo, publicisto, tajloro* al *diplomatiisto, beletristikisto, publikigisto, vestaĵfaristo,* tiel oni malgraŭ manko de la radikoj *anarĥ, fanat, empir, arĥa* uzu *anarĥismo, fanatismo, empirismo, arĥaismo,* ne *anarĥi-ismo, fanatik-ismo, empiri-ismo, arĥaik-ismo.* Por la formado de tute novaj ismoj pure Esperantaj, laŭ modelo de la Zamenhofa „*homaranismo*" ekzistas nur la limo de facilkomprenebleco por la Esperantistaro. Ekz. *best-amik-ismo, fundament-ismo, samidean-ismo, eminent-ul-ismo* (la batalobjekto de „Le Monde Espérantiste"!), *Saussure-ismo* (= maniero malutili bonajn aferojn per senŝancaj plibonigeksperimentoj).

Atente leginte la ĉi-supran tekston oni certe rimarkis gravan specialan econ de la sufikso *-ism* ankoraŭ traktendan, kiu diferencigas ĝin de niaj ceteraj afiksoj (escepte de *ĉj* kaj *nj*), kaj kiu verŝajne ankaŭ kontraŭstaris al ĝia oficialiĝo. Tiu estas: ke oni ne *ĉiam* ricevas vorton Esperantan (aŭ nomon propran), kiam oni forigas la *ism*-on.

Elpreninte la sufikson el vortoj kiel *parolado, parizano, dometo, porkaĵo, trinkigi, ŝipestro, dekobla,* oni ĉiam retrovas radikon pure Esperantan (aŭ propran nomon). Same estas ĉe *ideal-ismo, oportun-ismo, kapital-ismo, komun-ismo, platon-ismo, morfin-ismo, german-ismo, kviet-ismo, kvaker-ismo, talmud-ismo,* kaj la plej multaj ceteraj, sed *ne* ĉe 1. *provincialismo, galicismo, fanatismo, arĥaismo, impresionismo,* 2. *eŭfemismo, nihilismo, paralogismo, anatocismo, pesimismo, hilozoismo, hedonismo,* k. a. En la unua grupo la komenca radiko Esperanta havas alian formon, en la dua grupo la radiko estas tute neesperanta kaj neesperantigebla, kaj en la tria grupo la radiko havas en Esperanto signifon nekonforman al la ismo, ekz. *idiotismo, spiritismo, monismo, teismo, humanismo, solecismo.*

Tiu ĉi fakto naskas jenan regulon: La *sinteza vortformado* per *ism* estas libera kiel ĉe la aliaj afiksoj, sed la vort*analizo* limiĝas je tiuj ismoj, kiuj *ne* apartenas al la ĵus nomitaj tri grupoj. Kaj el tio rezultas, se oni — nur atestante faktan staton — deklaras *ism*-on afikso *Esperanta,* la neceso, ke la gramatikoj atentigu pri tiu speciala eco de la sufikso *ism,* kaj ke la vortlibroj enhavu la ismo-vortojn *ne*analizeblajn kun la silabo *ism* kvazaŭ kiel radikojn.

De Esperantolingva vidpunkto tamen nur tiuj ismoj neanalizeblaj estas veraj neŝanĝeblaj radikoj, kiuj *ne* nomas doktrinon, skolon, filozofion k. s., ĉar tiuj ĉi formas la nomojn de siaj anoj aŭ reprezentantoj per la sufiksoj *ist* (an, ul), anstataŭanta la sufikson *ism;* ekz. *nihilismo — nihilisto, feminismo — feministo, egoismo — egoisto, monismo — monisto, optimismo — optimisto, futurismo — futuristo, bolŝevismo — bolŝevisto (-iko).*

Per tio ni venas al nova demando ĝis nun ne jam oficiale respondita: Kiel oni ĝenerale nomu la anojn de tiuj ismoj, kiuj ne estas nomitaj mem laŭ siaj reprezentantoj?[1] La supraj ekzemploj jam montris tion: Ĝenerale kaj regule oni anstataŭigu la silabon *ism* simple per *ist.* Plurfoje mi jam legis: la vorto Esperant*isto* estas nekorekta; oni uzas ĝin nur, ĉar oni alkutimiĝis al ĝi, kaj la sole korekta formo estas *Esperantano* kaj same *Budhano, Kalvinano* k. t. p. Tio ŝajnas al mi erara, ĉar la hindogermanaj lingvoj ĉiuj uzas *ist* regule en tiu signifo, kiu estas eĉ pli internacia ol la signifo: profesiano. Ankaŭ Esperanto jam dekomence entenas vortojn tiel *egoisto, pesimisto, spiritisto, socialisto* kaj similajn, kiuj ĉiuj ne nomas profesianojn. Do estas ankaŭ tie ĉi nur konstato de fakto jam ĉiam ekzistinta, se oni oficialigas ankaŭ la duan signifon de *-isto: ism-ano* aŭ *ism-ulo,* t. e. ano, reprezentanto de iu doktrino, sistemo, religio aŭ ulo de iu maisano, kies nomo finiĝas per *-ismo,* kaj kiu ne estas nomita laŭ siaj reprezentantoj.

La trofundamentemula provado forigi *ist*-on, kiam ajn ĝi ne montras profesion, estas peno tute vana: *Spinoz-ano, Karl-ano, Malthus-ano, pap-ano, alkohol-ulo* (?) oni povas diri, sed jam *kub-ano, di-ano, teror-ano* (tero-rano!) meritas suspekton, kaj tute neakcepteblaj estas *fatal-ano, optim-ano, human-ano, (poli)te-ano, mon-ano, vulkan-ano, pur-ulo* aŭ *pur-ano* anstataŭ *fatal-isto, optim-isto, human-isto, (poli)te-isto, mon-isto, vulkan-isto, pur-isto.*

Ankaŭ la aplikata de kelkaj aŭtoroj sufiksduo *isman-o* ŝajnas al mi ne rekomendinda pro nenecesa longeco kaj neinternacieco. Esceptokaze ĝi povas servi por esprimi tre delikatajn diferencojn, ekz. *ideal-ulo, ideal-ano, ideal-isto, ideal-ism-ano; krist-ano* (-homo de Krista kredo), *kristanism-ano* (-homo, kiu aprobas nur la Kristanismon, kvankam li mem estas nekristano, sed eble Judo aŭ Mohamedano).[1]

Ke ekzistas grava diferenco inter *kviet-ulo* kaj *kviet-isto, car-ano* kaj *car-isto* k. s. ne postulas klarigon.

Mi esperas esti konvinke montrinta, ke la uzado de *ism* kaj *ist* laŭ la supre prezentitaj principoj estas utila kaj ne difektas nian fundamenton. Same, ke ne estas eble forigi la pli multajn de la ne jam oficialigitaj ismoj, kiuj apartenas al la internacia vortaro. La lingvo de l' klerulo bezonas kaj la sciencoj (precipe filozofio, teologio, medicino) tute ne povas malhavi ilin.

Tial estas laŭ mia opinio nepre dezirinde, ke ili estu esplorataj kaj unuforme fiksataj. La Lingva Komitato por oficialigoj sole kompetenta decidu pri tio. Por la solvo de tiu tasko per nia plej alta instanco tiu ĉi traktaĵo estu malgranda antaŭlaboro!

*Walter Lippmann.*

Ni volonte publikigis tiun interesan kaj fundan esploron pri la sufikso *-ismo.* Sed ni atentigas nian legantaron, ke tiu sufikso *jam* estas oficialigita. En la raporto de la sekcio de L. K. pri komuna vortaro, aperinta en la Dokumentaro de la Deka Universala Kongreso, ni legas (paĝoj 56—57a): „Pri la oficiala enkonduko de la sufikso *ism',* 47 L. K-anoj voĉdonis: 43 formale akceptas ĝin; 4 malakceptas. Sekve la sufikso *ism'* (teorio, sistemo, doktrino, skolo, partio, celado, kaj analogiaj sencoj) estas oficiale akceptita. Necese estas rimarkigi, ke tio tute ne signifas, kiel ŝajnas opinii du aŭ tri aprobantoj, ke, forprenante la finaĵon *ism',* oni ĉiam ricevas Esperantan radikon aŭ rajtas krei ĝin kun speciala signifo. Tio ĉi ne estas pli vera por, ekzemple, la vortoj *atavismo, feminismo, optimismo, pesimismo, silogismo, solecismo, sofismo, turismo,* k. t. p., ol — forprenante la finaĵojn *ist', in', il', ul', an',* k. t. p. — por la vortoj *feministo, optimisto, sofisto, turisto, balzamino, doktrino, vazelino, bacilo, asimili, okulo, formulo, banano, turbano, sultano,* k. t. p. En ĉiuj tiuj ĉi vortoj la silaboj *ism', ist', in',* k. t. p. estas konsiderotaj ne kiel Esperantaj sufiksoj, sed kiel finaĵoj ĉu internaciaj, ĉu de l' devena lingvo, kiujn, laŭ la Zamenhofa modelo, oni ne volis kripligi." — *(Red.)*

[1] Ekz.: *Heroismo — heroo, kosmopolitismo — kosmopolito, jezuitismo — jezuito, tribadismo — tribadino, fariseismo — fariseo, puritanismo — puritano*

[1] Ŝercdemando: Kiu ism-ano estas la plej bona? — La tal-ism-ano!

---

**Ĉu VI repagis vian kotizaĵon kaj abonon? Se jes, dormu trankvile. Se ne . . .**



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas ĉiujn samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron (aperos en aŭgusto 1920).*

**Kotizaĵoj:** Membro: *5 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 6 Fr. Britio: 4 sh. Germanio: 12 Mk. Hispanio: 5 Pes. Italio: 7 L. Nederlando: 2.50 Guld. Skandinavio: 3.50 Kr. Finnlando: 10 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 30 Kr. Ĉeĥoslovakio: 12 Kr. Jugoslavio: 20 Kr. Bulgario: 15 Lev. Polio: 12 Mk. Usono: 1 Doll.)*

Membro-Abonanto *(ricevas la gazeton): 12.50 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 15 Fr. Britio: 10 sh. Germanio: 30 Mk. Hispanio: 12.50 Pes. Italio: 17.50 L. Nederlando: 6.25 Guld. Skandinavio: 8.75 Kr. Finnlando: 25 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 75 Kr. Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. Jugoslavio: 50 Kr. Bulgario: 37.50 Lev. Polio: 30 Mk. Usono: 2.50 Doll.)*

Membro-Subtenanto *(ricevas la gazeton): 25 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: duoble pli ol membro-abonanto.)*

Membro dumviva *(kun la gazeto): 300 Fr. Svisaj.*

Esperantia Entrepreno *(komercaj firmoj, societoj, k. t. p.): 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: same kiel membro-abonanto.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la Jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank (Banque Commerciale), Bern. — Poŝtĉeko: III 2600.*

---

**Belega Donaco.** — Kiam en antaŭa kongresa raporto ni modeste sugestis, ke oni ne forgesu nian asocion, disdonante per testamento donacojn al societoj je publika utilo, tiam neniu pensis, ke la unua, kiu ankaŭ tiurilate antaŭeniras kun la bona ekzemplo, estos nia Prezidanto, S-ro Hodler. Dediĉinte sian tutan vivon al poresperanta laboro, li volis, ke ankaŭ post lia morto povu vivi la asocio kaj oficejo, fonditaj por ke ekfloru el ilia agado tiu spirito supernacia, kiu pacigos kaj feliĉigos la homojn. Neniam iuj trezoroj anstataŭos la karan mortinton. Sed, kliniĝante antaŭ la neŝanĝebla sorto, ni rajtas dankplene akcepti tion, kion li decidis. Konforme al lia testamento, kun la kunsento de la Komitato, la subskribinto partoprenis kiel reprezentanto de UEA je la hereda procedo kaj ricevis: De S-ino Hodler ĉiujn rajtojn je la gazeto „Esperanto" kaj je la „Universala Esperantia Biblioteko", t. e. la biblioteko en nia oficejo, apartenanta al la mortinto. De la administranto de la havaĵo: bonajn valorpaperojn taksitajn je la bela sumo de Fr. 172,000.

Oni komprenos, ke, devinte tiom ofte apelacii je la oferemo de niaj membroj, ni volonte informas ilin pri tiu donacego. Tamen, por ke ne kreiĝu iuj iluzioj, ni aldonas, ke multaj ŝarĝoj ĝin notinde malgrandigos. Krom la kostoj kutimaj je tiaj okazoj ni devos pagi heredan imposton de proksimume la triono (32,4 %) el la kapitalo, kaj ĉiujare la regulajn impostojn kun ĉirkaŭ 20 % el la interesoj. Ĝis nun UEA neniam pagis impostojn, estonte ĝi devos. Rilate la heredan imposton, kiu sumas proksimume Fr. 57,000, ni ĉion faros por profiti je leĝa artikolo favore de societoj je publika utilo. Sed ni malmulte esperas, monbezonanta ŝtato ne kutimas interpreti elastan leĝon je profito fremda, se restas ebleceto ĝin turni al la propra-
Fine oni ne forgesu la eminentan laborkapablon de nia Prezidanto, laboro, kiu eĉ nur taksite laŭ la kvanto superas tiun de kutima oficisto. Kostos la redaktado de „Esperanto", ĝis nun senpaga, kaj kostos ĝiaj deficitoj, ĝisnun silente egaligitaj de la mortinto. Kion pensi pri la diroj, ĉiam kaŝite rondirintaj inter tiel nomitaj Samideanoj, ke Hodler volis riĉiĝi!

La hereda kapitalo de UEA, kiun ĝis plia decido de la Komitato administros la subskribinto, ne plivastigos la asocian agadkampon, sed ĝi certigas por ĉiam modestan ekziston de la oficejo. Estas rezultato treege grava, kiun ni nomus feliĉan, se ĝi ne devenus el perdo tiom doloriga.

Tro alte staras Hodler en la memoro de la Esperantistoj, por ke donaco, kiel ajn bela, povu ĝin influi. Al Sinjorino Hodler, kiu ŝlegante oferis sian sanon, kiu malegoiste konsentis, ke tiel granda parto de la havaĵo iru al UEA, ni esprimas kun la plej kora danko la respektplenajn salutojn de nia Asocio.

La Direktoro: *Ed. Stettler.*

---

**Decidoj de la Komitato de UEA.** — La Komitato, post esploro de detala raporto al ĝi sendita dum majo, decidis:

1e Aprobi la agadon de la Centra Oficejo kaj la administradon de la Garantia Kapitalo, Serioj 1 kaj 2;

2e akcepti kun plej varma danko al S-ino E. Hodler-Ruch la transdonon de la Esperantista havaĵo de ŝia edzo al UEA, kaj la belegan kapitalon, kiun nia kara Prezidanto testamente destinis al nia Asocio;

3e elekti kiel redaktoron de nia gazeto „Esperanto" S-ron D-ron Edmond Privat en Ĝenevo;

4e akcepti la petitan eksiĝon de la ĝisnuna Direktoro, kiu laŭeble funkciu ĝis la kongreso, kaj anstataŭi lian postenon per tiu de profesia „Ĝenerala Sekretario";

5e proponi al la membroj pligrandigon de la Komitato de la ĝisnunaj 10 al 15—25 membroj kaj krei komisionon de eble 5 personoj, kiuj povus facile kaj regule rilati kun la Centra Oficejo.

Tiuj decidoj bezonas kelkajn rimarkojn. 1e La ĉefaj ciferoj estos konatigataj en la raporto al la kongreso. 2e Vidu la specialan informon. 3e Gravis, ke „Esperanto" restu en lertaj manoj kaj ni ĝojas, ke S-ro Privat bonvolis akcepti la redaktadon almenaŭ provizore, malgraŭ sia multa alia laboro. Ĉar li fariĝis tre malsana, tiu gazetnumero estis kunmetita en la C. O., sed ni tre esperas, ke baldaŭ li povos almenaŭ repreni la ĝeneralan kaj la literaturan partojn. 4e La Direktoro atentigis la Komitaton, ke li akceptis tiun postenon konforme al la deziro de sia mortinta amiko, sub rezervo de sia sanstato kaj de aliaj, ne forigeblaj okupoj. Pro trolaciĝo ne povinte ion ajn labori dum tri sinsekvaj monatoj la lastan vintron, li konvinkiĝis, ke ne estas eble al li gvidi la financojn kiel antaŭe, direkti la oficejon kaj ankoraŭ akcepti parton de la grandega laboro, ĝisnun plenumita de S-ro Hodler. Cetere, ĉar li prizorgis dek jarojn la plej enuigan fakon, li volas esti liberigata je la ĉiamaj administraĵoj. Ĉar nun la malnova deziro havi pagitan oficejestron estas plenumebla, li proponis elekti al tiu posteno la meritplenan ĝisnunan sekretarion, S-ron H. Jakob, kiu fariĝu „Ĝenerala Sekretario." 5e Pligrandigo de la Komitato necesas, por ke la diversaj landoj estu pli bone reprezentataj. La „Komisiono", ĉu konsistanta el Komitatanoj ĉu el komitatanoj kaj spertaj Delegitoj, ne tro malproksimaj de nia sidejo, ebligu facilan kaj regulan interkonsiliĝon pri la gravaj aferoj. De sia fondado UEA tro dependis de malmultaj personoj, kiuj dum la milito eĉ tiris la ĉaron tute sole, kun plena povo kaj samplena respondeco. Nia Asocio do estu reorganizata sur bazo pli larĝa, konforma al sia internacia agado. — Tiuj decidoj estas la ĉefa traktotaĵo de nia kongreso.

**Jarlibro 1920.** — Kiel raportite, la Jarlibro estis mendita eksterlande, por „ŝpari." Dum la presado alvenis buĝeto svenigа de la presisto, kun tiom da pliaj procentoj por salajroj, papero kaj impostoj, ke la prezo superis la duoblon de tiu fiksita en januaro. Nia sekretario tuj vojaĝis al la presloko kaj revenis kun kondiĉoj iom pli favoraj, akceptitaj ĉar ni ne povas alie. La oficejo ne ŝparos penon por ĝin rapide ekspedi post ricevo.

**Membrokartoj.** — Kiam malkreskis nia malnova provizeto de membrokartoj, el altkvalita tolo kaj papero, ni serĉis en diversaj landoj ion similan kaj fine trovis sufiĉe taŭgan — imitaĵon. La kesto estas nun alveninta de la presisto, kaj la kartoj en skribado, ĝoj-

inde multaj pro novaj aliĝoj. Novaj membroj, al kiuj ĝis la kongreso ne estus sendita la membrokarto, bonvolu sin rajtigi per la oficiala kvitanco.

**Nova Eldonaĵo de UEA.** — *Fine* de junio ni ricevis broŝuron 16 paĝan: „Al la forbuĉataj popoloj, de Romain Rolland, Esperantigis Georg Mahn." Sube, je nia granda miro, troviĝas nia plena firmo: UEA, Museumsstrasse, k. t. p. Sur la aliaj kovrilpaĝoj estas reklamo por nia asocio, por nia oficiala organo kaj por Bildotabuloj por la instruado de Esperanto.

En aldonita letero la tradukinto skribis, ke li ne povis nin informi antaŭe, ĉar urĝis la presado, k. t. p.

Ni tuj respondis ke, ni rekonas lian bonan intencon, sed ke neniam kaj sub neniuj cirkonstancoj ni akceptos la proceden lon presigi kun nia nomo, ne petinte permeson. Plie ni atentigis ke UEA konsideras severan politikan neŭtralecon kiel sian ekzistkondiĉon, sekve ĝi nek eldonis nek intencas publikigi oficialajn presaĵojn aliajn ol pri la Esperanta lingvo kaj movado.

S-ro Mahn nun esprimis sian bedaŭron, promesante peti la ricevintojn de pli ol ducent broŝuroj, jam disdonitaj dum pentekosto, ke ili forigu nian firmon, kaj certigante ke al ĉiuj restantaj ekzempleroj li gluigos banderolon sur nia adreso.

Konante S-ron Mahn kiel fidelan kaj tre ageman samideanon, ni bedaŭras, ke tiu sciigo fariĝis necesa pro la granda nombro da ekzempleroj jam en cirkulado.

**Avizo.** — Je la 10 januaro 1920 ni ricevis ĉekon de lu S-ro F. Fernandez en Matanzas (Cuba), valore 15 Fr., je la nomo de S-ro Marcel Levi. La ĉeko portis la daton 21 novembro 1918 sur Bankverein Suisse Zurich. Ni resendis ĝin sed rericevis la leteron kun la indiko „Desconocido" (Nekonata). Personoj, kiuj konas lun el la supraj nomoj bonvolu atentigi ilin pri tiu informo.

**Abonoj.** — Ni informas, ke personoj pagintaj la plenan sumon de abono, kaj kiuj pro elĉerpiĝo de la N-roj 1, 2, 3 ne ricevis tiujn, posedas krediton, kiun ili rajtos depreni venontan jaron aŭ povas disponi pri la koncerna sumo por anoncoj. Kredito ĉe plenpago de kotizo 15 %.

**Servoj.** — De diversaj Delegitoj ni ricevas plendojn pri informpetoj sen akompano de respondkupono. Ni atentigas niajn membrojn, ke la kunsendo de respondkupono aŭ alia pagilo estas nepre deviga. Aliflanke ni atentigas, ke la sendo de kupono nun estas preskaŭ ne plu ebla, parte pro tro alta kosto, kompare la afrankon, parte pro la fakto, ke multaj landoj ne plu vendas aŭ ne ankoraŭ aliĝis al la interkonsento, sekve ne havas ilin.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj*

**Unua serio** — dua parto

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 8825 |
| Jena garantianto akiris **plian** *ateston* | |
| 72. S-ro Henk Goemans, Amsterdam . . . . . . . . | 100 |
| Frankoj | 8925 |

La personoj, kiuj jam posedas ateston **de la unua serio,** povas akiri novan, pagante 100 Fr. Svisa valoro. Tiel agante, ili efike helpos al UEA.

Ni rememorigas, ke ĉiu atesto de la **dua serio** kostas 300 Fr. Svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj pagoj da 100 Fr. Ĉiu mendinto de unu atesto de la G. K. estas dumviva membro kaj abonanto de „Esperanto", kiaj ajn estos la venontaj prezaltigoj. La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA.

**Donacoj.** — De S-ro Arthur Bowker, Sheffield 25.60 Fr.

**Pagoj en nacia mono.** — Nia peranto por Jugoslavio, S-ro Ivan Křepelka nun loĝas Vinkovci (Bosnio).

**Kotizaĵoj por 1920.** — Je la 31 majo estis enkasigitaj 2752 kotizaĵoj (el kiuj 828 membroj, 1861 membroj-abonantoj kaj 63 subtenantoj). Krom tio estas 220 dumvivaj membroj. **Sume: 2972.** — *Esperantiaj Entreprenoj*: 69.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — **Movado de la korespondaĵoj** dum la monato majo:

Ricevitaj: 839. — Forsenditaj: 1006. — Tuta sumo: 1845. (Antaŭa monato: 2346.)

**Subtenantaj membroj.**

*Sepa listo:*

58. B. Arre, Linköping (Svedio). — 59. S-ro Vindrios, Béziers (Francio). — 60. L. Santamaria, Barcelona (Hispanio). — 61. B. A. Klariĉiĉ, Auckland (Nov Zelando). — 62. F. Chierego, Trieste (Italio). — 63. M. Iznardo-Gutierrez, Sevilla (Hispanio).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Andrimont* (Belgio, Liége). — D.: S-ro Marcel Roth, tornisto, 56, rue Fonds de loups.

*Cernier* (Svisio, Neuchâtel). — D.: S-ro William Perrenoud, prof. au Collège.

*Drammen* (Norvegio). — D.: S-ro E. N. Wahl, bankoficisto, Drammens og Oplands Kreditbank.

*Friedrichswerth* (Germanio, Thüringen). — D.: F-ino Ella Rothermel, Esp. Eldonejo.

*Heerewaarden* (Nederlando). — D: S-ro Jan Meijer, instruisto, Veerstr. 169.

*Inowraclaw* (Polio). — D.: S-ro Jozef Orzech, profesoro.

*Kilkenny* (South Australia). — S-ro W. L. Waterman, Torrens Rd.

*Kokkola* (Finnlando). — D.: S-ro Hermann Remell.

*Konnitsa* (Finnlando). — D.: Alpo Suomalainen, instruisto, Pyhâjârvi r. a.

*Košice = Kassa = Kaschau* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro J. Friedrich, Riaditelstvo, štat. Zeleznič.

*Litovel* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Urban Klement, profesoro.

*Lučenec* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Weisz Sandor, Rakottyay-fabriko.

*Miechow* (Polio). — D.: S-ro Boleslaw Grabowski, sekr. de lerneja inspektoro.

*Mostaganem* (Alĝerio, Oran). — D.: S-ro Paul J. Richard, rentulo, Pélissier.

*Nogent sur Oise* (Francio, Oise). — D.: F-ino Marguerite Boisnard, 5, r. Paul Bert.

*Orlovà* (Ĉeĥoslovakio, O. Silezio). — D.: S-ro Josef Dubny, mineja oficisto.

*Portland* (Usono, Oregon). — D.: S-ro J. Homer Clark, fabr. de kartonaj skatoloj, 92, Front St.

*Praust* (Danzig). — D.: S-ro Max Amort, instruisto.

*Privoz* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Johann Gunia, vicurbestro, Vorbahnhof 746.

*Ruzomberok* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Karl Jelinek, bankoficisto, Poŝtfako 52.

*San Pier d'Arena* (Italio). — D.: S-ro Eugenio Rondini, via Umberto I. 49

*Tavoy* (Birmanio, Lower Burma). — D.: S-ro A. W. Ross, inĝeniero, Harmingyi.

*Tschangsintien apud Peking* (Ĉinio). — D.: S-ro Simon Tan-Kin-Tsing, fervojisto.

*Witkowitz* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro J. Janik, oficisto, Unter-Franzenstal 1.

Ŝanĝoj.

*Sabadell* (Hispanio). — D.: S-ro Nicomedes Ullar, komercisto, Mendizabal 3. — VD.: S-ro Elias Soler, elektristo, Mendizabal 3.

*Wiipuri* (Finnlando). — VD.: S-ro Kust, A. Leino, Ainonk 26.

*Zagreb* (Jugoslavio, Kroatio). — D.: S-ro D-ro Dušano Maruzzi, statistikisto, Primorska ulica 11. — VD: S-ro Alfonz Bertoli, Prilac baruna, J. Filipovicà 6.

Adresŝanĝoj.

*Roma* (Italio). — VD.: S-ro P. Tagliacozzo, studento, via Ulpiano 11.

*Stockholm* (Svedio). — D.: S-ro Johann Johansson, redaktoro „Studiekamraten, Folkets Hus. Norr.

**Starigo de novaj Delegitoj.** — Fakto bedaŭrinda kaj ofte konstatita estas, ke gravaj lokoj en ĉiuj landoj ne havas Delegiton de UEA. Ofte ekzistas grupo aŭ izola Esperantisto en tiaj lokoj. Ni intencas de nun publikigi liston laŭlande de urboj, kie mankas UEA delegito, kun la peto, ke niaj membroj helpu per alsendo de taŭga adreso aŭ persona instigo ĉe korespondanto k. t. p. Ĉi-sube sekvas listo de lokoj en Francio, kie Delegito de UEA estas necesa.

*Agen, Aix-en-Provence, Aix-les-Bains, Ajaccio, Alais, Albert, Albi, Altkirch, Amiens, Angers, Angoulême, Annecy, Annonay, Antibes, Arcachon, Arles, Armentières, Arras, Asnières, Aurillac, Autun, Auxerre, Avignon, Bar-le-Duc, Bastia, Bayonne, Beaune, Beauvais, Belfort, Biarritz, Blois, Boulogne-sur-Mer, Boulogne-sur-Seine, Bourg, Bourges, Brest, Bussang, Caen, Calais, Cambrai, Cannes, Carcassonne, Castres, Cauterets, Châlon-sur-Saône, Chalons-sur-Marne, Chambéry, Chamonix, Charleville-Mézières, Chartres, Châteauroux, Chatellerault, Chaumont, Chauny, Cherbourg, Clermont-Ferrand, Cognac, Colmar, Compiègne, Couscy-le-Château, Dieppe, Dijon, Dôle, Douai, Dunkerque, Epernay, Epinal, Evian-les-Bains, Evreux, Ferminy, Fismes, Fontainebleau, Fougères, Gérardmer, Grasse, Grenoble, Hyères, Laon, La Roche-sur-Yon, La Rochelle, Laval, Le Creusot, Le Havre, Le Mans, Le Puy, Leus, Levallois-Perret, Libourne, Lille, Limoges, Lons-le-Saunier, Lourdes, Macon, Maubeuge, Meaux, Melun, Menton, Metz, Millnu, Monaco, Montauban, Montbéliard, Montdidier, Montluçon, Montpellier, Moulins, Mourmelon-le-Gd., Mulhouse, Nancy, Nantes, Narbonne, Neuilly-sur-Seine, Nevers, Nice, Nimes, Niort, Noyon, Orléans, Orange, Paris, Pau, Périgueux, Péronne, Perpignan, Poitiers, Quimper, Reims, Rennes, Rethel, Rive-de-Gier, Roanne, Rochefort, Romans, Roubaix, Rouen, Roye, St-Brienc, St-Chamond, St-Denis, St-Dié, St-Etienne, St-Malo, St-Mihiel, St-Nazaire, St-Omer, St-Quentin, St-Menehould, St-Raphaël, Sarrebourg, Saverne, Sedan, Senlis, Sens, Soissons, Sotteville-les-Rouen, Strasbourg, Tarare, Tarbes, Thann, Thionville, Toul, Toulon, Toulouse, Tourcoing, Tours, Troyes, Tulle, Valence, Valenciennes, Vannes, Verdun, Versailles, Vichy, Vienne, Villefranche-sur-Saône, Villers-Bretonneux, Villers-Cotterets, Villeurbaune, Vincennes, Vitry-le-François, Vittel, Voiron, Vouziers.*

*Alĝerio-Tunizio: Alger, Bizerte, Blidah, Bône, Constantine, Oran, Philippeville, Sfax, Sidi-bel-Abbès, Tunis.*

---

Subite nia Komitatano, *S-ro Edm. Privat,* fariĝis treege malsana pro trolaciĝo kaj febro. Meze de junio la kuracistoj povis konservi lian vivon nur per plej akraj rimedoj, kamforo, digaleno kaj arta respirado, tiel, ke liaj amikoj devis timi novan, gravegan perdon por la Esperantistaro. Dank' al sia forta naturo kaj la zorgema flegado de sia edzino li venkis la krizon, nun fartante iomete pli bone. La legantoj de „Esperanto" aliĝos nian koran deziron je baldaŭa resaniĝo.

---

# Esperantista Parolejo

## Fervojistoj ĉiulandaj!

Estas urĝa tempo, ke ni revivigu Internacian Asocion de Fervojistoj-Esperantistoj! Sed antaŭ ol tion fari, estas nepre necese, ke la landaj asocioj denove estu restarigotaj. Por Germanio la subskribinto jam komencis tion fari. (Vidu „Germana Esperantisto", N-ron 3/4.) Niaj ĉefaj taskoj devas esti:

1e La starigon de faka vortaro: 2e la enkondukon de Esperanto kiel ofica korespondilo de la fervojaj administracioj.

Niaj ĉefaj samcelanoj faris la komencon, forsendinte en januaro cirkuleron al ĉiuj mezeŭropaj fervojaj administracioj kaj petante, ke oni en jaro 1920 reciproke — almenaŭ prove — korespondu en Esperanto. La sukceso, laŭ mia opinio, ne estos tre kontentiga. Ĉiuj landaj fervojaj asocioj esperantistaj devus fari la saman paŝon samtempe.

Sed la landaj asocioj devas esti sufiĉe multnombraj. Ni povas nur tiam ion atingi, kiam ni povas pruvi, ke jam multe da fervojistoj scias Esperanton. Fine ni devas posedi fakan vortaron enhavanta ĉiujn oficajn esprimojn.

Do fervojistaj samideanoj revivigu tuj vian landan asocion, por ke ni baldaŭ povu denove nin kunigi en internacia asocio!

Por entrepreni efikan propagandon en Germanio mi intencas, aranĝi propagandan ekspozicion migrantan de poŝtkartoj, kiu devas montri ĉiulandajn stacidomojn kaj fervojajn konstruaĵojn. Karaj samfakanoj helpu, kaj sendu al mi vidaĵpoŝtkarton de vi stacidomo aŭ de alia fervoja konstruaĵo. Al ĉiuj mi sendos poŝtkarton ilustritan de mia urbo (vidu ankaŭ la anoncon sub „petoj kaj proponoj").

La gazetoj estas petataj, represi ĉi tiun alvokon!

*Georg Habellok,*
*Breslaŭ 10* (Germ.) Schleiermacherstr. 19
(UEA-ano N-ro 11 555).

## Teksartaj Spertuloj!

Antaŭ la milito mi komencis labori je teknika teksa vortaro kaj ricevis kelkajn manuskriptojn de aliaj samideanoj. Tiuj manuskriptoj, kiujn mi post ekzameno forsendis kaj aliaj, kiuj estis sendataj al mi ĵus je la deklaro de la milito perdiĝis dum la unuaj tagoj de la mondbatalo.

Ĉar la mondkorespondado nun denove estas regula mi intencas rekomenci tiun laboron kaj tial petas ĉiujn teksspertajn samideanojn korespondi kun mi pri tiu temo por fondi komitaton por la ellaborado de detala teksa vortaro.

Mi venos Eŭropon dum julio, aŭgusto kaj septembro kaj partoprenos en la Dekdua en Hago. Mi prefere konatiĝus persone kun samideanoj dum tiu tempo, kaj samspertuloj skribu al mi aŭ per kongresa adreso aŭ al Gartenstr. 5, *Emsdetten,* Westfalen, Germanio, aŭ al *Upice,* Bohemio.

*J. J. Sussmuth,* Membro de la L. K.

Oni volu represigi en aliaj Esp-aj gazetoj!

## Alvoko al la Tutmonda Esperantistaro!

Okaze de la „Internacia Dusemajna Kongreso", organizata de la „Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj", kiu okazos en Bruselo de 5 ĝis la 20 septembro proksima, Internacia Universitato estos fondata, en kies programo granda loko estos rezervata al nia lingvo, kaj Esperanta speciala katedro estos kreata por montri la praktikan valoron de la helpanta lingvo je l' vidpunkto de la disvastigo de la alta intelekta kulturo.

Tiu „Internacia Universitato" estos lokata en la Internacia Muzeo de Bruselo, kie troviĝas konstanta Esperanta Ekspozicio. Sed, ĉar tiu Esperanta Ekspozicio ne estas kompleta, estas nepre necese, ke ĝi estu tute en ordo antaŭ la septembra monato, ĉar multaj personoj vizitos ĝin dum la Dusemajna Kongreso.

Ni do faras varman alvokon al ĉiuj Esperantistoj, por ke ili sendu al la „Centra Oficejo" en Parizo (kiu sin okupas pri tiu ekspozicio), *po du ekzempleroj* de ĉiu Esperanta verko, kongresa dokumento kaj propagandilo, kiu povus esti utila al la propagando de nia lingvo.

Ĉar la enkonduko de Esperanto en la „Internacia Universitato" estus unu el la plej gravaj venkoj de nia movado, estos nepre utile montri ĉion, kion oni faris ĝis nun per Esperanto!

Ĉiu do sendu ion al la „Centra Esperantista Oficejo", 51, Rue de Clichy. Paris.

*H. P.*

## Liberiga Stelo

*23, rue Boyer, Paris XX, Francio*

Nia nova statuto estas presita kej sendata al ĉiuj petantoj. Ĝi valoros dum unu jaro, kaj tiam estos prezentata al ĝenerala referendumo, kiu definitive decidos. Por faciligi la diskutaton cele al tiu referendumo, adresaro de l' anoj de L. S. estos sendata — tuj de la 1 aŭgusto 1920 — al ĉiuj petantoj, interŝanĝe je fr. 0.80 (franca valoro). Provizore: Esperantista Laboristo publikigos la komunikaĵojn de la asocio.

## Interŝanĝo de prilernejaj raportoj

La fremdlingvaj sekcioj de la instruistaroj en grandaj urboj propagandas la daŭran interŝanĝon de ĉiulandaj instruistaj kaj prilernejaj fakogazetoj, por ĉerpi el ili interesaĵojn kaj presigi tiujn en la hejmaj gazetoj. Pli laŭfakta informo kaj kora alproksimiĝo estas la celoj. Ni Esperantistoj ja sufiĉe konas la malfacilaĵojn de tia laboro kaj bone scias eviti miskomprenojn per nia lingvo. Tial la subskribinta grupo petas: Sendu al ni raportojn pri interesaj faktoj kaj aferoj pedagogiaj, por ke ni represigu ilin en nia gazetaro. Ni promesas, danke sendi al la raportintoj informojn kaj priskribojn de niaj instruaj aferoj.

Leipzig-a Instruistaro: *A. Degen*,
*Leipzig-hi*, Georgplatz 4/II r.

## Enketo pri oficiala instruado de Esperanto en lernejoj

Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, propaganda centro en Ĉeĥoslovakio, bezonas plikompletigi sian respondon al informpeto de oficiala institucio pri tio, kie en eksterlandaj lernejoj estas instruata Esperanto laŭ decido de aŭtoritatoj.

Opiniante la antaŭmilitajn raportojn nesufiĉaj kaj sciante, ke dum la milito kaj precipe post ĝi, Esperanto estas instruata en multaj lernejoj laŭ ordono aŭ almenaŭ permeso de aŭtoritatoj, ni petas ĉiujn samideanojn, klubojn kaj precipe naciajn propagandajn organizaĵojn pri afablaj informoj, akcentante, ke tiaj informoj havos por nia celo valoron nur tiam, se ili respondos almenaŭ la jenajn punktojn:

1e preciza nomo de lernejo en Esp. kaj nacia lingvo ev. klarigo pri speco de la lernejo; 2e en kiuj klasoj oni instruas; 3e kiom da lecionoj semajne; 4e kiu instruas profesiaj instruistoj aŭ ne; 5e kiom da lernantoj en pasintaj kursoj; 6e kiom da lernantoj en la nuna kurso; 7e de kiu jaro kaj monato oni instruas; 8e kiu aŭtoritato enkondukis la instruadon; 9e ĉu la instruado estas permesita aŭ ordonita? 10e en kiuj lernejoj oni instruis sed ne plu instruas nun; 11e opinioj de lernejaj aŭtoritatoj en via lando pri Esp.

Ju pli precizaj estos la informoj, des pli valora estos la rezultato kaj des pli ĝi efikos ĉe la oficialaj rondoj, kiuj en Ĉeĥoslovakio estas sufiĉe multe favoraj al Esp.

Kia estis la rezultato de la simila enketo farita de la Komitato preparanta la Kongreson internacian en Edinburg 1915?

Baldaŭan respondon bonvolu sendi al:

*Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista*,
*Praha VII*, Socharska 333.
Ĝen. Sekr.: Rud. Hromada.

## Pri morala instruo

Intencante verki legolibron por morala instruo, mi serĉas la nomojn de la plej famaj viroj kaj virinoj el ĉiuj nacioj (ne militaj herooj) kaj petas je afabla kunhelpo. Laŭ la ricevotaj respondoj mi akiros la biografiojn, kiujn mi studos por tiu-ĉi celo.

*Johann Storch*,
Fakinstruisto — Fachlehrer, *Petschau*
b. Karlsbad (Ĉeĥoslovakio).

## Gazetartikoloj

Malagrabla konstato por serioza propagandisto estas la fakto, ke multaj el niaj fervoraj samideanoj verkas artikolojn en naciaj taggazetoj, kiuj ĉu estas funde malveraj aŭ tute ne rilata al la ideo de nia movado. Ekzemple mi legis en multlegata gazeto, ke al la Deka Kongreso en Paris aliĝis 14 mil (jes, mil!) personoj. Alian ekzemplon el franca gazeto: „Universala Esperanto-Asocio sekvas patriotan celon!!“ La unua ekzemplo venas de tipa propagandisto komenca, kiu entuziasme kredas kaj kredigas ĉion eblan. Ĉar la malvero estas palpebla, tia rakonto kredigas, ke la Esp-istoj estas mensog — aŭ „bluff“ — emaj! La dua estas pli atentinda. UEA sekvas kaj sekvos nenian patriotan celon; ĝi estas internacia organizo, kiu reciproke servas al siaj membroj; ĝia sola „patriota“ celo estas la kunigo de bonvolaj Esperantistoj sub neŭtrala bazo. Mi bone scias, ke la nuna momento estas malfavora por propagandi ĉe la publiko kaj ke propagandistoj juĝas kiel uzindan taktikon frazojn laŭ ĝia mentaleco. Prefere estus neniam uzi similian procedon, facile estas trovi aliajn vortojn malpli sekvohavajn. Utile estus se en la diversaj landoj la Naciaj Societoj organizus Gazetaran servon kiel antaŭ la milito, kiu havigas al ĉiu grupo la necesan materialon por sendi al la lokaj gazetoj. Tio funkciis bone, kaj mi esperas, ke tiu-ĉi servo estas restarigota.

*Observanto.*

## Helpo al Suferantaj Esperantistoj

La komitato por Helpo al aŭstriaj Esperantistoj turnas sin al la helpemo de la svisaj samideanoj pri jena afero:

1e S-ro Hugo Steiner, ĉefkontrolisto de la ŝtatfervojoj, Bisamberg bei Wien, petis nin, ke liaj du filoj estu akceptataj en familio dum la libertempoj. La knaboj 12 kaj 9 jaraj ege bezonas refortiĝon, kaj la gepatroj estus tre dankaj pri bonvola plenumo de ilia peto.

2e Erich Ehrmann, 15-jara, katoliko, deziras ankaŭ pasigi kelktempan ripozon en Svisio. Li bone scias Esperanton kaj tre dankus por afabla gastigo. Lia adreso: Währingerstrasse 147. II. 14., Wien XVIII.

Ĉiujn demandojn oni povas sendi senpere al nia komitato per la C. O. de UEA, Museumsstrasse 14, kiuj ilin transdonas, aŭ al la petintoj mem.

*Svisa Komitato por Helpo al Aŭstriaj Esperantistoj.*
La prezidanto: *Robert Bolliger.*

## Internacia foiro en Reichenberg, Ĉeĥoslovakio

*14—22 aŭgusto 1920. — (Esperantia entrepreno)*

En Ĉeĥoslovakio la unua granda internacia komercaĵ- kaj specimenfoiro estos aranĝata en Reichenberg de la 14 ĝis la 22 aŭgusto 1920.

La industrioj de Bohemio, Moravio kaj Silezio estos reprezentataj grandamplekse en la foiro. Ankaŭ multenombraj ekspoziciantoj el aliaj Eŭropaj ŝtatoj elmontros siajn komercaĵojn.

La ĉefaj industrioj reprezentotaj en tiu ĉi foiro estas jenaj; la mondkonata teksaĵindustrio kun ĝiaj centroj de Reichenberg, Brünn, Jägerndorf, la vitraĵindustrio de Gablonz kaj Haida, tiel la Karlsbad'a porcelan- kiel ankaŭ la centrabohemaj maŝin- kaj metalaĵindustrioj, de kiuj la terkultura maŝinindustrio estos reprezentata vastamplekse. Ankaŭ la ĥemia kaj leda industrioj okupos vastan spacon. Aparta konstruadindustria foiro estos aligata al la ĝenerala foiro.

Anonciĝis jam proksimume 1000 ekspoziciantoj. La internacia aĉetanto estas certa, trovi en Reichenberg bonegan okazon por aĉetoj. Li povas bone kunigi la viziton de la Reichenberg'a foiro kun la vizito de la foiro en Leipzig, kiu okazos de la 29 aŭgusto ĝis la 4 septembro 1920, ĉar oni veturas de Reichenberg al Leipzig nur 6 horojn.

La eksterlandano povas bone uzi la tempon antaŭ la Reichenberg'a foiro kaj la intertempon ĝis la foiro en Leipzig por restado on la famekonataj nordbohemaj banlokoj Karlsbad, Marienbad, Franzensbad, Teplitz k. t. p. Por distraĵoj kaj bona nutrado estos bone antaŭzorgata.

La internacia foirvizitanto povas facile kunigi komercajn interesojn, mallacigojn kaj amuzon, vizitante la foiron en Reichenberg.

Multenombraj vizitantoj el ĉiuj partoj de Eŭropo estas jam anoncataj por tiu ĉi foiro.

Oni bonvolu tuj postuli detalajn informojn pri la vizito de tiu ĉi foiro ĉe la foiroficejo: Messeamt in Reichenberg, Wienerstrasse 33, Ĉeĥoslovakio.

## Internacia Ligo de Superkonfesanoj

Fondiĝis en Berlin „Ligo de Superkonfesanoj“ intencanta kunigi ĉiujn homojn kun larĝa religia kompreno sen doktrinoj kaj apartaj ritoj. Por helpi al tiu-ĉi plano oni volas konstrui en ĉiuj landoj „superkonfesaj domoj“, karakterizataj laŭ arkitekturo, plastiko kaj pentraĵoj. Super ĉiuj dogmoj kaj konfesoj la homaro devas starigi spiriton de arto kaj scienco de literaturo kaj muziko. Al tiu-ĉi ligo jam aliĝis eminentuloj ĉiufakaj. Ĝi uzas ankaŭ Esperanton kaj invitas personojn interesiĝemajn al kunlaboro. Oni sin turnu al S-ro Johann Schwaiger, redaktoro, Berlin-Steglitz, Zimmermannstrasse 6.

## Nova Akcia Societo fondata

Antaŭ nelonge okazis en la ĉefurbo (Tallin-Reval) kunveno de l' fondantoj de nova akcia societo, kies celo estas disvastigo de la lingvo internacia Esperanto, importo kaj eldono de tiucela literaturo, konigo de Estonio ekster ĝiaj limoj kaj liverado de ĉiuspecaj informoj por ĝi el eksterlando.

La fondantoj havas jam nun rilatojn kun ĉiuj landoj, eĉ kun Ĉinio, Japanio kaj Nov-Zelando.

Kiel fondantoj de la nova societo estas konataj Esperantistoj kaj financistoj en Reval, sinjoroj: Altman, Rosenberg, inĝen. Waher, Tranberg kaj aliaj.

Komence oni fiksis la akcian kapitalon je 500,000 markoj (sed en okazo de bezono ĝi estos pligrandigota), eldonante 2000 akciojn po 250 markoj. La statuto jam estas transdonita al la registaro, kiu ĝin baldaŭ registros. Tre viglaj antaŭlaboroj jam komencis por efektivigo de la celoj de l' societo.

## Nova Propagando

La Germana Esperanto Asocio intencas uzi novan propagandmanieron: samtempan, sammanieran, samspecan. Ekzemple ni proponos al niaj grupoj fari je sama destinota tago Esp. ekspozicion, alglui je sama tago afiŝojn, alskribi je sama tago petskribojn al fakunuiĝoj kaj aliaj organizaĵoj. Ni invitas ĉiujn naciajn asociojn kaj grupojn agi simile.

Ni proponas jenan komunan programon: ĉiuj grupoj faru instigleteron laŭ sekvonta teksto:

La 15 septembro al komerckomizaj unuiĝoj;
la 30 septembro al bankoficistaj unuiĝoj;
la 15 oktobro al magistratoficistaj unuiĝoj;
la 30 oktobro al stenografiaj unuiĝoj.

*PROVTEKSTO.*

*Al la bankoficista unuiĝo en .....*

Ni havas la honoron informi vin, ke hodiaŭ en ĉiu urboj de Eŭropo la Esperantaj grupoj faras petskribon al la bankoficistaj grupoj en la koncernantaj landoj kaj urboj, rekomendantaj la tujan komencon de Esp. kursoj. Estas intencate post 2 monatoj interrilati kun la partoprenantoj de la kursoj en la diversaj landoj, donante tiamaniere la eblecon korespondi en sama lingvo kun diversnaciaj kolegoj. Vi certe komprenas, ke estas por la bankoficista movado ĝenerale kaj por ĉiu bankoficisto speciale tre valora partopreni en tiuj monda unuiĝo de ĉiuj progresemaj kolegoj. Ĉiu povos konatiĝi kun fremdlandaj samfakanoj kaj ekkoni fremdajn aranĝojn, morojn kaj profundigi sian scion k. t. p.

Ni estas pretaj aranĝi specialkurson en via unuiĝo. Volonte ni ankaŭ aranĝus ekspozicion de Esperantaj gazetoj kaj libroj por montri la disvastiĝon de Esperanto en la tuta mondo kaj speciale inter la komercistaro.

Altestimplene

*Esperanto Grupo .....*

Certe la anoncigo, ke en *ĉiuj landoj* estas farotaj la *sama paŝo efikos!* Kunagontaj grupoj estas petataj sendi informon al Germana Esperanto Asocio, Dresden, Hauptstr. 38.

## Atentigo

Ricevinte multegajn PI la Teheranaj Esp-istoj atentigas la samideanojn pri siaj deziroj:

1• Ĉiu samideano korespondu nur kun unu Teheranano. Nur kelkaj ĉi tieaj Esp-istoj devas respondi al cento da alilandaj Esp-istoj.

2• Ni neniam respondas pri politikaj demandoj.

3• Ni ne estas komercistoj, nek filatelistoj. La ŝatantaj de Persaj PM akiru ilin per korespondado Nia korespondada fako havus alie tro da elspezoj.

4• Ne demandu pri grupoj, societoj, nombro de Esp-istoj. Tio nur malhelpas nian propagandan movadon. Tiuj informoj aperas kiam necese en la Esp. gazetoj.

5• Same ne petu pri Esp. libroj, jurnaloj k. t. p. Ekster malgranda broŝuro presita en 1918 (elĉerpita) kaj kelkaj PI aperis nenio. Petoj pri ĉi-aĵoj estas senutilaj

6• Afranku regule viajn poŝtaĵojn. Se ne ni devas pagi duoblan takson. Skribu legeble vian adreson kaj unusisteme nomo, strato, urbo, lando.

7• Estas respondita unufoje al PI. Ni sendos aliajn okaze de novjaro aŭ eksterordinaraj okazoj. Ni respondos ĉiam kaj regule al tiuj, kiuj elektas temon de koresp. aŭ deziras ion klare definitan. *La Teherana Esperantistaro.*

## Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj kaj Internacia Instituto de Bibliografio

*Bruselo, 3bis, rue de la Régence*

La milito kondukis la intelektajn organizaĵojn en malfacilan situacion. Ili ne plu havas je sia dispono la antaŭajn monrimedojn kompare al la nunaj prezoj de ĉio, kaj parto de iliaj oficistoj sin turnis al la urĝaj laboroj de la ekonomia restarigo.

Por eviti, ke la entreprenitaj taskoj kaj la organizitaj oficoj malprosperu, novaj rimedoj devos esti uzataj. En tiu situacio troviĝas la vastega dokumentaro kunigita en Bruselo pere de la Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj kaj de la Internacia Instituto de Bibliografio. Tiuj institucioj petas la kunlaboradon de volontuloj, viroj kaj virinoj, gejunuloj pretaj por partopreni laboron utilan por la homaro, konforma je iliaj gustoj kaj kapablecoj, kaj daŭrigata kun sindona spirito al vasta pactempa laboro, simila je tiu, kiu inspiris la volontulojn por helpinstitucioj dum milito (Ruĝa Kruco, Y. M. C. A., k. a.).

La Unuiĝo kaj la Instituto klopodas por la starigo de vasta universala enciklopedio laŭ la bezonoj de la XXe jarcento. Tiu enciklopedio, speco da Internacia Universitato de la Libro, konsistas el 5 intime kunligitaj partoj: la ĝenerala katologo de la ekzistantaj publikaĵoj (Bibliografio); la kolekto de tiuj publikaĵoj (Biblioteko); la reeldono de difinitaj temoj presitaj pere de eltiraĵoj kunigataj en apartaj dokumentaroj (Dokumentaj Arĥivoj); la elmontro de objektoj kaj studaj materioj ordigataj en kolektoj laŭ sistemaj principoj (Muzeo); la analizo kaj resumo de dokumentoj kaj materioj, kunigitaj por formi ĝeneralajn raportojn ĉiutage kompletatajn, kun resendo, por detaloj, al la aliaj kolektoj (Enciklopedio mem).

La ĉefdirektado de tiu laboro estas la koopera tasko de la Internaciaj Asocioj, ĉiu prenante sur sin tion, kio rilatas al sia fako, uzante komunajn metodojn por la bono de la komuna celo atingota, kaj petante slavice helpon de la naciaj organizaĵoj, kiuj estas filiigitaj al ili.

La tasko estas jam plejparte komencita, tion montras la sekvantaj nombroj: Bibliografio: 12 milionoj da notkartetoj ordigitaj. Biblioteko: 67 filiigitaj bibliotekoj. Dokumentaj arĥivoj: 10,000 komencitaj dokumentaroj. Muzeo: 17 aranĝitaj ĉambroj vizitebiaj de la publiko. Enciklopedia raportaro: pluraj dekmiloj da tabeloj kaj klarigoj.

Planoj kaj metodoj estis studataj detale. Ili antaŭvidas laborkategoriojn taŭgajn por ĉiuj kategorioj da bonvoluloj. La tasko estas vastega. La celata rezultato ankaŭ estas vastega. Por ke ĝi estu uzebla, ne estos necese, ke oni atendu ĝis kiam la laboro estos finita. Ĉio kio jam estas ellaborita, povas tuj esti uzata, kaj ĉiuj povas ĝin uzi. Ĉiu aldono, eĉ eta, al la jam ekzistanta aro, kreskigas ĝian valoron.

Varma alvoko estas farata al la bonvola kooperado. La problemo estas: kunigi por la Universala Enciklopedio aron da kunlaborantoj sindonaj al la intelektaj priokupoj, decidinte sin dediĉi al komuna tasko.

Dum la Mezepoko, la grandaj religiaj societoj, per neprofitema zorgado, savis la grandajn verkojn de la antikva civilizacio. Post la ĝusfinita milito, oni petegas, ke viroj kaj virinoj, agantaj pro sama fervoro, starigu ĉiujope grandan laboron je la honoro de la homa Inteligenteco kaj Aktiveco kaj utiligu ĝin por alceli la estontan Progreson.

## Kolektu uzitajn poŝtmarkojn

De longa tempo la monaĥejoj kaj misioj kolektas uzitajn ĉiulandajn poŝtmarkojn, kiujn ili vendas por siaj celoj. Por unu kilogramo da tiaj markoj oni ricevas ĉ. 10 Fr.

Ni Esperantistoj devus same agi. El la enspezoj oni povus krei

premiojn por fervoraj Esp. lernantoj, kio helpus al la disvastiĝo de nia lingvo.

Samideanoj! Ne evitu la malgrandan penon kaj zorge kolektu uzitajn poŝtmarkojn por nia afero. Kesteto kaj bonvolo estas ĉio, kion oni bezonas. Ankaŭ Esp. infanoj certe interesiĝos al la kolektado.

*Max Schank,*
Allgau R. 220. *Kempten* (Bavario).

## Oni petas!

.·. *Al Ateistoj.* — Ĉiuj el vi bonvolu skribi al mi, por ke ni povu kalkuli la nombron de ateistoj-Esperantistoj. Adreso: Jozefo Major, IX. Remete-n 36 II/4, Budapesto (Hungario).

.·. *Al fervojistoj.* — Ĉiuj fervojaj oficistoj kaj aliaj interesatoj estas petataj sendi malgrandajn artikolojn pri fervojaj aferoj (teknikaj, administraj, trafikaj, oficistaraj pri salajraj, k. t. p.) de siaj landoj al la subskribinto, kiu uzos ilin por propagandi inter la faka gazetaro fervojista en Germanio. Ernst Muthschall, Del. de UEA, Forst (Lausitz), Gubenerstr. 28/II, ĉe Jeschke.

.·. *Al framasonoj.* — Framasonoj Esp. estas petataj komuniki siajn adresojn por restarigi la U. F. L. kaj eldono de „Framasona Jarlibro". La kotizo estas fiksita: 2 M., ⅓ dol., 2.50 Fr., 2 sh., 2.7 pes. Pri ĉio oni sin turnu al S-ro C. Barthel, Wöhlerstr. 14, Frankfurt a. M. (Germanio).

.·. *Al framasonoj.* — Ĉiuj Esperantistaj framasonoj, gemembroj de la „Universala Ambaŭseksa framasona Ordeno" („Ordre Maçonnique Mixte International) estas petataj sendi sian adreson al S-ro J. Erkelens, Borneostraat 47, Amsterdam, Holando, por eble aranĝi kunvenon dum la XII-a kongreso.

.·. *Al ĉiuj Esperantaj gazetoj.* — Dum oktobro 1920 okazos en Melbourne kongreso de gazetistoj, ĉe kiu S-ro Hyde reprezentas Esperanton. Por intencataj klopodoj ĉe la gazetistoj ni deziras montri la gazetaron Esperantistan kaj petas alsendi po unu ekzempleron de ĉiu nuntempe aperanta Esp. gazeto. Adr.: Aŭstralia Esperanto Asocio, Box 731, Elizabeth street, P. O. Melbourne.

.·. *Al Esperant. Grupoj.* — S-ro Adalbert Smit, Schoterweg 53 r., Haarlem (Nederlando), intencas fari poresperantan paroladvojaĝon tra Belgio kaj Francio, dum kiuj li prezentus siajn poemojn. Grupoj kiuj intencas lin inviti bonvolu tion fari baldaŭ skribante pri ĉiuj detaloj al li.

.·. *Al filatelistoj.* — Suomen Postimerkkilethi, la sola Finnlingva organo de filatelio presigas kelkajn informojn ankaŭ en Esperanto. Eksterlandaj samideanoj proponu al la redaktoro, S-ro Olla Teräsvuori, Porvoo, Finnlando, ke li presigu resumojn de la artikoloj en nia lingvo. Petu ankaŭ specimenojn de ĉi tiu bone redaktata, ilustrata revuo duonmonata.

.·. *Al laboristoj.* — La oficiala organo de la „Hungara Socialista Partio", la „Voĉo de la Popolo" (Népozava) faris kontrakton kun la nun fondita „Laborista Servo Esperantista", ke ĝi publikigos ĉiujn sciigojn, pri socialista, laborista movado, kiuj venas el Eksterlando per la Servo. Ni do insiste petas ĉiujn socialistojn kaj laboristojn, ke ili nepre ĉiam sendu al nia adreso, ĉiujn interesajn sciigojn pri novaj socialistaj kaj laboristaj movadoj en ilia regiono. Laborista Servo Esperantista, Budapest (Hungario), IX., Lónyai 34.

.·. *Al skoltoj.* — La Budapesta skoltgrupo „Senior" intencas starigi internacian presoficon kaj informservon por skoltaj aferoj. Ĝi volas esti la centra informservo de la skoltaro, ĉiu skoltgrupo bonvolas turni sin al ni por pritrakti la aferon. Ni petas ĉiun samideanon traduki kaj doni tiun ĉi alvokon al la nacilingvaj gazetoj por represigo. Adreso: S-ro Endro Hevesi, Teréz körut 30, Budapest.

.·. *Al turistoj.* — Turistoj kaj precipe anoj de societo „Naturamikoj" skribu al mi, por ke mi povu provi ĉe tiea societo „Naturamikoj" la neceson enkonduki Esperanton. Al ĉiuj oni tuj respondos. Adr.: Josefo Major, IX. Remete-n 36 II/4, Budapest (Hungario).

.·. *Al ĉiuj.* — La komerca revuo „Meza Danubo" (V. Zoltán u. 10. III. Harmathy, Budapest) enkondukis E. angulon, publikigas fakliston en Esp. de hungaraj firmoj en ĉiu numero kaj publikigas ĉian komercan novajon senditan per Esperantistoj. Helpu al ĝi! Petu almenaŭ provekzempleron! Sendu novajojn! Jarabono por 36 n-roj nur 3 Svisaj frankoj! Ĝi servas al eksterlandaj komercrilatoj kun Hungario kaj estas bonega propagandilo.

.·. *Al ĉiuj.* — Laŭ instigo de la Societo „Esperanto" la komerca ĉambro en Kráków sciigis la Societon, ke ĝi akceptis E. kiel unu el ĝiaj oficialaj lingvoj, kaj rekomendis al siaj oficistoj ĝin lerni. La E. Societo petas, ke oni bonvolu skribe esprimi sian aprobon pro tiu decido al la komerca ĉambro. Adr.: Izba Handlowa, Dluga 1, Kráków (Pollo).

.·. *Al ĉiuj.* — En Budapest regas granda mizero! Ni bone scias, ke la Esperantistoj mem ne multon povas helpi, sed publikigante pri tio artikolojn, ili povas instigi en diversaj landoj helpmovadojn, kiel jam okazis en Nederlando. Helpu do! Tiu peresperanta helpo estas ankaŭ efika propagando! Detalajn artikolojn volonte sendas la Hungara Esperanto Servo, Budapest VI., Hajós u. 15. II. 2. Aliaj Esp. gazetojn ni petas represi!

.·. *Instruisto W. Wittbrodt,* Anzengruberstrasse 3, Berlin-Neukölln (Germanio), gvidas kurson de 22 knaboj kaj knabinoj. Je la fino li aranĝos ekzamenon por premii la plej diligentajn lerantojn. Samideanoj bonvolu sendi al li malgrandajn interesajn premiojn, kiuj povas esti disdonotaj al la lernantoj. Antaŭdankon.

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Arthur Sohrmann,* Del. de UEA, kore dankas S-ron W. A. Buchheim, membro en Boulder (U. S. A., Col.), pro afabla sendo de 24 skatoloj de lakto; la sendaĵo alvenis dum pasko kaj estis disdonita al la membroj de la grupo.

.·. S-ro *Svitberto J. Degenkamp,* Utrecht, tutkore dankas S-rojn P. Tagliacozzo, VD. en Roma, F. W. Illing, en Wien, kaj K. Kauffmann, en Frankfurt, pro afable kaj sindone plenumitaj servoj.

.·. S-ro *P. Balkányi,* Del. en Budapest, kore dankas S-inon Nelly Sevenhuijssen, en Haarlem, S-ron D-ro Baart de la Faille, Del. en Arnhem, S-ron K. H. Meyer, en 's-Gravenhage, pro bonkora monhelpo al hungaraj Esp-istoj.

.·. S-ro *Pedro Naranjo,* membro el Jerez de la Frontera, dankas S-ron Paul Blaise, komitatano de UEA en London pro komercaj sciigoj.

.·. S-ro *E. S. Hediger,* membro el Bern, dankas S-ron Pizzi, Del. en Venezia, por afabla akcepto dum lia ĉeesto en tiu ĉi urbo.

.·. S-ro *Joe Pfanner,* membro el Genève, kore dankas S-rojn De Balzac, Del. en Torino, M. Arabeno, Del. en Genova, Achilini, Clavenna kaj ĉiujn samideanojn en Italio, kiuj bonvolis helpi lin dum lia restado.

.·. F-ino *Marie Moudrá,* membro en Praha, kore dankas pro afabla helpo kaj lerneja informo al S-roj E. Klein, en Essen, kaj E. Markaŭ, en Potsdam (Germ.).

.·. S-ro *P. J. A. Muffang,* en Bourg-la-Reine, dankas afable S-ron Karel Loveček, Del. en Holešov, pro plenumita servo.

.·. S-ro *W. M. Kjellman,* Del. en Uddevalla (Svedio), kore dankas la VD. en Berlin, F-ino Marta Rabe, pro plenumita komerca servo.

.·. S-ro *R. Richez* dankas Ge-sroj W. Kohl, en Lausanne, pro ilia bona akcepto en ilia vere Esperanta hotelo.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Gabelmann,* membro en Freiburg i. B. naskiĝis filino.

Al Ges-roj *Koch,* Vic-Del. de UEA en München naskiĝis filino.

Al Ges-roj *J. Smith Clough,* Del. de UEA en Folkestone (Britio) naskiĝis filo, nomita Arthur Hubert.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Ernst Muthschall,* Del de UEA en Forst i. L., kun F-ino *Elsbeth Jeschke,* membro N-ro 13,109.

S-ro *Halbedl,* membro de UEA en Graz kun F-ino *Gusti Wellhausen.*

S-ro *W. Lippmann*, kunlaboranto de „Esperanto“, kun F-ino *Elisa Barbag*.

**Edziĝoj.** — S-ro *Antoine Cherblanc*, filo de nia Del. en Tarare (Rhône), edziĝis kun F-ino *Reynier*, filino de Esperantiano en Lyon. Kiel notario, kontraktigis S-ro Bois, Esp-iano en St-Laurent-de-Chamousset.

S-ro *H. Krysztal*, VD. en Lodz, kun F-ino *Eva Laufer*.

S-ro *A. Mantovani*, konsilanto de l' Esp. domo en Milano, kun F-ino *Maria Bonizzoli*.

S-ro *Frans Schoofs*, Delegito kaj Dumviva membro de UEA en Antwerpen, kun F-ino *Henriette van den Putte*.

S-ro *D-ro Sabin*, membro de loka grupo en Graz, kun F-ino *Riky Huber*.

**Honorigo.** — S-ro *D-ro Cottrell*, dumviva membro de UEA estis nomita direktoro de la Mineja Departemento en Washington.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**B. J. Klingenberg**, infanteria kapitano, Regiona Delegito de UEA en Kristiania depost novjaro 1910, mortis la 28 aprilo aĝa 75 jarojn.

Dum la lastaj 6—7 jaroj li pro piedartrito kaj aliaj suferoj ne plu povis partopreni niajn kunvenojn, escepte, ke li kelkfoje kunvenigis nin en sia hejmo (je lasta fojo la 30 aprilo 1917 por funebra festo pri D-ro Zamenhof). Sed sian agadon por Esperanto kaj por UEA li daŭrigis skribe kaj telefone laŭ tuta povo preskaŭ ĝis lasta tago. „Mi mortas colon post colo“ la kapitano diris al mi jam antaŭ kelkaj jaroj. Sed kuraĝe li bataladis tagon post tago kontraŭ „La lasta malamiko“, ĉar li estis la personigita energio. Tion atestas ankaŭ lia ampleksa verkado, jen nacilingve jen en Esperanto, por la Esperantismo, por la pacifismo, por la logika pensado, por natursciença filozofio k. c. Tradukinte kelkajn specimenojn de Norvegaj klasikaĵoj (ekz. Ibsen: Hedda Gabler, 4an akton) li donis al ni tre imitindan, esperEble ankaŭ de tempo al tempo imitotan ekzemplon. Li postlasis aron de ne presitaj manuskriptoj, el kiuj tre valora, unua parto de detala Norvega-Esperanta vortaro (literoj A—G).

Entute kun S-ro Klingenberg mortis unu el la plej influhavaj (precipe en oficiraj kaj pacifistaj rondoj) kaj laboremaj pioniroj de la Norvega Esperanto-movado. Kaj kio pli valoras: li estis unu el tiuj fidelaj pioniroj, kies intereso estas konstanta malgraŭ malhelpaĵoj kaj mokridoj. Lia merito estas, ke li sukcesis dum malfacilaj tempoj organizi la UEA-ajn servojn, kolekti kaj konservi sufiĉe grandan aron da fidelaj UEA-anoj.

Dum la unuaj jaroj la hejmo de „la Kapitano“ kaj de lia afabla edzino servis kiel renkontejo por la Kristianiaj Esperantistoj, kaj ĝi ankaŭ ĉiam restis malfermita por vojaĝantaj Esperantistoj. Li estis kiel bona patro por la Norvegaj samideanoj. Lia nomo restos ĉiam gravurita en la historio de la Norvega Esperanto-movado.

*H. Bonnevie.*

La funebro okazis 3 majo je solenaj cirkonstancoj. Tre multaj Esperantistoj ĉeestis; la prezidanto de N. E. L. metis florkronon sur la ĉerkon en nomo de la Norvegaj Esperantistoj, memorigante per varmaj vortoj la gravan laboron de la mortinto, la grandan signifon; kiun li havis kaj ĉiam havos por nia afero en Norvegio. La lastan saluton de tiu-ĉi mondo li ricevis en Esperanta lingvo. — *R. E. B. P.*

**Manuel Benavente**, profesoro de matematiko, muzikverkisto, kaj dum multaj jaroj Del. de UEA, en Murcia mortis la 13 junio.

**Karl Binder**, membro de la Grupo en Graz.

**Franz Blümel**, sub-kolonelo, membro de loka grupo en Graz.

**Edward J. Burham**, fondinto de la „Pionira Grupo“ en Manĥester (Usono, New Hampshire), unu el la unuaj Esperantistoj en Usono.

**W. H. Gove**, eksdelegito de UEA en Salem (U. S. A., Mass.).

**Karl Meyer** el München, unu el la plej malnovaj kaj fervoraj ĉi tiaj Esperantistoj mortis tute neatendite. Reveninte sana el la milito li bedaŭrinde nun fariĝis viktimo de la gripoepidemio. Jen vere grava perdo trafis la Munĥenan samideanaron, ĉar la tro frue mortinto estis vere modela samideano, kompreninte plene la internan ideon de l' Esperantismo. Nia reviviĝinta ĉi tiea movado akre sentos la foreston de tiu ĉi nelacigebla propagandisto kaj sincera amiko de UEA.

Nun li dormadas en la idilia „Arbara Tombejo“. S-ro Koch, Prez. de la Munĥena „Esperanto-Ligo“ parolis ĉe la tombo de la neforgesebla amiko kortuŝajn adiaŭajn vortojn, metinte florkronon en la nomo de la Ligo. — *H. T.*

**Nanju Ognjanov**, Del. de UEA en Lidĵene (Bulgario), mortis la 9 majo post kelkmonata malsano, en aĝo de 35 jaroj. Li estis fervora ano de nia afero kaj fondinto de la Esp.-rondo en tiu loko.

**André Richard**, membro el Cannes, filo de nia VD. *Paul J. Richard*, mortis atinginte aĝon de nur 20 jaroj.

**D-ro Viktor Ungar**, membro el Lwow (Lemberg), subite mortis laŭ gazetinformoj en Zagreb. La mortinto estis vice-konsulo de Polio en Ĝenevo depost 1919.

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Julia raporto*

Pli ol unu fojon ni ricevis demandon pri la celo de nia asocio. Ŝajnas, ke nia regularo, trovebla en la januara numero de tiu ĉi gazeto, estas iomete tro maldetala, tro lakona. Ni do aldonu kelkajn vortojn. E. L. A. estas fondita en Antverpeno 1911. Ĝi unue nomiĝis: „Internacia Unuiĝo de Esperantaj Verkistoj“, tio estas samideanoj, kiuj jam aperigis Esperantajn artikolojn kaj intencis verki librojn. Por ke la libroj kiel eble plej perfekte aperu, ni proponis reciprokan helpon de la verkistoj. Ĝi konsistas en tio, ke manuskriptoj antaŭ la presado estu legotaj de alia samideano, laŭeble en alia lando. Ĉi tion efektivigas la administrejo de nia asocio; sian novan nomon ĝi ricevis en Krakovo 1912. La anoj, „kolegoj“, estas pretaj, ĝenerale senpage, legi manuskriptojn, aldonante ŝanĝproponojn pri stilo kaj esprimmaniero. Verkisto anoncas sian laboron al la administrejo de E. L. A. kaj tien sendas sian manuskripton. De tie ĝi estas sendata al kiel eble plej kompetenta kolego, kiu ĝin resendas kun siaj rimarkigoj al E. L. A. Tiel la verkistoj reciproke konatiĝas, bonaj, senripročaj libroj aperas, nia literaturo pli kaj pli valoriĝas. Per legado de bonstilaj libroj ni ĉiuj pliperfektiĝas, la verkisto ne timas la kritikon, lia libro estos aĉetata, ĝi ĝisvivos duan kaj trian eldonon.

En nia raporto, Germana Esperantisto 11—12, ni citis verkon de nia nova nembro P. v. Medem, „*Fraŭlino Suzano*“, dirante, ke ĝi estos priparolata pli poste. Tio okazis tre maldetale en la februara raporto 1920 (Esperanto). Kvankam la libro ne estis prezentata al E. L. A. antaŭ la presado — S-ro von Medem ne ankoraŭ estis E. L. A. nembro — ĝi meritas nian laŭdan kritikon.

Per la traduko ni konatiĝas kun ne tre konata, sed bona rusa verkisto: V. G. Avsejenko; li certe meritas, esti legata en plej vasta rondo, ĉi tio ja estas unu el la taskoj de Esperanto. La traduko lerte montras la karakteron de la rusa originalo, samtempe oni ĝin rimarkas, sed ne estas per ĝi ĝenata. La libro havas klasikan, kvazaŭ internacian stilon.

Kelkaj malgrandaj, sensignifaj eraroj malaperos en dua eldono, kiu certe baldaŭ okazos, ĉar la rakonto volonte estos legata. Erare enŝoviĝis la vorto eksplikі anstataŭ klarigi, preseraroj estas tre maloftaj. La verketo apartenas al la vere rekomendindaj libroj de nia literaturo, ĝi estas fundamentfidela kaj en delikata maniero instrua. (Dresden, Ader & Borel, pr. 2 M. 40).

*Marie Hankel*, Nicolaistr. 18/II, Dresden.

## Centra Dana Esperantista Ligo

*(Oficialaj informoj)*

La propagandfondaĵo de C. D. E. L. sendis al ĉiuj samideanoj, kies adresoj estas konataj de „Centra" cirkuleron enhavantan raporton kaj kalkulon pri la fondaĵo. Samideanojn, kiuj ankoraŭ ne ricevis ĝin, ni petas, ke ili sendu sian adreson; tiuj, kiuj ne ankoraŭ sendis monsubtenon, bonvolos tion fari kiel eble plej baldaŭ!

„Centra" preparas nuntempe propagandilon uzeblan ĉe komercistoj. Ni estos tre dankemaj, se oni alsendus utilajn sciigojn pri starigo de Esp. komercaj unuiĝoj, pri firmoj, kiuj uzas nian lingvon, entute pri ĉiuj faktoj, kiuj povus interesi komerciston.

Ni ripetas nian instigon partopreni la XIIan kongreson en Hago kaj rememorigas, ke la lasta ĝenerala kunveno de C. D. E. L. decidis ne okazigi Jaran Kunvenon dum tiu-ĉi somero, esperante, ke la Danaj Esperantistoj, al kiuj la vojaĝo estas eblaj, partoprenu multnombre la kongreson.

Dum la lasta monato ne okazis kunveno de reprezentantoj de C. D. E. L. pro foresto en eksterlando de la prezidanto S-ro Blicher. De Germana Esperanto Asocio ni ricevis cirkuleron koncerne samtagan propagandon en ĉiuj landoj; ni dankas pro la propono, sciigante, ke ni priparolos la aferon dum la venonta kunveno de l' estraro.

De niaj Finnaj samideanoj ni ricevis la sciigon, ke ili aliĝis al nia „Skandinava Konsilantaro"; kiel anoj estas elektitaj S-roj Vilho Setälä kaj Georgo Ĉernohvostov. Ni deziras al ili bonvenon en la laboro.

Por „Centra Dana Esperantista Ligo",
Sekr: *Astryd Rybo*
Skolen ved Sundholm, *København S.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10% por 3 enpresoj kaj 25% por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 4.50 Kr.; *Belgio* 0.90 Fr.; *Britio* 7½ d.; *Bulgario* 2.25 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr.; *Finnlando* 1.50 F.M.; *Francio* 0.90 Fr.; *Germanio* 1.80 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 4.50 Kr.; *Italio* 1.05 L.; *Jugoslavio* 3 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 1.80 M.; *Skandinavio* 50 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 3 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = ***poŝtkarto.*** PI = ***poŝtkartoj ilustritaj.*** PM = ***poŝtmarkoj.*** bfl = ***poŝtmarko sur bildflanko.*** k. ĉ. l. = ***kun ĉiuj landoj.*** Esp-aĵo = ***Esperantaĵo.***

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro Vaclav Stary, XV. Turnergasse 25/15, L, PI, PM, k. ĉ. l. (salutas siajn malnovajn korespondantojn kaj denove koresp. kun ili pri ĉiuj nuntempaĵoj).
**Wien.** — S-ro Frederiko Molnar, inĝeniero, IX/4 Währingergürtel 162, PI, PM, L (pri elektroteĥniko kaj elektromedicino, pri socialaj temoj).
**Wien XIII.** — S-ro Joseto Kolnhofer, 4 Zehntnergasse 37, PI, L, PM, k. ĉ. l.
**Wien I/1.** — S-ro Johano Weninger, Habsburgergasse 6, PM, PI, bfl, ilustr. Esp. kaj filat. gazetojn.

### Belgio

**Boendael.** — F-ino Georgette Vanderstock, 62, avenue du Bois de la Cambre, PI, bfl (urbvidaĵoj), PM.
**Bruxelles.** — S-ro R. Vanros, 224, Ave. de Jette, L, PI, PM.
**Bruxelles.** — S-ro Hubert Sirjacobs, 27, rue Niellon, Laeken, PM, k. ĉ. l.
**Bruxelles.** — S-ro François Dieks, 19, rue de l'Eglise, Jette St-Pierre, PM, k. ĉ. l.
**Bruxelles.** — F-ino Cl. Van Hemelrijck, 45, rue des Tanneurs, PI, bfl, PM.

### Britio

**Colne** (Lancashire). — S-ro W. H. Cocks, 97, Keighley Road, PI (tipaj regionaj vidindaĵoj kaj vestaĵoj, k. ĉ. l., aĉetas stereoskopaĵojn).
**Dalston-London E. 8.** — S-ro Richard H. Carmen, 62, Malvern Road.
**London E. 13. Plaistow.** — S-ro James H. Parnum, 48, Jedburgh Road, PI.
**Portsmouth.** — S-ino Margaret Ellen Gall, 85, Arundel Str., PK (pri botaniko).

### Bulgario

**Sofia.** — S-ro Petro Georgiev, studento, knijarnica Esperanto, bul. Marie Louise 46, L, PI, k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio

**Bodenbach.** — S-ro Karl Lusticky, komercisto, Bräuhaus, L, PI, PK, PM, bfl.
**Brno.** — S-ro Milous Nemec, oficisto de Mor. slez. banka, Jakubské nám. 7, PK, PI, PM, L.
**Cerveny Kostelec.** — S-ro Frant. Baliček, instruisto, PI, naciilingvaj gazetoj ilustritaj.
**Cerveny Kostelec 261.** — S-ro Oldrich Vanek, L, PK, PI, PM, bfl, k. ĉ. l. PM akceptas ĝis 5 de ĉiu speco. Ne sendas unue. Ĉiu sendaĵo estas tuj reciprokata.
**Dečin n. L.** — S-ro Josef Hauf, Václavské nam. 115, PI (ĉiam tuj respondas).
**Dux.** — S-ro Friedrich Scheithauer, Gymnasium, PI, PM.
**Holešov.** — Korespondantinojn por 14-jaraj lernantinoj kaj por 18—19-jaraj deziras: Karel Loveček, Paláckeho tr. 7.
**Hradec-Kralóvé.** — S-ro Semrad Petr, gimnaziano, PM.
**Hronov n. Met. 266.** — S-ro Ant. Spelda, PI, bfl, k. ĉ. l. (Precipe kolektas bildkartojn kun diversaj tipoj de belaj virinoj ĉiulandaj. Respondas ĉiam kaj rapide.)
**Jaromer n. L.** — S-ro Stefano Nachbaur, 284, PI, bfl.
**Jicin.** — S-ro Emil Vagner, Staré Lázne 71, PI, L, PK, k. ĉ. l.
**Jicin.** — S-ro Borivoj Benetka, Tyrsova 243, L, PK, PI.
**Jilemnice 306.** — S-ro Josef Kavan, PM, k. ĉ. l.
**Kromeriz.** — S-ro Jan Kotek, studento, L, PK, PI.
**Litovel.** — S-ro Kl. Urban, profesoro, L, PI (pri geografio, turismo, sociaj movadoj, kun Anglaj samideanoj).
**Moravany** (Boh.). — Bohema Esperanto Servo, PI, Esp-aĵojn, kolektas adresojn.
**Olomouc.** — S-ro V. Rebrik, studento, Dolni Fröhlichová 4, PI, PM, k. ĉ. l.
**Olomouc.** — S-ro Frant. Lanzer, Vilsonovo nám. 28, PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha-Nusle.** — S-ro Jan Mikŝ, Jaromirova 494/I, PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha Bubenec.** — S-ro Václav Vostárek, Dolni nám. 53/I, PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha-Nusle.** — S-ro Frant. Cerny, Svatoplukova 387, PI, PM, k. ĉ. l.
**Ruzomberok.** — S-ro Eduard Bulla, oficisto de Slovenská banka, PM, PI, bfl, k. ĉ. l. (tuj respondas al ĉiu).
**Sered.** — S-ro Johano Kratochvilla, instruisto, PM, k. ĉ. l. (Preferas ricevi transmarajn PM. Ĉiu, kiu sendos al mi 100—200 PM de sia lando, ricevos saman kvanton aŭ valoron de ĉeĥoslovakajn aŭ hungarajn PM. Ĉiam respondas.)
**Tetschen.** — S-ro Anton Krikawa, pentristo, Kirchgasse 333, PI, bfl.
**Tetschen-Liebwerd.** — S-ro Fritz Heuer, ĥemia helpanto, PM.
**Tetschen-Liebwerd 78.** — S-ro Franz Bruche, librotenisto, L, PI, PM, bfl.
**Tuklaty ap. Ouvaly.** — F-ino Boza Chroustova, PK, L, k. ĉ. l. (ĉiam respondos).
**Vranov.** — S-ro Zoltano Sugár, Zemplinska zupa, PI, L, k. ĉ. l.
**Vranov.** — S-ro Zoltano Kraemer, Zemplinska zupa, PM, PI, k. ĉ. l.
**Zvolen.** — S-ro Artur Kobsa, oficisto, PI (kun fraŭlinoj).

### Danio

**Slagelse.** — S-ro Svend Dühr Martensen, Nytorv 10, PM, k. ĉ. l.

### Danzig (Liberŝtato)

**Danzig.** — S-ro W. Friedrich, rektoro, Petershagen 33, PM, PI, L, k. ĉ. l (nepre respondos).
**Danzig.** — F-ino Margarete Werschkul, Kaninchenberg 14, L, PK.

### Estonio

**Tallinn** (Reval). — S-ro Ernst Seim, Baltiskostr. 38b, PI, PM, k. ĉ. l.

### Finnlando

**Abo.** — S-ro E. F. Kuusinen, PM (ne malpli ol 100).
**Aggelby.** — S-ro Eino Hurme, negocisto, Linsved 22 (interŝanĝas PM de Finnlando kaj novaj Baltaj ŝtatoj kontraŭ PM el ĉiuj landoj).
**Kymi.** — S-ro Kalle Huuskonen, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Kymi.** — F-ino Aino Vesterinen, Klerikkala, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro E. Härkönen, inĝeniero, Hutanimenkatu 3 A, P, PK (pri internacia lingvo, tekniko).
**Hovinmaa.** — S-ro Onni Närvänen, L, PI, bfl.
**Joensuu.** — S-ro V. Puumalainen, studento, PM.
**Joensuu.** — S-ro O. Kettunen, kontoristo, L, PI, PK.
**Kuusankoski.** — S-ro Ilmari Rautio, Del. de UEA, deziras korespondantojn por siaj gekursanoj (ĉiam respondos).
**Pori.** — S-ro Urho Roine, Mikonkatu 13, PM.
**Pori.** — S-ro Ilmari Helomaa, Itäpuistokatu 14, PM (Finnajn, Ĉeĥoslov. kaj Estoniajn).
**Ulvila.** — S-ro Paaro Aaltonen, L, PI (kun seminarianoj en ĉ. l.).

### Francio

**Ardres** (Pas-de-Calais). — S-ro André Pruvot, PK, PM.
**Bourg-la-Reine** (Seine). — S-ro Pierre Muffang, 14bis, avenue Galois, L, PI (kun katolikoj pri scienco kaj arto).
**Bourg-la-Reine** (Seine). — Esperantista Grupo, 14bis, av. Galois, PI (komencantoj).
**Chalon-sur-Saône** (S.-et-L.). — S-ro L. Buisson, tipografo, 16, rue d'Autun, PI, PM, L, bfl (ĉiam tuj respondas).
**Lyon-Croix-Rousse.** — S-ro J. Soudeille, 32, rue Valentin Couturier, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Méneton-Salon** (Cher). — S-ro P. Branchu, PI, bfl, PM, k. ĉ. l. (krom Anglio).
**St-Omer** (Pas-de-Calais). — S-ro R. Clipet, élève au lycée, PM, k. ĉ. l.

### Germanio

**Breslau.** — S-ro Georg Habellok, Schleiermacherstr. 19, PI, PM, k. ĉ. l.
**Eisenach.** — S-ro Erich Schleicher, Mariental 19/I, PI (naciajn kostumkartojn), bfl, PM (unua sendo kondiĉo).
**Görlitz.** — S-ro Alfred Scholz, Breitestr. 3, nur L (kun lertaj Esp-istoj pri politiko, filozofio kaj socia vivo).

**Halle a. S.** — S-ro P. Gedai, Böllbergerweg 13, L, Pl, k. ĉ. l.
**Hamburg.** — S-ro G. Rauch, inĝeniero, Stadthausbrücke 3, PM.
**Hamburg 11.** — S-ro Alberto Hoffmeister ĉe P. Marschall, Grosse Bäckerstr. 24, L, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Köln-Kalk.** — S-ro Walter Dahmen, stud. merc., Rodderg 52, Pl, L (precipe kun gajaj fraŭlinoj, k. ĉ. l.).
**Köln-Kalk.** — S-ro Werner Schwarz, stud. rer. pol., Odw. 68, Pl, L (precipe kun spritaj samideaninoj, k. ĉ. l.

## Hispanio

**Baracaldo.** — S-ro José Salazar, 22, Pormecheta, L, Pl, PK (kun ĉiuj sam-anoj ĉ. l.).
**Barcelona.** — S-ro Ludoviko Batet, 209, strato Mariano Cubi, L, Pl (laŭ peto sendos cirkulerojn, informojn pri la kongreso de Iberiaj Esperantistoj).
**Barcelona.** — S-ro Sanĝenis, 1, strato Asturias, Pl, PM.
**Barcelona.** — S-ro Jozefo Gispert, 1, strato Asturias, Pl.
**Barcelona.** — S-ro Angelo Perez, 35, strato Segués, Pl.
**Barcelona.** — S-ro Anton Pujol, Valencia 181-2-2, Pl, PM, L, k. ĉ. l.
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Antonio Valle, ĥirurghelpanto, Pl, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Sevilla.** — S-ro Carlos Martinez, Estación Plaza de Armas, Via y Abras, PM, Pl (prefere kolorigitaj kun bildoj de la ĉefaj urbvidindaĵoj).

## Hungario

**Budapest.** — S-ro Stefano Géri, IX., Tüzoltó u. 33/a. I. 21, PK, L, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro R. Kovács, IX. Liliom utca 31. III. 21, L, PK (pri ĉiuj temoj), Esp. ŝlosiloj.
**Budapest.** — S-ro B. Berkovits, VII, Nefelejts u. 27, Pl (kun socialistoj).
**Budapest.** — S-ro Georg Ungar, VI, Révai utca 24, L, PK.
**Nagykörös.** — S-ro Estnjo Hajdn, VI ker. 9 sz., Pl.

## Italio

**Pisa.** — S-ro Guido Pontecorvo, 35, Via Manzoni, Pl, PM.
**Pisa.** — S-ro Paolo Pontecorvo, 35, Via Manzoni, Pl, PM.
**Pisa.** — S-ro Francesco Donati, 12, Via Nino Biscio, PM.
**Pisa.** — S-ro Enrico Landi, Via Michele degli scalzi, Pl, PM.
**Pisa.** — S-ro Renato Fiorini, 31, Via Vittorio Emanuele, Pl, PM.
**Pisa.** — S-ro Federico Tornar, 21, Lung'Arno Gambacorti, p. 2, Pl, PM.
**Potenza.** — S-ro G. Bochichio, studento, 6, Vico Cardesco, L, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Potenca.** — S-ro F. Cesarini, Del. de UEA, Pl (kun ĉiulandaj gesamideanoj).
**Roma 20°.** — La „Roma Junula Esp. Grupo" serĉas gekorespondantojn en la tuta tero por siaj anoj, PK, Pl, PM (adreso ĉe la grupa sekretario: Carlo Wenzel, 121, Piazza Montecitorio).
**Roma.** — S-ro Marcello Quojani, 18, Via Copelle, Pl, PM, k. ĉ. l.

## Letonio

**Leepaja** (Libau). — S-ro J. Kaplan, Juhras eela 20, PM (prefere kun novaj ŝtatoj).
**Riga.** — S-ino E. Strazde kaj S-ro K. Strazde, Suvorova eela 32 dz. 14, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Riga.** — S-ro Augusto Krause, Swaigschnu eela 21, dz. 48, Pl, L, bfl, k. ĉ. l. (precipe Azio, Afriko, Aŭstralio, Nov-Zelando).

## Nederlando

**Amsterdam.** — S-ro A. F. Ohlbuchs, Kinkerstraat 12 A/II, L, Pl, k. ĉ. l.
**Deventer.** — S-ro H. Prins, Polstraat 14, L (pri senfadena telegrafio).
**Deventer.** — S-ro J. L. Goldenbelt, Rozengaarderweg 133, Pl, k. ĉ. l.
**Vreeswijk.** — F-ino Henny de Beus, poŝtoficistino, Pl, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Zwolle.** — S-ro J. Kromme, fervojoficisto, Molenweg 168, PM, k. ĉ. l., Pl (prefere stacidomoj, monumentoj, k. t. p., sed ne fantaziaj).

## Norvegio

**Tonsberg.** — S-ro L. W. Halvorsen, Rambergo 30, L, Pl, k. ĉ. l.

## Polio

**Sambor.** — S-ro Jan Tyrka, Pl, L, k. ĉ. l. (pri diversaj temoj, interŝanĝas kaj kolektas naciilingvajn gazetojn).

## Portugalio

**Lisboa.** — S-ro F. Gonçalves, 98, Rua de Santa Justa, Pl kaj sigelmarkoj.

## Saarteritorio

**Friedrichsthal.** — S-ro Nik. Donien, Moltkestr. 10, L, PK, Pl, k. ĉ. l.
**Friedrichsthal.** — S-ro Johann Nelz, Schillerstr. 6, L, Pl, k. ĉ. l.

## Svisio

**Turgi** (Aargau). — S-ro Ernst Früh, Vogelsang, Pl, PM.

## Ameriko

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Angel Mazzuconi, 983, Cochabamba, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Iowa City** (U. S. A., Iowa). — Knabskoltoj kolektas monerojn, Pl, PM. Estro: E. J. Ashbang, 1035, E. Burlington Str.
**Montevideo** (Urugvajo). — S-ro Otto Branner, 12, strato Rodriguez Larreta (Pocitos). Esp., Hisp., France kaj Germane. Katalogojn kaj gazetojn pri fotografio.
**Montreal** (Canada). — S-ro T. A. Allan, 91, Prud'homme Ave., N. D. G., L, PK (kun fervojistoj kaj kun Azianoj, interŝanĝas fotojn).
**Schenectady** (U. S. A., N. Y.). — S-ro A. E. Brown, 237, Green Str., L, Pl, k. ĉ. l.
**Talleres F. C. S. Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Domingo Mondini, 6164, Centenario, Pl, bfl, PM.
**Wahkon** (U. S. A., Minn.). — S-ro Pierre Parish, Consolidated School, L, Pl, PM (kun eksterlanduloj pri ilia respektiva lando).

## Azio

**Blagoveŝĉensk** (Siberio). — S-ro P. Kuznecov, Grafskaja 55, L, Pl, PK.
**Fushimi-Kioto** (Japanio). — S-ro Kikuo Kaŭakani, Nippon Seifu Kompanio Ltd., Pl.
**Kioto** (Japanio). — S-ro Hideo Jagi, Dai 3 Kotogakko, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Tschang-Sin-Tien per Peking** (Ĉinio). — S-ro Simon Tan-Kin-Tsing, fervojisto L, Pl, PM.
**Shanghai.** — Junula Esperanta Asocio de Shanghai, 71, Broadway Terrace, deziras ricevi diversajn Esperantajojn, propagandilojn, gazetojn. Interŝanĝe sendos PM, Pl.
**Shanghai.** — S-ro V. Stopani, Broadway East 35, junulo Pl, bfl, PM (ankaŭ pri religio kaj novaj problemoj).

# PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpreso kaj 25 % por 12 enpresoj. Antaŭa pago.
En nacia mono: *Aŭstrio* 3 Kr.; *Belgio* 0.60 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 1.50 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.20 Kr. ĉ.; *Finnlando* 1 F. M.; *Francio* 0.60 Fr.; *Germanio* 1.20 M.; *Hispanio* 0.50 P.; *Hungario* 4 50 Kr.; *Italio* 0.70 L.; *Jugoslavio* 4.50 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 1.20 M.; *Skandinavio* 0.35 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni pagu per ili: 1 respondkupono = 25 centimoj.)

**Adresaro.** — Sekretariejo de Esperantistoj en Privoz eldonos vastan adresaron de ĉiulandaj Esperantistoj. Samideanoj dezirantaj, ke ilia nomo aperu en ĝi sendu tuj per il. poŝtkarto korektan adreson al Karel Nemec, Riegrova 456, Privoz (Ĉeĥoslovakio).

**Agentejo-Maklerado-Riprezentado.** — Firmo Gustave Vermandere, 27, rue van der Kellen, Antwerpen (Belgio). Specialaĵo: Oleohavantaj grenoj.

**Astronomio.** — Planedar-modelojn kaj aliajn instruilojn deziras aĉeti F. Albino, 22, Ainger Road, London N. W. 3.

**Averto.** — Mi avertas ĉiujn, ke mi ne plu respondos al demandoj sen akompano de necesa re-afranko. Mi ricevis tiom da petoj pri poŝtmarkoj k. t. p. sen respondkupono, ke mi estas devigata agi tiel. Adolf Oberrotman, Del. de UEA, Varsovio (Pollando).

**Atentu!** — En poŝtkarta albumo de ĉiu devas troviĝi ankaŭ poŝtkartoj historiaj. Tiaj estas poŝtkartoj pri nova Eŭropa ŝtato, respubliko Estonio. Ili estas: 1° Geografia karto Estonio; 2° Estonaj monbiletoj (ĉiuj sur unu PK); 3° dua flanko de la monbiletoj; 4° Estonaj poŝtmarkoj. La prezo: geografia karto 2 Mk. (Estonaj), aliaj 5 Mk. por ĉiu karto. Minimume 50 ekz. 20 % pli malkare. Afranko 25 p. por ĉiu 15 PK kaj 1 Mk. 25 p. por rekomendo. Prezon bonvolu sendi antaŭe. J. Vahtkerl, Luisentali 5, 11 Tallinn, Estonio.

**Bildoj.** — Por fari paroladon pri la movado mi bezonas bildojn pri famaj Esperantistoj, kongresfotografaĵojn, k. t. p. Por pagotaj bildoj indiki la prezon. P. Boulogne, Kramgasse 69, Bern (Svis.).

**Bohema Esperanto-Servo,** Moravany, Bohemio, Ĉeĥoslovakio — deziras ekrilati kun Esperantaj kaj Esperantemaj librejoj aŭ eldonejoj de l' tuta mondo, proponas sian „Adresaron", elpetas alsendon de Esperantaj novaĵoj.

**Danko.** — Ne povante respondi aparte al ĉiu el miaj multnombraj geamikoj, gratulintaj min okaze de mia edziĝo, mi sendas pere de „Esperanto" al ĉiuj sinceran dankon. Jakobo Ŝapiro, Del., Bialystok.

**Edziĝo.** — 22-jara Bohemo deziras skribe interkonatiĝi kun fraŭlino 17—20-jara. Oni skribu Esperante, Boheme, Angle aŭ France kaj se eble sendu fotografaĵon, kiu estos resendota. Seriozaj leteroj sub epigrafo: „Sopiro je feliĉo", al redakcio de „Esperanto", Bern.

**Entomologoj.** — S-ro H. Gainsborough, 5a, Kidbrook Gardens, Londono S. E., deziras korespondadi pri papilioj.

**Esperantistoj.** — Mi bezonas de 1916 jarkolekto de „Esperanto" numerojn 9/10 kaj la plenajn jarkolektojn pli malnovajn ol 1914; mi estas preta interŝanĝe sendi kion ajn. O. Sklenĉka, Del. de UEA, Hradec-Kralóvé (Ĉeĥoslovakio).

**Esperanto.** — S-ro Charles Brunet, 59, Cours Victor Hugo, Bordeaux, dez. ric. sekvantajn N-rojn de „Esperanto" 114, 185, 189, 193, 194, 195, 197, 221, 222, 225, 226, 227.

**Esperanto-ekspozicio.** — Inĝ. G. Scholze, Postrum apud Deutsch-Gabel, Bohemio, danke akceptas Esperantaĵojn ĉiuspecajn, katalogojn, prezarojn, komercajn reklamilojn, gvidlibrojn, k. t. p. por ekspozicio arangota dum la internacia foiro en Reichenberg. Mi respondos al ĉiu sendinto per propaganda karto.

**Esperanto-literaturo.** — Mi volas aĉeti (aŭ ricevi prunte por unusemajna tralego) ekzempleron de ĉiu Esperanta libro de 1887—1895 (precipe „Dua Libro" kaj „Biblioteko"). Ĉiujn elspezojn mi pagos. W. Bailey (UEA 1627), 32, Crescent Road, Cheetham Hill (Anglujo).

**Fervojistoj!** — Por propaganda poŝtkartekspozicio migranta mi petas alsendon de stacidomaj vidaĵoj kaj de fervojaj konstruaĵoj. Al ĉiuj mi resendos Pl. S-ro Georg Habellok, Breslaŭ 10, Schleiermacherstr. 19 (Germ.).

**Filatelistoj.** — Mi vendas jene poŝtmarkojn Polajn: Krakova eldono kun la malofta 6 H., kpl. por 3 Fr.; Karlfond-eldono, kpl. por 2.50 Fr.; Parlamentserio, kpl. por 1.20 Fr. La lasta eldono de 3 H. ĝis 50 H. por 0.50, de 3 Fen ĝis 1 Mk. por 0.50; Aŭstriaj kun surpreso „Poczta Polska": 25/80 H. por 0.50, 50 H. por 0.80, 60 H. por 0.80, 80 H. por 0.80, 1 K. por 1 Fr., 2 K. por 1 Fr., 3 K. por 10 Fr., PORTO: 5 H. por 1 Fr., 10 H. (de kiuj aperis nur 100 [cent]!) por 250 Fr., 15 H. por 0.60, 25 H. por 2.20 Fr., 50/42 H. por 4 Fr.; Gazet-PM: 2 H. por 0.80, 4 H. por 0.60, 6 H. por 0.50, 30 H. por 0.80. Mono sendebla en bankbiletoj senpere al mi aŭ je mia poŝtĉeko: Zürich VIII, N-ro 7263. S. Greenkamp-Kornfeld, Jaslo (Polujo).

**Filatelistoj.** — Latvaj, Litovaj, Estaj, Finnaj PM estas riceveblaj de S-ro J. Kaplan, Leepaja (Libau), Juhras eela 20 (Latvio).

**Filatelistoj.** — Mi kolektas adresojn de interŝanĝantoj de poŝtmarkoj el tuta mondo, precipe de kolonioj kaj insuloj kaj novaj ŝtatoj de la Centra Eŭropo. S-ro Jan Mikŝ, Praha Nusle 494 (Ĉeĥoslovakio).

**Filatelistoj.** — Sendu al mi per letero rekomendita 50—100 PM malsamajn el via lando, mi tuj sendos al vi la saman kvanton el Germanio. Aldonu respondkuponon. D-ro A. Moebusz, Falkenstr. 12, Lübeck.

**Filatelistoj.** — Mi deziras interŝanĝe ricevi plej novan katalogon Yvert-Tellier kontraŭ la duobla valoro en PM, laŭ dezirlisto. Mi kolektas ĉiulandajn PM. Gustav Teltschik, Graz, Steyrergasse 36, Aŭstrio.

**Filatelistoj.** — Ĉiu, kiu sendas 50—100 Svisajn pacpoŝtmarkojn al mi, ricevas de mi duoblan kvanton da ĉiaspecaj Finnlandaj. Filatelista afrankado! S-ro Jorma E. Partanen. Adr. Uusikaupunki (Finnlando).

**Filatelistoj atentu!** — Kontraŭ neuzitaj poŝtmarkoj 1—100 el iu lando mi sendas German-Aŭstriajn markojn (lasta eldono) de 3 h. ĝis 2 kronoj kun stampo aŭ sen stampo. Oni skribu tuj al Josefo Kolnhofer, Vieno 13/4, Zehntnergasse 37, kaj postulu prezaron.

**Fiskalajn markojn** de Lombardo Veneto (1850—1870) kaj kelke da poŝtmarkoj, vendus Rag. Amerigo L. Reni, Esperanto-Oficejo, S. Bonifacio (Verona-Italio).

**Fotografajoj.** — Mi ŝuldus dankon al la samideanoj loĝantaj en gravaj urboj de ĉiuj landoj, se ili bonvolus doni mian adreson al ilustrataj gazetoj. Mi povas liveri fotografajojn pri aktualeco ĉe la lazura marbordo (Sudfrancio). Al ĉiu samideano, kiu sendas al mi la adreson de grava ilustrata gazeto, mi sendos poŝtkarton ilustritan. Ch. Cresp, fotografa informisto, Del. de UEA, 14, rue des Marchés, Cannes (A. M. Francio).

**Francilngvaj samideanoj atentu!** — Mi vendus antikvan verkon Francan: Blondel-Patte „Cours architecture", 9 kompletaj volumoj en antikva leda bindajo kun ornmitaj surskriboj (1771). Interesontoj bonvolu skribi al S-ro O. Sklenĉka, Del. de UEA, Hradec-Kralóvé, (Ĉeĥoslovakio).

**Fremdlandaj jurnaloj.** — Mi kolektas adresojn de plej disvastigitaj jurnaloj kaj komercaj gazetoj de tuta mondo en ĉiuj lingvoj, ankaŭ en Esperanto. S-ro Jan Mikŝ, Praha Nusle 494 (Ĉeĥoslovakio).

**Gazetoj.** — Novajn kaj malnovajn Esp. Gaz. interŝanĝas: Libreria Luque, Cordoba (Hispanio).

**Inĝenieraj desegnistoj.** — S-ro T. Glover, 5, Vancouver Road, Londono S. E. 6, deziras korespondadi kun samprofesianoj.

**Informpeto.** — Samideanoj, precipe tiuj en Siberio, kiuj povus min informi pri la farto de mia kara amiko Aŭgusto Mitreiter, militkaptita supera leŭtenanto en Pavlodar, gubernio Semipalatinsk, Siberio, estas insiste petataj skribi al mi. Lastan sciigon mi ricevis en oktobro pasinta. Elspezojn mi volonte repagos. D-ro Guth, Del. de UEA, Teplitz-Schönau, Badeplatz 5 (Ĉeĥoslovakio).

**Irlando.** — Al tiuj, kiuj interesiĝas pri la nuntempa Irlanda demando! Sin turni al S-ro James A. Meagher, 12, Westmoreland Street, Dublin, Irlando, kiu plezure ĉion klarigos.

**Kabe-Vortaro.** — Kiu volus vendi al mi la vortaron de Kabe? Mi ankaŭ estas inklina ĝin interŝanĝi je alia objekto de la sama valoro. Mi preferas binditan. S-ro Otto de Beus, Culemborg (Nederlando).

**Kinematografajojn** pri Esperanto aŭ Esperantistoj deziras aĉeti propagandisto de Esperanto, kiu vagas tra Usono per aŭtomobileto, propagandante Esperanton per senpagaj kinematografoj. Tuj skribu kaj bone klarigu kondiĉojn de filmoj. Kiom da bobenoj, kiom da mono? (Helpo de UEA-Del. mi petas.) Adresu: Robert E. Blackstone, Box 33, Vining, Kansas, Usono.

**Kolektantoj.** — Ĉu vi deziras interŝanĝi PM, PI, Esp. gaz., k. t. p., aŭ ĉu vi volas korespondi en fremdaj lingvoj kun la tuta mondo, aliĝu al la internacia klubo por korespondado kaj kolektado „Harmonio". Jara kotizajo en nacia valoro: Aŭstrio K. 40, Germanio Mk. 10, Svisio Fr. 2, Francio kaj Belgio Fr. 3, Britio sh. 2, Usono 50 cent., Italio L. 3, k. t. p. Por aliaj informoj skribu al S-ro John Weninger, Wien I, Habsburgergasse 6. Korespondo: Angla, Germana, Itala, Franca, Esperanta.

**Kolektantoj.** — Migranta poŝtkarto sendebla al 6 div. adresataj Esperantistaj. Kuriozajo! Esp. poŝtkartoj kun statistiko, „La Espero", „Malhimno", k. t. p., 50 ekz. miksitaj kontraŭ sendo de 15 stampitaj respondkuponoj. Biblioteko N-ro 9: „Unuaj Esp. Satiroj" de Devjatnin; N-ro 10: „Unuagrada Legolibreto" de Steier, ĉiu po 3 respondkuponoj. Esp. eldonejo Rothermel, Friedrichswerth (Germanio, Turingio).

**Komerco.** — Ĉiu, kiu volas aĉeti aŭ vendi ion el aŭ en Germanio sin turnu al S-ro Alberto Hoffmeister, Grosse Bäckerstr. 24, c/o P. Marschall, Hamburg 11.

**Komerco.** — Mi korespondas pri komerco, interesiĝas pri eksporto kaj importo de komercajoj ĉiulandaj, kolektas adresojn de gravaj firmoj, komercaj entreprenoj, fabrikejoj konkurkapablaj. Korespondas en Esperanto, Franca, Angla, Germana kaj Rusa lingvoj. S-ro Jan Mikŝ, Praha Nusle 494 (Ĉeĥoslovakio).

**Koncertoj.** — Esperanta impresario Nic. F. Nicolaev, Case 689, Bourg-de-Four, Genève, aranĝos por novembro-decembro kantkoncertojn de S-ino Béchard-Lechaud kun jena vojo: Salzburg, Praha kaj ĉefaj Ĉeĥaj urboj; Budapest, Belgrad, Zagreb, Laibach, Milano. Li petas samideanojn de urboj troviĝantaj sur tiu vojiro, sciigi al li adresojn de kantkoncertoj, lokaj impresarioj, k. t. p. Poŝtelspezoj pagotaj.

**Konstantan ekspozicion** de tutmondaj Esperantajoj (gazetoj, revuoj, prospektoj, propagandiloj, k. t. p.) aranĝas Esp. Klubo en Brno (ĉefurbo de Moravio) en la ekspoziciejo de la librovendejo Barvic & Novotny.

**Korespondantojn en ĉiuj landoj pri aferoj politikaj, kulturaj kaj precipe ekonomiaj serĉas granda Ĉeĥa jurnalo „Tribuna". Pluajn detalojn donas Fred. Weiner,** redaktoro, Jungmannova 21, Praha I (Ĉeĥoslovakio).

**Korespondantojn** ĉiulandajn pri aferoj ekonomiaj, kulturaj, sociaj kaj politikaj serĉas granda Ĉeĥa politike sendependa jurnalo „Tribuna", Praha, Jungmanova 21, Ĉeĥoslovakio (adresi al red. Weiner). Oni korespondas Esperante, Germane, Angle, France, Itale kaj Hungare.

**Korespondado.** — Multaj el miaj gekorespondantoj skribas tre malegeble sian adreson; ilin mi ne povas respondi. Ke ili resendu PK kaj plezure mi respondos. Ch. Cresp, Del. de UEA, 14, rue des Marchés, Cannes (Francio).

**Laboristoj.** — Laboristaj grupoj ĉiulandaj, kiuj interesiĝas pri Ĉeĥoslovakio, kaj volas havi kontakton kun siaj kamaradoj (ekz. kompostistoj, komizoj, fotoamatoroj, turistoj, studentoj, k. t. p.), estas petataj skribi legeble al Prez. de Lab. Asocio, Josef Pech, Housková 4, Plzen (Ĉeĥoslovakio), kiu ĉion tuj prizorgos.

**Al liberpensuloj-Esperantistoj,** kiuj partoprenos la 18an internacian kongreson de Libera Penso en Praha la 5—9 septembro 1920, uzu ekskluzive Esp. en skribaj kaj personaj rilatoj kun la kongresa komitato. Se vi intencas fari raporton aŭ konferencon, faru ĝin en Esperanto! Dek Esperantaj aliĝoj havas pli grandan efikon ol longaj propagandaj artikoloj. Tial ne skribu nacilingve! Ĉiu kongresonto estas krom tio petata sciigi sian alvenon al „Esperantista Klubo en Praha", kafejo Union, Praha I, Národní.

**Libertempa restado.** — Germana studento serĉas oficon kiel privata instruisto en Francilngva Svisio sen kontraŭflanka kompenso: Instruo Germana kaj Angla, forte-piano. Stud. phil. Werner John, Weberstrasse 102, Bonn a. Rh.

**Libroamantoj.** — Kiu volas legi interesan bonstilan libron Esperantan, samtempe ekkoni la Hungaran literaturon kaj helpi la Hungarajn Esperantistojn, sendu en letero unu Svisan frankon (aŭ ĝian nacian valoron) al Hungara Esperanto Servo, Paulo Balkanyi, Budapest VI, Hajós u. 15. II. 2.

**Manifesto de Nederlandaj kontraŭmilitaristoj. — Havebla kontraŭ respond**kupono ĉe G. P. de Bruin, Alleeweg 9, Enschede (Nederlando).

**Montessori.** — Sciigon pri Montessori metodaj rezultoj deziras instruisto Drcusicke, Kœrnerstr. 1, Kassel (Germanio).

**Peto.** — Reveninte el militkaptiteco mi bezonas vestajon, ŝuojn, k. t. p. La fantaziaj prezoj en mia lando malebligas al mi aĉeti; devige mi min turnas al miaj amikoj en pli feliĉaj landoj petante ilian helpon. Ĉion mi dankeme akceptas kaj laŭeble rekompensos. Székàes Laszlo Pál, Barthori u 5, Váez (Hungario).

**Poŝtkartoj** kun belarta portreto de nia Majstro, D-ro Zamenhof, estas riceveblaj je l' prezo de 10 Frankoj %, afrankite. Dezirante specialan surskribajon (nomo de l' grupo, societo, k. t. p.) 12 Frankojn %, afrankite. Reni, Esperanto Oficejo, S. Bonifacio, Verona, Italio.

**Poŝtmarkoj.** — Mi serĉas personojn, kiuj volas aĉeti por mi komerce poŝtmarkojn de siaj landoj; en San Marino, Albanujo, Afganlando kaj insuloj tra la mondo. F. Albino, 22, Ainger Road, London N. W. 3.

**Poŝtmarkoj.** — S-ro P. Tagliacozzo, 11, Via Ulpiano, Roma 26, ŝanĝe 25—50 malsamajn PM de alia lando, sendas tuj kaj nepre 25—50 malsamajn PM Italajn.

**Poŝtmarkoj.** — S-ro E. Vermeulen, Wandelweg, Wormerveer (Nederlando), deziras alsendon, per deklarita letero, de PM de ĉiu lando, escepte Germanio, Finnlando, Ĉeĥosl., por kiuj li resendas sammaniere saman kvanton aŭ valoron de Nederlanda, PM kaj kolonioj.

**Poŝtmarko-kolektantoj.** — Svedaj PM vendas kaj interŝanĝas kun PM alilandaj: Gustav W. Jakobsson, Uddevalla (Svedio).

**Reserĉo.** — S-ro A. Collinge, 1, Milton street, Ŝtock port Road, Manchester, Anglujo (antaŭ la milito Rochdale) petas la helpon de alilanda samideano. por trovi la nunan adreson de jenaj amikoj: N. Bunchoten, Koningstraat 299, Hago; H. Ket, Honthoorstraat 55. Hago; C. Sivertsen, Bjoernemark Pr., Svendborg.

**Saarlando.** — Plendo. Multe da samideanoj, kiuj petas informojn pri la Saarteritorio, aŭ deziras la specialajn letermarkojn (Germanajn kaj Bavarajn) de la Saarteritorio ne aldonas la poŝtelspezojn por la respondo. Tio ne estas konforma al la regularo kaj pro tio trouzo de la servoj de Del. estonte mi rifuzos respondi kaj poste publikigos la nomojn de la petantoj al celo de averto. August Omlor, Del. de UEA, St. Ingbert, Saar.

**Sekretariino serĉata.** — S-ro J. Camescasse, Del. de UEA, 39, Rue de Douaj, Paris IX, bezonas spertan oficistinon, francan Esp-istinon por oficejaj laboroj kaj enklasigado.

**Tradukoj.** — Tradukojn de Esperanto en ĉiujn naciajn lingvojn kaj el ĉiuj naciaj lingvoj en Esperanto aŭ de iu nacia lingvo senpere en alian faras la Asocio de diplom. Lingvoinstruistoj, Kramgasse 69, Bern (Svisio).

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. — (En nacia mono: Vidu la tabelon sub Petoj kaj Proponoj.)

**Komercistoj.** — Mi dez. riprezenti firmojn kiuj liveras la sekvantajn artiklojn: fotograf-bezonajoj, fontplumoj kaj petas proponojn. Adolf Oberrotmann, 10, Krak. Przedmiescie, Warszawa (Polio).

**Ĉeĥoslovakaj plebiscitaj poŝtmarkoj.** — 100 serioj po 8 diversaj poŝtmarkoj ĉs plebiscitaj je 35 Svisaj frankoj afrankite, 10 serioj po 8 MP Ĉs. plebiscitaj je 4 frankoj afrankite. Mendu ilin tuj, ĉar ili jam ne estas en la uzado. — K. Jelínek, Poŝtfako 52, Ruzomberok, Ĉeĥoslovakio.

**Malakito.** — Mi volas aĉeti krudan kupran malakiton po 1015 kilogramoj el iu lando, ankaŭ gemojn en kruda stato. Sendu specimenon kun prezo. Ĉia negoco kontante. Albert Everitt, Escondido (Usono, California).

**Poŝtmarkoj.** — S-ro Albert Bradshaw, 1, Crawford street, Camberwell, London S. E. 5' dez. aĉeti grandkvante militajn kaj ruĝkrucajn poŝtmarkojn, laŭ 100, 1000, 10,000 aŭ kompletserie. Dez. PM. el Ruslando, Svisujo, Albanujo, Fiume, Montenegro, Aŭstrio, Hungarujo, Bosnio, Germanujo, Bavarujo, Finnlando, Polujo, Italujo, Francujo kaj kolonioj, Batum. Aĉetas ĉiuspecajn PM. ĉiulandajn. Bonaj referencoj. Membro de B. E. A. London, I. P. S. London kaj E. N P. S Paris.

**Pentraĵo.** — Por ebligi partigon de heredaĵo vendota antikva pentraĵo de Flandra skolo. Videbla: 4, rue de l'Outre, Bruges (Belgio).

**Reprezentado.** — S-ro Advokato Celestino Cacace, vice-direktoro de Napola agentejo de la asekura societo „Riunione Adriatica di Sicurta", Napoli (Italio), 14, Crociferi al Miracoli, deziras reprezenti eksterlandajn firmojn pri ĉiuspecaj komercaĵoj kaj produktoj. Donas komercajn informojn pri ĉiuj Italaj komerciokoj.

**Seriozaj Agentoj** serĉas reprezentado de gravaj komercaj kaj industriaj firmoj eksterlandaj por Italio pri ĉiuspecaj produktaĵoj. Esperanto Oficejo Reni, S. Bonifacio, Verona, Italio.

**Ŝtalo.** — S-ro Gueritté, 38, Victoria street, London S. W. 1, aĉetas rondŝtalon por armilbetono, diam. 4 ĝis 45 mm. Altprezo por tuja liverado po 10 ĝis 1000 T.

**Tolo por desegna kopiado.** — S-ro Gueritté, 38, Victoria street London S. W. 1, aĉetas arĥitekturan tolon por desegna kopiado kaj blufotografpaperon.

## Por propagandi Esperanton inter Hispanparolantoj

nenio estas pli taŭga ol la verko **El Idioma International Esperanto,** eldonita de la „Asociación Esperantista Argentina".

*Enhavo:* Propaganda parto. Kurso de Esperanto en 18 lecionoj. Ĝenerala Esperanto-Hispana vortaro. — *Prezo* (afrankite en ĉiuj landoj): 1 ekz. 0.35 peso; 10 ekz. 23 pesos.

Oni mendu al S-ro **Antonio Villa,** kasisto de la „Asociación Esperantista Argentina", 865, Belgrano, **Buenos-Aires** (Argentino).

Per Esperanto! Por Esperanto!

## Japana Esperanta Komerca Korporacio

### Eksportado kaj Importado

Ĉefoficejo: **Jamaŝitaĉo, Jokohama.**

Adreso Telegrafa: „ESPERANTO JOKOHAMA"

Kodoj Telegrafaj: ABC 5-a eldono, BENTLEY, LIEBER, Western Union

## La Eklezia Esperantista Ligo

Kunligas anojn de ĉiuj eklezioj. — Celas per Esperanto helpi la reunuigon de Kristanoj. Propagandas Esperanton ĉe profesiuloj kaj aliaj kleruloj de ĉiu nacio. — Utiligas Esperanton en ĉiuspeca religia kaj literatura agado. — Ĉiujara kotizaĵo ekster Britujo: 3 sh. aŭ 6 sh.

Hon. Sekretario: Pastro *A. J. Ashley,* Farnley Tyas Vicarage, *Huddersfield* (Anglolando).

## KOMERC-AGENTO POR SKOTLANDO

Mi deziras aĉeti komercaĵojn por vendi **POGRANDE** en Skotlando. — Sendu prezliston kaj specimenojn al

**T. C. GREEN,** 74, York Street, **Glasgow,** Skotlando

## Ĉu vi volas grandkvante vendi viajn fabrikaĵojn

necesajn por komerco
industrio kaj ekonomio

**Reprezentigu vin per la firmo**

## „ESPERO"

**Rag. Stefano PEDRAZZINI, Locarno (Svisio, Tiĉino)**

**LA EKLEZIA REVUO**

Bele presita, bona papero, 16 × 25,5 cm. Kvaronjare, 26 aŭ pli multaj paĝoj. Grava internacia revuo de la religio kaj literaturo, interrilatigas anojn de ĉiuj eklezioj, estas libera konferenchalo de la religio. — Bonegaj artikoloj. Belega literaturo diversnacia. Tute redaktata en Esperanto. Novaĵoj el ĉiuj landoj. La lernado de Esperanto estas peninda se sole por legi E. R. (Pastro-Profesoro E. J. Price, M. A. B. Teol.) — Abonprezo: 3 sh. ekster Britujo, afrankite. Redakcio kaj Administracio: Pastro A. J. Ashley, Farnsley Tyas Vicarage, Huddersfield (Anglolando).

## Vendistoj

## Pograndaj Ĉiulande!

### Kiel akiri al vi Monon Pogrande

**Ĉiuj, de infano al avo sopiras por dolĉaĵo. Jen estas butersukeraĵo, kiu fluidiĝas en la buŝo kun rava daŭra gusto memorplena nur je la dolĉaĵo, kiun fabrikis la patrino.**

Ĉar ĉiuj deziras butersukeraĵon, vi, kiu scias tiel bone la vendarton, komprenos kiel facile estos akiri semajne multajn amikojn, kiuj aĉetos de vi butersukeraĵon.

Ju pli vi vendas des pli monon vi akiras. Do, vendistoj de ĉiuj landoj, turnu vin al la jena firmo, kiu fabrikas ĉi tiun ravan butersukeraĵon. Postulu la prezaron.

**Nomo de l' firmo:** **S-ro W. A. Johnson**
**Publikigisto:** **S-ro H. Foulds**
**Adreso:** **New Road**
**Urbo:** **Halifax**
**Lando:** **Anglio**

La butersukeraĵo estas pogrande disvastigita en Anglio sub nomo „Ilkley Wells Toffee." (elparolu ILKLI ŬELZ TOFI).

*Legantoj traduku tiun ĉi reklamon en viaj naciaj lingvoj kaj sendu al nia adreso viajn tekstojn. Antaŭajn Dankojn*
*H. FOULDS, Esperantiano.*

**AL KONSTRUISTOJ INĜENIEROJ VENDISTOJ KAJ AĈETISTOJ DE MODERNAJ INVENTAĴOJ**

Novajn sistemojn de konstruo, laborŝparajn ilojn; aparatojn sanitarajn, kuirajn, purigajn, hejtajn kaj elektrajn kaj ĝenerale ĉion novan en la mondo de konstruo kaj mekaniko serĉas Angla specialista firmo de konstruistoj.

Ni agentas pri ĉiaj aparatoj, maŝinoj, labor-ŝparaj inventaĵoj k. t. p. el Anglujo en eksterlandon, kaj el eksterlando en Anglujon.

Proponojn, informojn, bezonojn, skribu unue al:
S-ro **John A. Calvert,** 210 ELM ROAD, LEIGH-on-SEA, ESSEX.

## Librojn

### Germanajn kaj Esperantajn

(kiom nun haveblaj) liveras

**Esperanto Verlag**

**Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59**

Oni petu specialan popronon

